Dua periodo
SEPA JARO
N-ro 4. 1937.

# LITERATURA MONDO

## El la enhavo:



Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Soroksári-str. 38

## APERAS SESFOJE DUM LA JARO

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# *Novaj prezoj!*

## *Aliaj prezoj en la katalogo estas malvalidaj!*

| | bind. | broŝ. |
|---|---|---|
| **Julio Baghy:** Dancu Marionetoj — — — — | 0.56 | 0.40 |
| **Julio Baghy:** Viktimoj — — — — — — — | 1.04 | 0.84 |
| **Julio Baghy:** Hura! tolbind 2.40 — — — | Elcerpiĝis | |
| **Julio Baghy:** Preter la Vivo — — — — | Elcerpiĝis | |
| **Julio Baghy:** Pilgrimo — — — — — — | Elcerpiĝis | |
| **Julio Baghy:** Sur Sanga Tero — — — — | 1.70 | 1.32 |
| **Julio Baghy:** Verdaj Donkihotoj — — — | 1.— | 0.70 |
| **K. Kalocsay:** Lingvo, Stilo, Formo — — — | 0.70 | 0.34 |
| **K. Kalocsay:** Streĉita Kordo — — — — | 1.06 | 0.80 |
| **K. Kalocsay:** Rimportretoj — — — — — | 0.44 | 0.27 |
| **K. Kalocsay:** Eterna Bukedo, duontole 2.30 — | 2.— | 1.65 |
| **K. Kalocsay—Madách:** Tragedio de l' Homo simpla | 1.— | 0.66 |
| luksa | 1.20 | 0.84 |
| **K. Kalocsay—Goethe:** Romaj Elegioj kaj La Taglibro — — — — — — — — | 0.70 | 0.50 |
| **K. Kalocsay—Dante:** Infero — — — — — | 1.90 | 1.60 |
| **K. Kalocsay—Hekler:** Arthistorio I. — — — | 2.25 | 2.— |
| **K. Kalocsay—Mussolini:** Vivo de Arnaldo, luksa | 0.84 | 0.50 |
| simpla | 0.66 | 0.40 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Parnasa Gvidlibro | 0.90 | 0.65 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Plena Gramatiko de Esperanto II-a eldono— — — — simpla | Sub | |
| luksa | preso | |
| **K. Kalocsay:** Hungara Antologio — — — | 2.60 | 2.30 |
| **Bleier—Kökény—Ŝirjaev:** Enciklopedio de Esperanto, vol. I—II., ilustrita — — — — | 6.80 | 6.— |
| Enciklopedio de Esperanto, en unu volumo, neilustrita — — — — — — — — — | 4.— | |
| **Asch—Lejzerowicz:** La Sorĉistino el Kastilio — | 0.90 | 0.66 |
| **Grenkamp—Brzekowski:** Pri l' Moderna Arto | 0.66 | |
| **J. Forge:** Mr. Tot aĉetas mil okulojn — — | 1.06 | 0.84 |
| **F. Szilágyi:** Trans la Fabeloceano — — — | 0.90 | 0.66 |
| **F. Szilágyi:** Poemaro el Hungarlando — — | | 0.34 |
| **F. Szilágyi:** La Simpla Esperanto — — | | 0.34 |
| **F. Szilágyi—Genthon:** La pentroarto en la malnova Hungarujo — — — — — — | 3.— | 2.— |
| **Totsche:** De Paĝo al Paĝo — — — — — | 0.80 | 0.60 |
| **Kalocsay:** Dekdu poetoj — — — — simpla | 0.84 | 0.50 |
| luksa | 1.— | 0.60 |
| **Totsche—Karinthy:** Vojaĝo en Faremidon — | | 0.24 |
| **St. Engholm:** Homoj sur la Tero — — — | 1.— | 0.72 |
| **St. Engholm:** Infanoj en Torento — — — | 0.60 | 0.40 |
| **Hans Weinhengst:** Tur Strato 4 — — — | 1.— | 0.72 |
| **E. Aisberg:** Fine mi komprenas la radion — | 1.20 | 0.92 |
| **K. R. C. Sturmer:** El la Notlibro de Praktika Esperantisto — — — — — — — — | 0.70 | 0.50 |
| **Kikuĉi—Ŝimomura:** Amo de Toojuuroo — — | | 0.24 |
| **T. Herzl—B. Selzer:** La Juda Ŝtato — — — | 0.84 | 0.60 |
| **Slonimsky—Grenkamp:** Mia vojaĝo en Sovetio | 0.72 | 0.50 |
| **Jelušić—Rotkvić:** Cezaro — — — — — | 2.05 | 1.80 |
| **Adamson:** Auli — — — — — — — — | 0.56 | 0.34 |
| **Kamaryt—Ginz:** Ĉeĥoslovaka Antologio — — | 2.60 | 2.30 |
| **E. Privat:** Interpopola Konduto — — simpla | 0.86 | 0.60 |
| luksa | 1.20 | |
| **Jerome—Badash:** Tri Homoj en Boato, simpla | 1.20 | 0.92 |
| luksa | 1.50 | |
| **Munthe—Weleminsky:** Romano de San Michele | 2.12 | 1.80 |
| luksa | 2.40 | |
| **I. Lejzerowicz:** El la Verda Biblio — — — | 0.50 | 0.30 |
| **E. Wiesenfeld:** Verkaro de FeZ (Dr. Felikso Zamenhof) — — — — — — simpla | 1.60 | 1.32 |
| luksa | 2.15 | |

| | | |
|---|---|---|
| **Biernaczki—Medrkiewicz:** La Verko de Chopin | | 0.20 |
| **L. E. Thomson:** Multe pli la Amo — — — | | 0.18 |
| **EMBA:** Maria kaj la Grupo — — simpla | 0.95 | 0.72 |
| luksa | 1.30 | |
| **E. Wüster:** Konturoj de la lingvonormigo en la tekniko — — — — — — — — | 0.85 | 0.60 |
| **Arĝenta Duopo.** Jubilea Libro pri Baghy—Kalocsay I. — — — — — — | | 0·90 |
| **Ora Libro de Esperanto. Redaktis: V. Bleier—E. Cense** — — — — — — — — — | | 0·72 |
| **Van Loon—Saville: Rigardu la Teron** — — | 2·95 | 2·60 |
| sen la koloraj tabuloj — — — — — — | | 1·80 |

La prezoj estas montrataj en usonaj dolaroj. Aldonu 10% de sendkostoj.

**RABATO DE 20% AL LA MEMBROJ DE AELA EL LA SUPRAJ PREZOJ!**

**Pagojn ni akceptas**
per monbiletoj, bankĉekoj, respondkuponoj, »money order« al Budapest aŭ al niaj reprezentantoj.

**Poŝtmandatojn sendatajn al Budapest ni rifuzas.**

**ABONPREZO DE LINGVO-LIBRO**
por unu ekzemplero dum la jaro:

0.80 aŭstrajn ŝilingojn; 4.— belgajn frankojn; 8 penny; 9.— ĉeĥajn kronojn; 0.60 danan kronon; 0.60 estonan markon; 4.— francajn frankojn; 0.60 markon; 0.80 pengö; 4.— lirojn; 8.— dinarojn; 0.80 laton; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 0.40 guldenon; 0.60 norvegan kronon, 1.20 zloton; 4.— eskudojn; 25.— leojn; 0.60 svedan kronon; 0.20 USA-dolaron; 0.80 svisan frankon.

En nemenciitaj landoj 0.20 USA-dolaron aŭ egalvaloron.

**Tri ekzemplerojn ni sendas por la duoblo de la supraj sumoj.**

**ABONPREZO DE LITERATURA MONDO**
por tuta jaro, la unua ekzemplero al la sama adreso:

12.50 aŭstrajn ŝilingojn; 65.— belgajn frankojn; 7.— anglajn ŝilingojn; 60.— ĉeĥajn kronojn; 7.— danajn kronojn; 7.— estonajn kronojn; 45.— francajn frankojn; 7.50 germanajn markojn; 10.— pengöjn; 40.— lirojn; 100.— dinarojn; 9.— latojn; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 4.50 guldenojn; 7.— kronojn norvegajn; 15.50 polajn zlotojn; 30.— eskudojn; 300.— leojn; 7.— svedajn kronojn; 9.— svisajn frankojn; 1.80 USA-dolarojn

**ĉiun egalvaloron.**

Ĉiu plua ekzemplero al la sama adreso sendata kostas dolarojn 1.40 kaj borsan egalvaloron, sen ia plua favorprezo.

**Unu dolaro usona egalvaloras la 15-an de novembro 1936.**
5.30 aŭstrajn ŝilingojn; 29.40 belgajn frankojn; 4.— anglajn ŝilingojn; 29.— ĉeĥoslovakajn kronojn; 4.50 danajn kronojn; 3.80 estonajn kronojn, 21.50 francajn frankojn; 3.80 germanajn markojn; 5.— pengöjn; 20.— italajn lirojn; 47.— jugoslavajn dinarojn; 5.20 latojn; —.— yenojn (pro monopolo specialajn pagokondiĉojn donas Japana Esperanto Instituto); 7.60 lidojn litovajn; 1.90 nederlandan guldenon, (pagu nur al nia monopola deponejo en Nederlando: Nederlanda Esperanto Centro, Rotterdam, W. Schiedamscheweg 209 b.); 4.— norvegajn kronojn; 5.30 polajn zlotojn; 22.50 portugalajn eskudojn; 140.— rumanajn leojn; 4.— svedajn kronojn; 4.35 svisajn frankojn aŭ borsan egalvaloron en aliaj valutoj.

**Ŝanĝoj de la transkalkulo okazas samtempe kun la borsaj kurzoŝanĝoj.**

# LA JUBILEA

– de Georgo Verda –

## I. Kion ni imagis?

Ni preparis nin por la 29-a kongreso en Varsovio, kiel nur vere fidelaj esperantistoj povis prepari sin por la 50-jara jubileo, do por festo, kiun oni havas la ŝancon kredeble nur unu fojon dum la vivo partopreni. Kiun la intima penso pri la Jubilea ni vivis dum pluraj monatoj — tiu ĉi penso plenigis nian cerbon, kaj koron. La Jubilea! Reviviĝis en nia memoro bildoj el la glora pasinteco de la Esperantismo, bildoj el iamaj kongresoj, kiujn ni ne konis. Ironte al Varsovio, ni revis pri la atmosfero de Bulonjo, de Krakovo 1912 — de tiuj ne malmultaj kongresoj, kiujn ni tiom bone konas almenaŭ el la historio kaj el la brilaj priskriboj de niaj antaŭuloj.

Ni esperis, ke en tiom solena momento, dum la jubilea festo de la Esperantismo, la gvidantoj de la Esperanto-movado — en la kvindeka jaro de ĝia ekzistado — havas ion por diri al ni, la verda popolo. Ni imagis, ke troviĝos inter la kutime bruemaj eminentuloj de nia movado almenaŭ unu kuraĝulo, kiu dirus al ni, kia estas nun la enhavo kaj celo de la afero, por kiu ni batalas; ke li kuraĝos proklami, kion ni pensas kaj volas, kiel movado, kiel organizita anaro. Ni atendis, ke iu ŝatata gvidanto nur por momento almenaŭ prenos sur sin la taskon publike eldiri la altajn idealojn de la oficiala E-movado. Senrevena okazo por tio estis la Jubilea. Mil ducent fideluloj pilgrimis Varsovion por de tie elporti kuraĝigon por plua persistado, konfirmon de la alprenita idealo. Ni, kongresanoj, atendis tion. Ni esperis, ke la 29-a estos ne nur jubilea, sed ankaŭ — historia kongreso.

## II. Kaj kio ĝi fakte estis?

Kaj fakte la 29-a estis ne erarigebla posteulo de la 28-a, de la 27-a, de la 26-a ktp.! Ĥaosa, malserioza kunvenego kun multe da bruo, kun improvizita tagordo (por iamaniere plenigi la horojn de la »kongresado«!), senprograma, senplana, verdire: sencela. La devizo: »Esperanto en la lernejojn!«, sub kiu la kongreso kvazaŭ okazis, dronis ie en la malklaraj diskutoj de kunveno, okazinta neatendite. Oni ne sciis, en kiu kunveno — nome — tiu ĉi demando, tiom grava kaj esenca, estos diskutata — la kongresa libro obstine silentis pri la tuta afero. Vole, nevole oni volus demandi: kion do, fine, celis la tuta Jubilea? Nek ĝi laboris, kiel ni esperis laŭ la ricevitaj promesoj, nek ĝi solenis la 50-jaran jubileon, kiel ni atendis tion. Ĝi simple ŝrumpiĝis inter la — cetere sensukcesaj — marĉandoj de la du partioj: UEA kaj IEL, kiuj eĉ ne bonvolis prezenti al la »neinda kaj blinda popolo« la esencon de la malpaco, la diferencojn, kiuj disigas ilin, la ĉefajn kverelpunktojn de la milito. Oni ne sole ignoris la kongresanaron — oni simple ofendis ĝin. Kontraŭ la klara kaj senduba sinteno de la esperantistaro, kiu nekontesteble postulas prave kaj brave nur unu aferon: pacon, pacon kaj ankoraŭfoje pacon — du samcelaj kaj samideaj partioj dividas la movadon en momento malplej oportuna por tio, kaj disponas pri ĝi kiel pri siaj propraj butiketoj, ne bonvolante eĉ enketi la anaron, kiun ili kvazaŭ reprezentas, ĉu ĝi — tiu anaro — donas sian konsenton por tio? Tiuj ĉi postkulisaj marĉandoj plenigis la tutan enhavon de la Jubilea kongreso kaj havis la naturan finon: fiaskon. La kongresanoj foriris el Varsovio kun tiom pli granda ĥaoso en siaj kapoj pri la tuta afero.

La altaj devizoj de la kongreso, de tiu speciala, jubilea kongreso, fariĝis, fine, nura sapveziko, kiu krevis same rapide, kiel la antaŭaj kongresoj — sapvezikoj. Multe da bruo — neniom da ĝuo. Seriozaj ĵurnalistoj, kiuj dum kelkaj tagoj observis la kongreson, sentis sin poste tute frakasitaj. Unu el ili diris al mi: »Movado povas ekzisti per du alternativaj premisoj: per materiala potenco, esprimanta sin en la grandnombra anaro, aŭ per la alta morala forto, kiun ĝi disradias. Mi kredas, ke la Esperantismo apogas sin sur neniu el tiuj premisoj: sian materialan potencon ĝi ne povas prezenti, ĉar ĝi, simple, ne posedas ĝin. Kaj la moralan forton, kiun ĝi eble en certaj kondiĉoj povus disponi, ĝi ordinare kaŝas en la tirkeston por — gardu Dio! — ne ŝoki la senmoralan mondon. Kia konkludo sekvas do el tio? Ke la Esperantismo estas »periferia« movado, kiu mem timas tuŝi la vivon, la nudan, krudan vivon, de kiu, verdire, dependas ĝia plua sorto, ĝia ekzistado. Ke la esperantistoj, aŭ almenaŭ iliaj gvidantoj estas homoj de la »periferio«, por kiuj la bolanta vivo estas miskompreno aŭ enigmo — kaj ke do en tiaj cirkonstancoj, kun tia taktiko ili malmulte, tre malmulte povas atingi.«

Tiel parolis tiu homo, serioza — cetere — amiko de Esperanto.

## III. La organizo

Sed al la LKK oni efektive nenion povas riproĉi. Kontraŭe, ĝi meritas la plej varman dankon de ĉiuj partoprenintoj. La kongreso estis organizita tre bone. La loĝigo, kiu estas kutime unu el la plej gravaj problemoj de la organizado, estis laŭdinde aranĝita. Mi kredas, ke nenia plendo tiurilata okazis. Ni konfesu, ke la cirkonstancoj kaj kondiĉoj, en kiuj la kongreso estis preparata kaj okazigata, estis ekstreme malfavoraj. La naciista gazetaro dum multaj semajnoj antaŭ la kongreso, kaj dum la kongreso mem, seninterrompe, cinike kaj fripone, kanajle kaj senhonte atakaĉis, kompromitis la LKK, elsuĉante el la fingro plej nekredeblajn mensogojn kaj trompojn, senkreditigante en fia maniero la tutan kongreson kaj ĝiajn eminentulojn. Kiom kaj kiel tiu parto de la gazetaro skandalis pri la kongreso, estas facile kompreni, se oni konsideros, ke dum la ferma kunveno la kongreso estis devigata prezenti rezolucion, kiu kondamnas tiaspecan fiagadon de certaj ĵurnalistoj. Nu, se »neŭtralaj« esperantistoj jam kondamnas, tiam la friponaĵo devas jam esti grandegega...

Kaj se do la LKK sukcesis malgraŭ tiuj kaj aliaj malhelpoj konduki kviete la kongresŝipon sur la tempestanta maro, tiam ĝi vere meritas rekonon kaj admiron. Kion ĝi povis, ĝi faris bone. Pri la atmosfero, pri la idea enhavo (pli ĝuste: malenhavo) de la kongreso ĝi ne respondecas ja. Pri tio zorgis la t. n. superaj instancoj de la movado, kiuj ekde la malfermo tenas la kongresajn kondukilojn en siaj manoj.

## IV. Kongresaranĝoj

Pri la kongresaranĝoj estus, verdire, tute prudente resendi la leganton al iu ajn raporto pri la pasintaj kongresoj, kun la sola rimarko, ĉu la aranĝoj de la Jubilea estis pli aŭ malpli lerte faritaj. Ĉiuj ja konas

la ŝablonan ordon de la kongresaj »atrakcioj«, kiuj en Varsovio estis fidela kopio de ĉiuj ĝisnunaj kongresoj, do: diservoj, solena malfermo, teatro, gaja vespero, internacia balo kaj rapidege knedata fermo.

La solena malfermo havis ĉi-jare unu tre gravan pluson: la diversaj reprezentantoj ne tro longe parolis kaj dank' al tio la »tampo« de la soleno estis multe pli vigla ol kutime. Kompreneble, ne mankis salutparoloj de diversaj registaraj reprezentantoj, kaj oni prave miris, ke mankis ĝuste salutparolo en la nomo de la pola registaro, sub kies alta protekto la kongreso okazis. La esperantista popolo aplaŭdis ĉiun parolanton el la tuta koro, sed veran uraganon de aplaŭdoj ricevis la laŭtlegita telegramo de la kataluna registaro. La amaso estas sincera kaj malkaŝas siajn sentimentojn senrezerve.

La lastaj en la vico de naciaj reprezentantoj parolis ankoraŭ judo, ukrajno kaj negro en la nomo de la senŝtataj popoloj. La kongresa komitato ne havis la minimuman dozon da kuraĝo por envicigi ilin laŭ la alfabeta ordo kaj kapitulacis antaŭ ŝokanta maljusteco.

En la belega operdomo de Varsovio okazis la prezentado de la unuakta komedio de Fredro s. t. »Consilium facultatis«. Fredro estas klasikulo kaj sendube la plej rimarkinda pola komedioverkisto. Sed lia »Consilium facultatis« por la nuntempa publiko estas tre certe tro naiva. Ekzistas pluraj aliaj verkoj de Fredro, kiuj estas ne nur pli interesaj laŭ sia enhavo, sed ankaŭ pli bone prezentas la vivon en la nobelaj sferoj de Pollando dum la tempo de Fredro. Kial do oni elektis por la kongresa publiko precize la »Consilium facultatis«? Kaj kial entute klasikaĵon? La moderna pola literaturo posedas ja unuarangajn komediojn — kial oni ne regalis al ni tiaspecan teatraĵon? Niajn amikojn en Londono ni jam unu petas, ke ili zorgu pri moderna teatraĵo, ekz. de Shaw.

En la dua parto de la programo estis kelkaj kantoj de Moniuszko (el »Halka« kaj »La fantoma nobeldomo«), kaj kelkaj facilaj kantoj plenumitaj de la populara kvarvoĉa virina »revelersa« ĥoro.

La gaja vespero tutplene pezis sur la amatora trupo de la Vilna Esp.-grupo, kies filaro estis f-ino Porozowska. La publiko ŝajnis bone amuziĝi kaj pardonis multajn mankojn. La prezentado okazis sur provizora podio kaj la rolon de la aktora vestejo ludis la granda balkono de la kongresejo. Vera feliĉo, ke la balkono estis sufiĉe granda kaj profunda tiel, ke la belaj aktorinoj povis tie ŝanĝi ĉiufoje siajn vestaĵojn sen la timo esti vidataj de la stratopasantoj. Alie, pikantaj incidentoj estus povintaj okazi, kaj tiam ni estus havintaj tro gajan vesperon...

Sed ne nur la balkono de la kongresejo estis granda kaj oportuna — la tuta kongresejo ĝenerale (»Resursa Obywatelska«) estis vere impona kaj tuta je dispono de la kongresanaro. Malsame ol en Vieno pasintjare, kie en la kongresejo mankis simple seĝoj kaj ne estis eble tie ripozi, la Varsovia kongresejo per siaj grandaj kunvenĉambregoj, restoracio, poŝto, vendejo ktp. prezentis idealan lokon, kie la kongresa amaso senĉese svarmis kaj evidente bonege sin sentis. Bedaŭrindege, la kongresejo havis unu teruran mankon, kiu iritis konstante la publikon, nome: la mankon de akustiko. Precipe en la granda ĉambrego, en kiu okazis la pli gravaj kaj amase vizitataj kunvenoj, estis preskaŭ neeble aŭdi bone la vortojn de la parolantoj, kiujn tre ofte interrompis elkrioj »pli laŭte!«.

La balo, kiel ĉiam, okazis dum la lasta vespero, en la imponaj »zaloj« de la Varsovia urba konsilantarejo. Mi ne komprenas, kial la balo devas okazi en la lasta tago, kiam la kongresanaro estas jam tiom elĉerpita kaj lacega, ke ĝi jam tute ne havas la forton, nek humoron por amuzo. Ĉu ne estus preferinde *komenci* la kongreson per la balo (ekz. anstataŭ la interkonatiĝa vespero)? Tiam la publiko estas ankoraŭ »freŝa«, kaj pli amuziĝema.

Sub la aŭspicioj de »Literatura Mondo« okazis literatura vespero, en kiu partoprenis niaj eminentaj Kalocsay, Baghy, Totsche k. a. Sed ial la publiko, kiu kutime facile flamiĝas por ĉio-ajn kaj io-ajn, ĉi-foje tre malmulte entuziasmiĝis. Ĉu pro tio, ke la akustiko estis tiom malbona, ke eĉ plej forta orelstreĉo ne helpis, aŭ eble pro tio, ke la prezentataj poemoj, plejparte altspecaj gemoj de nia poezio, estis malfacile digesteblaj. Tiu ĉi dua supozo estus vere malagrabla atesto

## Prologo

**antaŭ la Literatura Vespero de L. M.**

— F. Szilágyi —

Paroli inde pri duon-centjaro
La versoj estas nur malforta pep'.
Sed aŭdu, ŝajnas, ke kun brila klaro
Sonas fanfaro
Ĉe l' simpla vort': *mil okcent okdek sep.*

»Ho mia kor', ne batu maltrankvile!« —
Eksonis tiam duba-fida kant'.
Ekiris semojn ŝuti vent-flugile,
Rikolt-sopire,
Doktoro Esperanto, la Semant'.

Kaj malgraŭ ĉiu baro, ĉiu moko,
Subitaj ventoj kaj ardanta sek',
La noblaj semoj jam en ĉiu loko,
Eĉ sur la roko
Ekĝermis, kiam pasis jaroj dek.

Inter laboroj, planoj, festoj, fido:
Nubiĝis la ĉiel' pro tenta pek':
Prirabi la patrinon kun perfido
Malbona Ido
Ekiris, kiam pasis la dudek'.

Milit' la mondon vundis kaj perfortis,
Homvoĉo dronis en kanona blek',
Sciigon nigran telegram' alportis:
»La Majstro mortis!«
Ĉe plor' funebra pasis la tridek'.

Sur sanga maro pala sun' ekbrilis,
Post nokto venis la matena vek'.
Labor' tumultis kaj esper' jubilis,
Poemoj trilis:
En entuziasmo pasis la kvardek'.

Kaj nun, ĉu nin minacas ree glavo,
Ekstermos ĉion ĝia sanga strek'?
Aŭ super la osceda tombo-kavo
Per nia pravo
Ni venkos ĉe la turno de l' kvindek'?

Jes ja! ĉar devas fine venki saĝo,
Brili racio ĉe la homa gent'!
Ne glutos nin abismo de sovaĝo,
Do kun kuraĝo
Ni marŝu plu al la triumfa cent'!

pri la poezia gusto de la verda popolo. Ni do preferu kulpigu la vere teruran akustikon de la granda salono en la kongresejo...

Krom la 200-persona pilgrimo al Bjelostoko, la naskiĝurbo de Zamenhof, okazis nenia organizita ekskurso, eĉ ne kondukado tra Varsovio. Kaj imagu, gesinjoroj, ankaŭ komuna fotografado ne okazis! Do malgrandaj grupoj je propra risko vagadis tra la urbo kaj laŭvole fotografiĝadis.

Kaj, efektive, la Jubilea preskaŭ faris la impreson, ke ĝi estas labora kongreso, (la kongresa publiko amase svarmis konstante en la kongresejo), se unu karakteriza detalo ne estus disblovinta neniige la tutan iluzion pri la »laboremo« de l' kongreso: kiom ajn miriga tio povas ŝajni, fakto estas, ke laborkunsidoj tute ne okazis, malgraŭ ke en la kongreslibro ili estis anoncitaj. Elmontriĝis, ke tiujn anoncitajn en la kongreslibro laborkunsidojn alrabis, simple, IEL (dum la UEA-anoj, samtempe, kunsidis en alia ĉambro). Mi volus modeste demandi al IEL: kiu donis al ĝi la rajton el kongreskunsido, kiu estas destinita por *ĉiuj* kongresanoj, aranĝi sian propran kunvenon? Kial IEL ne kunvokis sian apartan propran kunvenon, same kiel UEA kaj aliaj organizaĵoj?

### V. La kongresa atmosfero

La cinike senhontaj atakoj de la ŝovinista gazetaro, kiu kun »huligana« impertinenteco kaj besta malamo ĵetis sin sur la kongreson, kiel sur grasan manĝopecon, kreis en kaj ĉirkaŭ la kongreso preman, inkuban atmosferon. La hienoj de malamo imputis al la kongreso aferojn tiom terurajn, sputis antaŭ kaj dum la kongreso tiom da veneno, insinuante pri la esperantistaro kaj ties movado plej cinikajn 'famojn, ke la kongresanaro, almenaŭ granda ĝia parto sentis sin kvazaŭ terorita. Bedaŭrinde, eĉ inter la esperantistoj mem, en la kongreso, troviĝis kelkaj individuoj kun tiuj zoologiaj inklinoj, kaj ili — konscie aŭ ne konscie — kunhelpis miksi la venenon, kiun malavare regalis la huliganaj gazetoj. Mi scias, pluraj membroj de LKK certe koleros min pro tio, ke mi eltrenas al la taga lumo tiujn ĉi nepre malagrablajn detalojn. Sed silenti pri tio signifus kapitulaci antaŭ la epidemio mordanta nian tempon, kaj ĉesigi la batalon kontraŭ tiuj ŝarkoj. Oni diru, kion oni volas — mi havas mian firman neskueblan opinion pri la spirito de la esperantismo, kiu estas en sia esenco movado de vaste komprenota liberaleco kaj demokrateco.

Estus sensence silenti pri aferoj, kiuj ne sole meritas nian kondamnon, sed postulas la komunan streĉon de ĉiuj fortoj fare de tiuj grupoj kaj anaroj, kiuj sentas en si ankoraŭ la homan dignon, konscias la danĝerojn, kiuj minacas la homaran kulturon flanke de la vandalismo, furiozanta nun tra la mondo kaj minacanta detrui tion, kion la plej noblaj filoj de la homaro konstruadis pene dum jarcentoj. Kaj ĝuste ankaŭ kiel nuraj esperantistoj ni devas proklami nian batalon kontraŭ la hidro de tiu nigra mallumo kaj besta malamo. Niaj spertoj jam sufiĉe klare instruis nin, kiom multe tiu pesto minacas rekte nian movadon. Finfine, ankaŭ nia movado posedas, devas posedi sian honoron, sian dignon. La Jubilea kongreso ne havis la kuraĝon diri, kion ĝi pensas pri la sennombraj venenmiksantoj, volantaj la mondon dronigi en maro da sango, kaj ĝi rifuzis la rezolucion de pluraj esperantistaj kulturhomoj, en kiu estis esprimita la plej energia protesto kontraŭ tiuj demonaj fortoj, kiuj en certaj landoj penas mortbati la Esperanto-movadon. Ĉu ni efektive devas kun rezigno engluti plej fiajn atakojn, mensogojn kaj blufojn, kiujn niaj malamikoj senhonte disvastigas? Ĉu ni do ne kuraĝas defendi nian propran dignon? Ni scias, kion iuj »praktikuloj« volas diri al ni: »ni devas esti singardaj, ni devas esti ruzaj diplomatoj, por ne ofendi iun ajn«. Sed tio estas erera! Niajn malamikojn — vi konas ilin tre bone — ni ne mildigos per nia humileco. Inter ni kaj ili kuŝas abismo nepasebla: ni estas ja tio, kion ili pleje malamas — kultura, demokrata, pacifista movado! Se ni ne defendos nin kontraŭ ili, ili disfrakasos nin, kiel tio jam en kelkaj landoj okazis!

La esperantismo ne povas plu resti »periferia« movado. kiel nomis ĝin la menciita ĵurnalisto. Laŭ sia enhavo kaj spirito la esperantismo estas intime ligita kun la nobla, demokrata parto de la baraktanta homaro. Kiu tion ne konfesas, tiu rekte malutilas al la esperantismo.

Devas fine ĉesi la hipokrita kaŝado de niaj idealoj. Per tio ni ne nur ne pligrandigos nian anaron, sed — kontraŭe — dekonigos niajn vicojn, kiuj sen tio ne estas tro fortaj. Nun, en la jubilea jaro, estas necese admoni la esperantistaron: aktiviĝu! Alie minacas al ĝi ŝrumpiĝo kaj agonio neevitebla.

Batali por Esperanto, signifas: batali por la demokratio, ĉar nur kaj sole la demokratio garantias al la Esperanto-movado daŭran ekzistadon kaj finan venkon!

La sola reago de la Jubilea kongreso kontraŭ la banditaj artikoloj antiesperantaj en la naciistaj gazetoj estis la menciita jam rezolucio kontraŭ ties aŭtoroj. Kaj cetere tiu ĉi rezolucio estis tre milde, ni povus diri: tre timeme, redaktita (ĉu eble ankaŭ tio nomiĝas ruza diplomatio?). Kontraŭ la antiesperantaj leĝoj ordonitaj en iuj landoj, kontraŭ la persekutado al esperantistoj pro tio, ke ili estas nur esperantistoj, por defendi siajn homojn, siajn pionirojn, *siajn esperantistojn,* la Jubilea kongreso ne diris eĉ unu vorton...

Karakteriza signo de l' tempo.

La kongreson de l' blindaj esperantistoj — dum ties solena malfermo — »salutis« iu sinjoro en la nomo de blindula organizaĵo Varsovia. El liaj mallumaj vortoj estis facile konkludi, ke li estas fidela leganto de la supre menciitaj »noblaj« gazetoj. En sia »saluti-

---

### Rimportreto

— K. Kalocsay —

*Leo Belmont* — liuto sprita,
Vibranta de »Ritmoj kaj Rimoj«,
Sonanta plu el malproksimoj
De temp' heroa, preskaŭ mita,

Per kordo brile agordita
Por ŝercaj basoj, perlaj primoj.
*Leo Belmont* — liuto sprita,
Vibranta de »Ritmoj kaj Rimoj«.

Ne veterano emerita
Kun cerbo, kiun kovras ŝimoj:
Fandiĝas en li la aĝ-limoj:
Maljun' spert-riĉa, juno spita!

*Leo Belmont* — liuto sprita.

# Kometo de Halley

**— Leo Belmont —**

Astronomo leviĝis pala de la tablo, sur kiu kuŝis en terura malordo multaj paperfolioj, surskribitaj per vicoj da ciferoj, algebraj formuloj, matematikaj kalkuloj, logaritmoj...

Tra la malpuraj vitroj enpenetris la griza antaŭtagiĝo... La petrollampo estingiĝadis, ĵetante konvulsiajn brilojn. La astronomo ŝanceliĝis sur la piedoj. La longaj haroj gluiĝis pro ŝvito sur lian frunton. La larĝiĝintaj pupiloj rigardis freneze tra fumnebulo de cigaredoj, kies brulrestaĵoj kuŝis sur la paperoj, sur la logaritma libro, sur la teleretoj, sur la malpura planko...

Li laboris senĉese, preskaŭ ne manĝante, trinketante nur teon — dum tridek ses horoj...

Nun liaj lipoj tremis, flustrante kun teruro, seninterrompe, tiujn ĉi kelkajn frazojn:

— Do, fino... Estas nenia dubo... Fino!... Neeble, ke mi faris eraron.

Kruela penso mordis lian cerbon. Jen, bazante sin sur siaj kalkuloj, li konkludis, ke la kometo de Halley la 18-an de majo, pli ĝuste dumnokte de la 18-a al la 19-a de majo tuŝos, kurante sur la planeda vojo, nian globon ne per la etera vosto, sed per sia malmola kerno... La mondfino ŝajnis neevitebla... Li estis certa, ke la aliaj astronomoj eraris, prikalkulinte alie tiun ĉi renkonton. Li kontrolis la kalkulojn dekfoje, dudekfoje — ĉiam estis la samo... Li serĉis la eraron en siaj ekvacioj, multiplikadoj, logaritmoj — ĝi estis netrovebla...

En tiu ĉi momento sur la tuta tero nur li sciis pri la neevitebla pereigo, minacanta al la tero...

Estis momento, kiam li volis kuri en la urbon kaj laŭte krii:

— Homoj, ni estas perditaj, ne estas savo... Tiu ĉi tero kaj kune kun ĝi tiu ĉi bela riĉenhava vivo, revanta pri idealo de feliĉo — pereos por eterne!... Fino de ĉiuj celoj de la homaro estas la morto!...

Sed li kompatis la homaron, sciantan pri nenio, — li nur sola rigardis en la okulojn de la pereigo...

Li havis kapturnon... Eble jam la centan fojon li demandis sin mem, ĉu la cerbo, trolacigita de laboro, ne faris ian eraron... Sed li sentis, ke li ne kapablas kontroli denove la matematikajn kalkulojn... La ciferoj dancis en lia flamanta cerbo... la pensoj ŝiriĝis... la palpebroj malsuprenfaladis...

Ŝanceliĝante, li alproksimiĝis al la lito — kaj falis sur ĝin. Lacigita li tuj ekdormis...

Kaj jen sonĝas la astronomo, ke li staras antaŭ la trono de la Eternulo, — li vidas la Sinjoron de la ĉielo kaj tero en brilradioj, ĉirkaŭata de anĝelhoroj — kaj li mem ne timas, ne tremas...

Lian animon plenigas malĝojo, la sama, kiu iam plenigis la animon de Abrahamo, peteganta kompaton por Sodomo kaj Gomoro...

---

parolo« li diris interalie, ke Esperanto estas por li kaj lia nacio tute fremda afero. (Kun kia aroganteco tiuspecaj sinjoroj parolas en la nomo de la tuta nacio!) Feliĉe, la opinio de la pola nacio pri la esperantismo manifestiĝis en tute alia lumo: la Prezidento de la Pola Respubliko, rekonante la gravajn meritojn de nia blinda amiko s-ro Thillander, decidis dekori lin per la granda ordeno Polonia Restituta.

### VI. Ĉe la tombo de l' Majstro

Sed la kongreso travivis unu aferon, tiom potencan kaj majestan, tian inspiran kaj kortuŝan, ke eĉ por sole ĝin partopreni valoris veni Varsovion. Ĝi estis la funebra soleno ĉe la tombo de l' Majstro, kiu okazis lunde, la 9-an de aŭgusto. Estis belega, sunplena tago. La suno disverŝis fascinan brilon kaj bakantan varmon. Ĉirkaŭ 1500 homoj, alpilgrimintaj el tridek kelkaj landoj, defilis antaŭ la tombo de Tiu, kiu enspiris enhavon en ilian vivon kaj larĝe malfermis iliajn horizontojn. Estis momentoj de neforgesebla emocio, kiam preter la tombo, gardanta la terajn restaĵojn de la Majstro, en pia silento kaj koncentriĝo marŝis la fidelaj taĉmentoj. Ĉi tie regis nun religia kontemplo, for estis la demonoj de malamo. Senvorte defilis la disĉiploj, ĵetante florojn sur la tombon, glutante larmojn de unika kortuŝo. Nur kelkaj kapablis eligi vortojn el siaj gorĝoj. Reprezentanto de ĉeĥoslovakiaj germanoj eldiris la multsignifajn vortojn: »Majstro, germanoj staras antaŭ vi« ... Sed la pia silento de la amaso estis tiom pli elokventa. Pri kio pensis tiu amaso nun, kiam ĝi donis sian omaĝon al sia granda Majstro. Ĉu tiuj homoj konsciis pri la idealoj, kiujn Li heredigis al ili? Ĉu ili konsciis pri la ĝojo kiun Li verŝis en iliajn animojn? Ĉu ili konsciis pri la granda tasko kiun Li metis sur ilin? Pri la tasko kiu estas des pli malfacila, ju pli multiĝas la pioniroj?

Kiam ni eliris el la tombejo kaj ekvidis la vivon pulsantan en ĝia normala bruo, ni miris konsternite: kiel do tio estas ebla? Ĉu ne la tuta mondo defilis kun ni antaŭ la tombo de l' Majstro? Ĉu estas eble, ke la mondo eĉ ne scias pri la grandioza unika okazajo, eterniĝinta ĵus antaŭ kelkaj momentoj ĉe la tombo de unu el ĝiaj plej grandaj homoj?

Ho, Majstro kara, ho Majstro neforgesebla! Botegoj de kruelaj vandaloj tretas nun tra la tuta mondo senkompate Viajn idealojn, kaj minacas trempi la homaron en marĉon de nigra mallumo. Sed ne eterne tio daŭros, kiel Vi mem diris. La homaro disŝiriĝas en reciproka malamo, sed ne ĉiuj, feliĉe, partoprenas tiun sovaĝan, inkuban ludon. Venos tempo, kiam Viaj idealoj fariĝos parto de la tuta mondo. Vi instruis nin esperi kaj probatali tion. Kaj kvankam ni scias, ke ni mem ne ĝisvivos tiun tempon, ni ne ĉesas esperi, ne ĉesas batali. Ĉar ni estas feliĉaj sekvi Viajn instruojn por la bono de la generacioj, kiuj venos post ni.

*Rimarko.* Ni absolute konsentas kun amiko Verda, ke la kongresejo estis ideale bona, sed — ne por la vesperoj. Nia Literatura Vespero tute simple fiaskis pro tio. Ni preparis aranĝon de Vespero interesa, varia, facile komprenebla kaj amuza. Sed por tio ni bezonis efektivan scenejon kaj lokon sur la scenejo por lastaj provoj. Malgraŭ, ke nia trupo alvenis kvar tagojn antaŭ la Vespero, estis tute neeble fari eĉ unu provon sursceneja̧n, ni ricevis nek regulan scenejon, nek la necesajn helpilojn, malgraŭ la vera afableco de la LKK-anoj. Ties konsekvenco estis, ke ni ne povis prezenti la lernitajn kaj ni devis duonan horon antaŭ la komenco de la vespero tute simple *improvizi* la du trionojn de la programo. Kaj poste, almenaŭ du trionojn oferi al la Moloĥa faŭko de la surda akustiko.

Ne! Lia malĝojo estas milfoje pli granda, kaj kun ĝi estas ligita indigno, kiun ne konis la patriarko.

Potencvoĉe parolis la astronomo pri la maljustaĵo okazonta al la tero:

— Sinjoro! Kie estas Via justeco... Vi kreis tiun ĉi vivon riĉa kaj fruktodona por ĝin poste pereigi?!... Ni estis nur ludilo en Via mano... Amuzas Vin niaj turmentoj, nia sopiro al idealo... Ho, Sinjoro, ĉu Vi tute ne bedaŭras tiun ĉi belan teran naturon, mirindaĵojn de maroj kaj montoj, de arbaroj kaj kampoj, la mirindajn milionajn estaĵojn, la mirindan strukturon de homaj vivo kaj menso kaj iliajn perfektajn kreaĵojn — la sciencon kaj arton?!... *Kiarajte* Vi volas ĉi tion detrui, Sinjoro? Ĉu Vi tion ne bedaŭras? Kaj oni diras, ke Vi estas la Plejjusta kaj Plejkompatema!...

Longe kaj pacience aŭskultas lin la Sinjoro kaj fine Li diras:

— Homo! Hieraŭ, irante en la ĉambro, vi dispremis vermon... Ĉu ne vere?...

— La oniskon? Mi dispremis.

— Ĉu intence?...

— Jes...

— Vi ĝin tute ne bedaŭris?

— Ho, Sinjoro, Vi donas al mi strangan demandon... Kiel do mi bedaŭru la oniskon?



Aladár Farkas *Fratineto*

Antaŭ la okuloj de la astronomo tute neatendite aperas ekrano, kaj sur ĝi videbla estas onisko, ege pligrandigita, — ĝiaj piedetoj, buŝeto, internaĵo, intestoj, nervoj...

La astronomo rigardas kaj demandas:

— Kiacele Vi tion montras al mi, Sinjoro?

— Ĉu vi vidas, kiel mirinde estas kreita la onisko... Ĉu mirinde?

— Mirinde! — respondis konvinkite la astronomo, fiksrigardante la bildojn sur la ekrano...

— Kaj tiun ĉi mirindaĵon de l' vivo vi senkompate detruis...

— Sinjoro! — balbutas la astronomo — estas tiom multe el tiuj vermaĉoj...

— Ah, tiom multe! — ekridetas la Sinjoro... — Rigardu malsupren, tra la nuboj...

— Mi jam rigardas...

— Kion vi vidas tie?

— Ian brilantan punkteton... ion, kio fluas en la etero, kiel amebo en maro...

— Ĉu vi bedaŭras amebon, kiu mortas?

La astronomo ekridetas...

— Restos ankoraŭ ĉiam multe da ili — li respondas.

— Kian daton ni havas hodiaŭ? — demandas la Sinjoro...

— Kiam mi faris miajn matematikajn kalkulojn, estis la 17-a de majo... kaj tio estis...

— Hieraŭ... Do hodiaŭ estas la 18-a. Rigardu malsupren, la punkteton... Ĉu vi vidas? Ia ombro alproksimiĝas... Plilongiĝas...

— Mi vidas ĝin, Sinjoro... La punkteto jam malaperis... Ĝi jam ne ekzistas... Ĝi neniiĝis...

— Rigardu dekstren... Kion vi vidas?

— Miliardojn de tiaj samaj punktetoj...

— Ĉu vi ne bedaŭras tiun »amebon«, kiu neniiĝis antaŭ viaj okuloj...

— Ho, tute ne!... Estas da ili ankoraŭ tiom multe, Sinjoro!...

Kaj tiam la Ĉielreganto potencvoĉe diris:

— Astronomo, vi vidis la mondfinon!... Kaj vi tute ĝin ne bedaŭris!...

— Kiel do, Sinjoro? Tie pereis la tero?!... Tiel silente? Tiel nerimarkeble?...

— La ombro de mia piedo dispremis la vermeton... Multe da tia vermaĉaro naskiĝis en la ĉiela regno... De tempo al tempo mi purigas la ĉielon... Unuj mondoj pereas, por doni lokon al la aliaj... Kaj tiel venis la fino de la mondo... Ĉu vi komprenis?...

— Leviĝu, majstro!...

Iu kliniĝas super la astronomon kaj delikate tuŝas lian brakon...

La astronomo mirigite trafrotas la okulojn...

Antaŭ li staras lia amata disĉiplo...

— Minimume dudek kvar horojn vi dormis, majstro!... Mi sidas ĉe Vi kaj atendas, ĝis kiam vi vekiĝos... Sed plu mi jam ne povas atendi... Mi kontrolis viajn kalkulojn — kaj mi trovis eraron en la multiplikado, eraron, kiun vi ripetis multfoje... Vi starigis komon en ne ĝusta loko...

# La Soldato

— Boleslaw Cesmian —

Printempe, de milito, revenis soldato,
Kaduka, kurbokrura, inda je kompato.

Kuglo tiel la brakojn, piedojn traŝovis,
Ke nur per eksaltetoj li iri jam povis.

Li iĝis gajigulo, igis al humoro
Kaj la homojn ridigis per sia doloro.

Li ridigis la plendojn per dancoj kompataj
Kaj obstinan suferon per paŝoj saltataj.

Penaliris kabanon: — »For, for, sen valoro
Estas por la stultulo enkampa laboro«!

Kuris al preĝejsonoristo, al sia baptano,
Sed tiu lin forpelis kun baston' en mano.

Li do al amatino trotete rapidis
Sed tiu, per la brakoj, tutkorpe ekridis!

— »Kun tia tremetulo en lit' kun sindonoj?
Da korpo nur la unu, da salt' — tri kvaronoj!

Sekvi vin ne intencas mi en danco tia,
Nek per lipoj ekdormi sur lipharo via!

Saltoj viaj ne por mi, ĉielen ĝin sendu,
Iru do ie ajn, ne kriu, ne plendu«!

Iris li al figuro staranta ĉe-voje:
— »Kristo, tuta pinligna, ekpensu malĝoje!

Ies mano ĉarpentis vian fi-modelon —
Kaj ĝi certe avaris la lignon kaj belon.

Kriplaj viaj piedoj kaj kriplaj genuoj,
Do vi certe ne iras nur saltas en skuoj?

Aspektas vi kaduke, tia mizerulo
Do vi estos tre taŭga por mi salt-kunulo.«

Kristo tion aŭdinte, ŝoviĝis sur teron,
Ho, tiu ĉarpentisto valorus karceron!

Ambaŭ dekstraj piedoj, du maldekstraj brakoj
Ho, ne skulptis ĉi Kriston iaj lertaj hakoj.

»Mi — pinajo mizera sed marŝulo sperta,
Mi trairos eternon, kvankam mi — mallerta.

Ni do iru en paro kun frat-simpatio
Estos iom da homo kaj iom da Dio.

Ni dividu suferon inter nin, kompano,
Ĉar nin sama, la homa kripligis la mano.

Ridigeco do nia nin kune ornamos, —
Se unua ekridos — unua ekamos.

Vi apogos min korpe, mi vin per la pino,
Kio devos okazi, — okazu en fino!«

Kaj la mano ĉe l' mano, ili tuj foriris
Kaj pied' ĉe l' piedo ridinde sin tiris.

Ili iris eterne, da horoj dum tiom,
Ke horloĝoj ne povis elkalkuli, kiom.

Pasantaj estis tempoj, noktoj kaj la tagoj,
Pasantaj estis ankaŭ senkampoj, senlagoj.

Komenciĝis ventego, mallumoj sen luno
Kaj terura malesto de ia ajn suno.

Kiu, ie en nokto, dum tempest' leviĝas, —
Tiel multe homiĝas kaj tiel diiĝas?

Jen lamiras en mondon du diaj kripluloj,
En mondon ne kutiman, kortuŝaj stranguloj.

Unu iras tre ĝoje, dua tre humore
Kaj ambaŭ reciproke amas sin tutkore.

Lamis hom', lamis dio — ili ambaŭ lamis
Sed kiu povas scii, kio en kor' flamis?

Ili saltis laŭ celo aŭ ne vidis celon
Kaj fine ili ambaŭ alsaltis ĉielon!

El la pola: *Stanislaw Karolczyk.*

---

— Neeble — ekkriis la astronomo.

— Tamen tio okazis... kaj tiu ĉi eraro donis rezulte post multaj multiplikadoj kaj potencumadoj diferencon, kiu esprimiĝas en miliardoj...

— Ne povas esti!...

— Sed tute certe!... Guste tion mi vo'is diri al vi kaj pli longe mi ne povis atendi... Vi dormas, majstro, dudek kvar horojn!...

— Do ni hodiaŭ havas...

— La 19-an de majo, majstro...

— Kaj la tero... ne pereis?

— Ĝi fartas bonege, majstro...

La astronomo leviĝis silente. Silente li aliris la fenestron kaj rigardis tra la malpuraj vitroj la grizan tagiĝon... Subite li turnis sin al sia disĉiplo kaj diris obtuzvoĉe:

— La tero estas vermeto... Kaj se Tiu volus piedpremi tiun ĉi vermeton, kaj se la neniigo de la pereiga verdikto dependus nur de unu mia preĝa vorto antaŭ la altaro, mi... ne irus Lin peti... Mi ne i-rus!...

— Mi ne komprenas — respondis mirigite la disĉiplo. Kial?!

— Li mem scias, kion fari... Li, la justa Kreinto...

Kaj sur liaj lipoj aperis amara ekrido...

Ekde tiu sonĝo tiu ĉi ekrido por ĉiam restis sur la buŝo de la astronomo...

El la pola: *Halina Weinstein.*

# Du noveloj

— Janusz Korczak —

NOKTA RENKONTO

Mi renkontis lin malfrue vespere en senhoma strato. Li proksimiĝis al mi kaj demandis: »Kioma horo estas, bela sinjoro, sur via horloĝo?«

— Ne pri horo vi volas paroli, sed pri horloĝo ĉu ne vere? mi diris, evitante plian interparoladon.

Kompreneble, sinjoro. Oh! ruzulo vi estas, karulo mia.

— Nature, mi ne el unu forno manĝis panon.

»Nu, sufiĉas jam la parolado; donu la horloĝon kaj iru for.«

Mia hazarda konatulo havis imponan staturon, kiun eĉ la vespera duonlumo ne povis sufiĉe kaŝi, tial mi decidis esti afabla al li, des pli, ke lia voĉo fariĝis firma kaj el post ĝi eliĝis la unuaj briloj de malpacienco.

— Estimata kaj amata sinjoro, mi komencis.

Estimon kaŝu en poŝon, mi ĝin ne bezonas — li interrompis.

— Sed, permesu al mi diri — mi lin afable petis — mi volas, ke vi komprenu, ke mi ne havas horloĝon. Mi ne kaŝas, ke se eĉ mi estus posedanto de tiel multvalora ilo, kia estas horloĝo, mi ĝin lasus hejme kaj ne portus ĝin kun mi, irante en tiajn lokojn, kie ni havas nun la plezuron interparoli tiel agrable.

La belstatura persono eligis ion similan al murmuro. Mi profitis la momentan nedecidon de mia stranga konatulo kaj daŭrigis:

Por esti tute precizata, mi devas konfesi, ke en la dekstra poŝo mi havas dekgroŝan moneron, kies destino estas eniri en la manon de la domgardisto, kiam li malfermos al mi la pordegon. Mi opinias, ke vi ne volos perdigi al la malfacile laboranta homo la juste al li apartenantan honorarion, des pli, ke la ekposedo de tia malgranda sumo malaltigus vin en viaj propraj okuloj, ĝi farus malutilon al via nobla profesio, mi pensas...

— Vi opinias min ŝtelisto? ĉu ne.

Ho, sinjoro, mi interrompis ekscitita — ni ne nomu la aferojn tiel draste — nia lingvo estas sufiĉe fleksebla, por ke oni povu esprimi tion, kio, el tiaj aŭ aliaj kaŭzoj, povas esti incita. Mi vin opinias individuisto, iom nervozulo. Kaj mi estas preskaŭ certa pri tio, ĉu ne vere?

Jes, nature, sed ja ne ŝajna al vi, ke mi estas... ho! ho!

— Nu, kompreneble.

Ofte la cirkonstancoj aranĝas la vivon tiamaniere, ke oni mem pene orientiĝas en tiu labirinto — oni, kun superaj aspiroj, ĉiam riskas diversajn okazaĵojn.

— Nature, ke oni riskas, riskas... kiel vi vidas, mi penadis diversmaniere, sed mi havis malfortan sanon kaj estis sen konatuloj kaj sen mono. Kaj mono estas nur mono, sen ĝi oni ne povas ekzisti. Foje mi malsaniĝis — mi iris al kuracisto, li rekomendis iajn gutojn. Ili nenion helpis. Mi iris al alia — li rekomendis pulvorojn — ankaŭ ili ne taŭgis — tiam mi iris al la tria. Li estis tre bonkora homo kaj li diris al mi jenon: kara sinjoro — vi bezonas tian okupon, kiu donos al vi freŝan aeron kaj multe da movado. Nu, kion fari? En Italujon mi ne forveturos, ĉar mi ne havas monon, do mi elserĉis tian okupon, kiu ne malutilas mian sanon. Oh! sano estas trezoro, kiun oni deevas multe ŝati.

— Ho, nature — mi respondis — la sano estas kara al ĉiu (mi prenis lin amike subbrake kaj ni iris malrapidpaŝe). Mi ŝatas en vi ĝuste, ke vi tion komprenas. Sinjoro, freŝa aero kaj movado estas netakseblaj trezoroj.

Nu, jes ĉu vi scias, ke ne estas pli bona afero, ol kuŝi en malsanulejo. Se en niaj metiejoj estus tia aero kaj lumo, kiel tie, mi nun ne bezonus min kuraci.

Kaj li rapide forŝoviĝis de mi, penetreme min rigardis kaj demandis malkviete: Sed diru kion vi volas, tamen vi opinias min ŝtelisto.

— Ba! tiel estu, sed la nomo sole pruvos ankoraŭ nenion — en ĉiu metio ekzistas diversaj homoj: bonaj, pli bonaj, malbonaj, pli malbonaj.

Nu, jes, nature — konsentis mia nokta kamarado.

— Pro kio via metio estus pli malbona, ol la aliaj? Ĉi tie bezonaj estas peno, taŭgeco, sprito, lerteco, eĉ sufiĉa instruiteco kaj estas ankaŭ ia risko.

Ho, nature, ke estas risko...

— Kompreneble, mi diros al vi eĉ, ke la superreco de via metio estas en tio, ke nur personaj kvalitoj decidas pri sukceso, — ne rilatoj kaj protekto.

Ho, jes, vi pravas.

— Eble iu diros, ke via sukceso estas kunligita kun ies perdo. Kaj tion oni povus ne konsenti. Se mi ekzemple okupas en tramo la lastan liberan lokon por dudek groŝoj, mi samtempe, devigas la alvenonton stari sur la perono dum malvarmo — alivorte mi ŝtelas de li la liberan lokon. Se mi estas advokato kaj mi prenas sur min la gvidadon de ies afero, mi per tio priŝtelas alian advokaton, al kiu sin turnus mia kliento, se mi ne ekzistus. Se mi estas kuracisto, mi ŝtelas de miaj

## Al la muziko

— A. Beroĝn —

Muzik', vi sola viv-konsol',
Karesu min per via mol'!
Por ke ne pensu mi pri bat'
De l' sorto, nek pri la malsat',
Pro kiu mi de jar-dudek'
Suferas, sen antaŭa pek'.
Ĝin kaŭzas ne la mank' de manĝ',
Sed plie manko de la ŝanĝ'
Ĝis nun sur mia vivo-voj',
Sur kiu ehis hunda boj'
Anstataŭ kanto de hom-frat';
Anstataŭ helpo — pugno-bat'.

Muzik', vi dolĉa spic' de viv',
Por ĝoji estas vi motiv'.
Vi sonas kiel milda muĝ'
El sfero-land' — por mi rifuĝ'
El penoj de la ĉiu-tag',
Por kiuj nur vi estas pag'.
Se banas sin en vi l' anim',
Portata per flugil' de l' prim',
— Anĝela hor ĉirkaŭas min,
Feliĉo regas min sen fin'.

Se venos foje lasta hor',
Kaj ĉesos bati plu la kor',
— Ekdormu mi en via sin',
Muzik'! — eterna amatin'.

kolegoj malsanulojn kaj iliajn zlotojn — se mi estas ĵurnalisto, mi ŝtelas de aliaj kamaradoj iom da groŝoj, kiujn mi ricevis por miaj artikoloj. Kaj ĝuste pro tio la homoj laborantaj sur unu profitlabora kampo rigardas sin reciproke ŝtelistoj. Kion fari? — Oni ĉiam malhelpas unu la alian.

Nu, veron vi diras — kiam unu mia amiko aĉetis provizan butiketon, baldaŭ ankaŭ du aliaj aĉetis apude.

— Nu, vi vidas mem — mi ne parolas en tiu ĉi momento pri mi, sed kiom da homoj estas honestaj nur pro tio, ke ili timas.

Ho, nature, nature...

— Oni demandas lin ekzemple: Kion vi farus, se vi trovus en la strato mil zlotojn en akcioj? »Mi ilin tuj redonus« — li respondas senhezite. »Kaj se vi trovus kvin mil zlotojn en centzlotaj paperoj?« »Mi redonus, kompreneble«, li diras malgaje, dum li pensas: »ĉar eble la posedanto memoris la numerojn kaj faris rezervon en la ĵurnaloj.« »Sed se vi trovus dek mil zlotojn?« tiu honestulo certe respondos: »Kiacele paroli pri tio, kio neniam okazos?«

Tiamaniere interparolante, ni iris longan tempon, — malproksime jam vidiĝis urba lanterno.

Mia kamarado estis tiel okupita pri la interparolado, ke li ŝajnis ne rimarki, ke mi havas sur mi sufiĉe belan mantelon kaj nedifektitajn botojn.

— Mi diros al vi eĉ pli — mi daŭrigis — la ŝtelistoj sendiskute faras al la homoj iom da malagrablaĵoj, kvankam pro perdo de horloĝo neniu mortis ankoraŭ, kaj sole en esceptaj kazoj la perdo de monujo kaŭzas nekompenseblan truon en la budĝeto de familio. Tamen ili kaŭzas ankaŭ grandan profiton kaj donas multvalorajn servojn.

»Kompreneble — konfirmis mia kamarado. Nu, diru frato, kian profiton oni havas de ni?«

— Vi instruas la homojn esti atentemaj kaj bone gardi sian havaĵon. Se vi malestus, oni iradus en la stratoj enprofundiĝinta en pensoj kaj riskus esti surveturita aŭ piedpremita — oni lasus sian loĝejon malfermita, kio povus malbone influi la moralecon de la virinoj. Fine, la tuta ŝlosistindustrio, grandaj kasejfabrikoj, seruroj, tute ne ekzistus.

En la sama momento ni haltis en la distanco de dek kelk paŝoj de polica posteno.

»Nu, sinjoro,« mi lin alparolis, »ĉu vi forkondukos min plu?

— Nature, ke ne.

Li ekrigardis kun bedaŭro mian mantelon, suspekteme ekmezuris la amplekson de miaj poŝoj kaj diris duone malgaje, duone mire.

— Eh! cigano vi estas, frataĉo — kaj malaperis en la ombro de senhoma stratanguleto. Kaj al mi fariĝis komprenebla la afero, ke eĉ fripono el sub la plej malhela stelo deziras esti senkulpigita pri siaj plej friponaĵoj, kaj lin ĉiam senkulpigos la penso, ke en la vasta mondo ekzistas friponoj el sub ankoraŭ pli malhelaj steloj, ke fine li estas preta eĉ ne eltiri al vi horloĝon, se vi nur povas lin kredigi, ke vi ne rimarkas liajn friponaĵojn, aŭ vi ilin senkulpigas.

## LITKOVRILETO DE PUPO

— Avinjo, al pupeto estas malvarme en liteto, ne estas *litkovrileto* — babilas la trijara Jadvinjo.

— Nu, do avinjo faros al la pupeto litkovrileton. Bone?

— Avinjo *faros litkovrileton?* — demandas Jadvinjo per infana, duondemanda kaj duonpetanta voĉo.

— Kaj kiam avinjo *faros la litkovrileton?*

— Avinjo tuj faros.

— Tuj?

Kaj la avinjo ekstaras el brakseĝo, trotetas sur siaj dolorigaj piedoj al ŝranko kaj serĉas konvenan pecon da ŝtofo. Ĉiu avinjo havas en sia ŝranko tiom multe da tiaj ŝtofpecoj.

— Ho, mi trovis, tio estos bona.

La avinjo eligas el la ŝranko manikon — de sia edziĝfesta robo.

Jes, la edziĝfesta robo!

Ŝi prenas kudrilon kun fadeno, tondilon, metas ilin sur la tableton, eksidas en la brakseĝo kaj komencas malkudri la manikon.

La edziĝfesta robo! Ĝin ŝi portis, kiam ŝi estis ĵuranta amon kaj obeemon al sia edzo. Tiu ĉi maniko ripozis sur lia brako, kiam ŝi dancis kun li dum la edziĝa festeno. Ŝia koro batis tiam forte, pro amo kaj espero. Ho, kiel ŝi dancis, kiel ŝi dancis! La edziĝfesta robo! Kiam ŝi almezuris ĝin la unuan fojon, la kudristino, bona virino, diris: »Ho, vi estos feliĉa: estas nenio por korekti.«

Ŝi ne estis feliĉa, ĉar la amata edzo mortis, lasante ŝin kun kvar infanoj. Ŝi restis fidela al li ĝis lia morto kaj post la morto. Ŝi komencis labori. La infanoj kreskis, lernis — kaj ŝi laboris, laboris, laboris.

Ŝia laboro estis tre malfacila, sed nobla kaj sufiĉe



Aladár Farkas *Militviktimo (bruste)*

bone pagata: ŝi restis akuŝistino. Ho, dum kiom multe da noktoj ŝi ne dormis, kiomfoje, reveninte hejmen post kelktaga foresto, ŝi faladis morte laca sur la brakseĝon kaj flustris mallaŭte:

— Ne, tio estas super miaj fortoj.

Sed la infanoj proksimiĝadis al ŝi, rakontis pri siaj aferoj, alpremis sin al ŝi, karesis ŝin — kaj tiam ŝi ripetadis decidvoĉe:

— Mi devas.

Kiom da malagrablaĵoj, kiom da suferoj ŝi travivis. Kiom da novnaskitoj ŝi salutis larmokule sur tiu ĉi mondo de malĝojo kaj laboro.

La infanoj kreskis, la elspezoj duobliĝis, triobliĝis kaj ŝi gardostaris ĉe sia familio kaj tute senplende oferis al ĝi siajn junecon, forton, sanon, ĉion por la infanoj, nenion por si mem.

Unu filon ŝi sendis al Parizo, ĉar li estis muzikkapabla, la alia mem forveturis en la vastan mondon kaj restis tie trans la maro, malproksime, katenita al fremda tero kaj ĉiam sopiranta kaj dolorplena.

Je rememoro pri tiu ĉi filo, larmoj aperis en ŝiaj okuloj, malsekigis la okulvitrojn, kaj la kudrilo, per kiu ŝi kudris la litkovrilon por la pupo, haltis por momento.

— Jam? — demandas Jadvinjo.

— Ne, Jadvinjo, ankoraŭ ne.



Aladár Farkas *Militviktimo (dorse)*

Kaj la avinjo denove komencis kudri la litkovrilon el sia edziĝfesta robo kaj denove ekfluis rememoroj de l' pasinteco.

La filo revenis el Parizo: oni opiniis, ke li ne estas tre muziktalenta. Restis tamen al li bonega kono de multaj fremdaj lingvoj, dank' al kio li, hodiaŭ edziniĝinta, povas akiri la ĉiutagan panon, spicitan ofte per maldolĉaĵoj. Li loĝas en malgranda provinca urbo, kie estas nek teatro, nek koncertoj, nek homoj, kun kiuj li povus paroli pri la aferoj, tiel interesaj por li, pri la muziko, kiun li tiel amas.

La du filinoj estas edziniĝintaj. Kun unu ŝi loĝas kune, la alia loĝas ĉe la sama strato. Hodiaŭ ŝi ĝojas pro la feliĉo de tiuj du infanoj, kiuj estas proksime al ŝi, kaj ŝia koro forte batas je la rememoro de la unua filo en provinco kaj de la alia... trans la maro.

Jen de longa tempo ne venis de li letero, jen Jaĉjo, malgranda nepo, estis malsana, jen Jadvinjo havis gorĝmalsanon, jen la alia nepo malbone lernas, jen tio, jen io alia.

Kaj denove demetis la avinjo la okulvitrojn, kaj denove la knabineto demandas:

— Jam?

— Ankoraŭ ne.

Kaj kudras la avinjo por la pupo litkovrileton el la maniko de sia edziĝfesta robo kaj estas al ŝi malĝoje, malĝoje.

Kiam ŝi tiel laboris, kiam ŝi perdadis la fortojn, ŝi sonĝis pri bela estonteco por siaj infanoj, pri granda feliĉo por ili — tio estis nura ŝia rekompenco por siaj penoj kaj vivbataloj.

Hodiaŭ ŝi estas malforta, lacigita de laboro, rigardas la fruktojn de siaj dumvivaj penadoj kaj demandas sin mem:

— Ĉu mi donis feliĉon al miaj infanoj?

Kaj la interna voĉo respondas:

— Mi donis al ili ĉion, kion mi nur povis, mi donis al la mondo pli multe, ol ĝi havis rajton postuli de mi. Mi donis al la mondo kvar pensantajn, profunde sentantajn animojn, mi donis al la genepoj prudentajn gepatrojn. Mi ne malfideliĝis al la ideo de la progreso, al la ideo de ĉiama nobligo de la homa spirito en vico de generacioj.

Kaj la avinjo kunmetis la manojn kvazaŭ al preĝo, kaj Jadvinjo demandis post momento:

— Avinjo *preĝas?*

— Jes, karulino, avinjo petas Dion pri feliĉo por homoj.

— Jes? — demandas la etulino, — kaj ĉu tiu ĉi *litkovrileto* jam *kudrita?*

— Jes, prenu ĝin kaj kovru vian pupeton...

La avinjo preĝas, kaj la nepino ĉirkaŭkovras sian pupeton per la litkovrilo, kudrita el la maniko de ŝia edziĝfesta robo.

El la pola: *Halina Weinstein.*

La temo estas prenita el la vivo. Temas pri la avinjo de Halina Weinstein, kiu estis tre feliĉa en geedziĝo, frue tamen vidviĝis, ne edziniĝis la duan fojon, dediĉinte sian tutan vivon al la orfiĝintaj infanoj. Unu el la filinoj estas Anna Weinstein, patrino, kaj Jadvinjo estas fratino de Halina Weinstein. De kelkaj generacioj la familio de Janusz Korczak (vera nomo: dr. Henriko Goldszmit) kaj la familio Ruff-Weinstein (la nomo de la avinjo estis Rozalja Ruff) vivas en amikeco.

*

Tiu ĉi rakonto estas nenie jam trovebla, eĉ ne en niaj bibliotekoj. *(Trad.)*

# NIKSO

— *Karel Jaromír Erben* —

*La Nikso* estas laŭ la popola kredo akvo-feo, monstro kun verdaj haroj, kiu logas kaj kaptas banantajn homojn kaj enfermas iliajn animojn sub potetojn. Sur la seka tero gutas akvo el liaj baskoj (»lia jak' sekan teron baptas«).

I.

Super lagon nokto venas,
sur la paplo Niks' postenas:
Lumu luna bril',
lumu al kudril'.

Mi ja kudras, kudras boton,
en la akvon, sekon, koton.
Lumu, luna bril',
lumu al kudril'.

Ĵaŭdon la vendred' postvenas —
novan jakon mi fadenas.
Lumu, luna bril',
lumu al kudril'.

Ruĝaj botoj, verda vesto
por morgaŭa edziĝfesto . . .
Lumu, luna bril',
lumu al kudril'.

II.

Knabinon frua suno vekis,
ŝi la ĉemizojn ligi ekis:
»Panjo, mi en la lago nur
la tolojn lavos el malpur'.«

»Ne iru,« panjo ekis tremi,
»hodiaŭ restu hejme ĉe mi.
Vi en danĝeron jetas vin,
al mi la sonĝ' profetas ĝin!«

Mi sonĝe vestis vin per brila
neĝblanka robo ŝaŭmsubtila,
ornamis vin per perla ŝnur' . . .
Ne iru el la hejm-sekur'.

La perloj larmojn antaŭdiras,
funebron blanka vest' altiras,
vendredo estas fata tag' . . .
Ne volu iri al la lag'.

Sin tamen hejmo jam bruligas,
al lago io ŝin instigas,
ŝi hejme ne eltenas ĝin,
al akvo io trenas ŝin.

Do estis tukojn ŝi lavonta . . .
jen sub ŝi krevis breto ponta
kaj post la ĉarma junulin'
laga profundo fermis sin.

De l' grundo rulis sin la ondoj,
disiĝis kiel vastaj rondoj,
— sur paplo vir' en verda frak'
ekplaŭdis per aplaŭda klak'.

III.

Tristaj estas regionoj
de la Nikso-feo,
kie fiŝo lude ĉasas
fiŝon sub nimfeo.

Ne ekvarmas suna lum',
vento ne ekblovas . . .
froste, mute . . . ke la kor'
malesperi povas.

Trista estas region'
sub la lagnivelo,
tagoj pasas en krepuska
daŭra duonhelo.

Riĉa estas Niksovir'
en palaco vasta,
sed envenas nur senvole
vizitanto gasta.

Kiu en kristalan pordon
de l' palac' eniras,
tiun lia familio
vane resopiras.

Sidas Nikso en la pord'
riparante reton
kaj edzino lia juna
vartas infaneton:

»Dormu, nevolita fil',
vi min alridemas,
sed la panjon malfeliĉan
la doloro premas.

Al patrino etajn brakojn
vi etendas, filo,
sed mi mem preferus kuŝi
en la tomb-argilo;

sub la kruco ĉe preĝej'
en la vic' tombara,
por ke povu min viziti
la patrino kara.

Baje baj, Niksido nia,
dormu — baje, baje . . .
Kiel mi ne rememoru
pri patrin' malgaje . . .

Si zorgumis, ĉu fianĉo
venos al mi svate,
kaj nun li min edzeprenis,
eĉ ne atendate.

Ja jes. Belan havis mi
edziĝfeston mian:
Kankroj kun la fiŝoj faris
aron procesian.

Kaj la edzo . . . ! Lia jak'
sekan teron baptas,
li en lago homanimojn
sub potetojn kaptas.

Baju baj, verdhara fil',
vin dormigas ja mi . . .
Via panjo edziniĝis,
sed ne povas ami.

Via patro trompis ŝin,
kaptis per insido,
kaj ŝi havas solan ĝojon
en vi — en la ido.«

»Fermu lipojn jam, edzino,
ĉesu min konstante
per la fia melodio
incitadi kante.

Ĉesu jam, mi min ne lasos
kolerigi per vi,
kaj mi kiel el aliaj
faros fiŝon el vi . . .«

»Ne bonvolu, Niksovir',
iĝi furioza,
kaj pardonu al mizera
velka floro roza.

Kiel disrompita arb'
devis morti for mi,
kaj ĝis nun eĉ unu ĝojon
vi ne faris por mi.

Mi centfoje vin persvadis
kun karesa peto:
Lasu min nur por momento
al la patrineto.

Mi centfoje petis vin
ne ĉesante larmi,
ke la panjo lastan fojon
adiaŭu al mi.

Mi centfoje petis vin,
rampis surgenue —
tamen via krusta koro
restis dura plue.

Vidu, ne koleru do,
edzo Niksoviro,
aŭ jam fine realiĝu
la minaca diro.

Sed se mi jam estu fiŝ',
ke mi restu mute,
mi prefere iĝu ŝtono,
morta absolute.

Mi prefere estu ŝton',
mi ne pensu, sentu,
ke la manko de la suno
min plu ne turmentu . . .«

»Ja jes, fidi al virin'
kaj trompiĝi pri ŝi:
Ĵetu fiŝon en la maron
kaj ĝin provu fiŝi . . .

Mi permesus, ke patrin'
vin akceptu al si,
sed mi spertis, kiel inoj
scias ruze falsi.

# La unua leĝo de la naturo

— Albert Richard Wetjen —

En la oriento, ĉirkaŭ la horizonto, oranĝkolora strio larĝe plivastiĝadis. Apenaŭ perceptebla ĝemeto ŝajnis trakuri la platan kaj senmovan maron. Strangaj sagoj karmezinaj kaj oraj flugadis super la oranĝkolora strio, miksiĝante en frenezan kolor-anarkion. Kaj post tio, abrupte, kvazaŭ regata per ŝnuro, la nokto postenruliĝis. La koloroj estis forviŝitaj. Blanka bulo de naĝanta fajro ekgrimpis el la akvo. La steloj malaperis. La mola purpuro de l' maro kaj ĉielo aliiĝis en senkompatan bluon. Varmega muro ĉirkaŭis la blank-pentritan ŝipo-boaton, kaj la bruetoj de mallumo forestis de l' konscio. La ega kaj peza silento de tropika tago premegis la timpanojn de l' oreloj.

»Nenio«, severe diris Furdock. »Nek velo nek fumo«.

Li staris en la antaŭparto de la boato, kaj malrapide kompletigis la esploron de l' horizonto. La aliaj kvin viroj enspiris kaj elspiris raŭksone. Furdock sin turnis kaj ekridis. Por montri trankvilon, li levis siajn brakojn kaj etendis ilin, fleksante la muskolojn kaj oscedante. Lia larĝa, timiga buŝo montriĝis tra la stoplo de nigra barbo, kaj sub la haroj de liaj brusto kaj brakoj montriĝis tatuaĵa labirinto. Virbova homo.

»Nenio«, ekraspis la kapitano. Li elkraĉis. Per la maldika mano li viŝis sian ŝvitokovritan frunton, kaj sulkigis la brovojn. Kvankam malvarmsange, tamen kun malpreciza antaŭtimo en siaj okuloj, la aliaj esploris liajn movojn. Marlowe, la pasaĝero, fine ekridis, gracie kaj cinike trakurigis sian fingron sur sia gorĝo kaj diris:

»Tio signifas, ke ni pereas, ĉu ne?«

La viroj agitiĝis. Ili estis videble skuitaj, kvazaŭ la vortoj, pro sia klareco, portus al ili la senkompatan bruaĉan malkaŝon. La vortoj ŝajnis plistreĉi iliajn gorĝojn kaj stomakojn. Nur ses viroj, postvivintoj de la granda liber-komerca barko. Kaj nenia signo restis de la barko mem. De nova rifo, kiun ia subtera erupto puŝis al la surfaco, ĝia fundo estis forŝirita. Tio okazis tuj post la meznokto, kaj la barko dronis en la daŭro de malpli ol dek minutoj. La plej multaj el la ŝipanaro estis kaptitaj en la holdo. Kelkaj dronis, dum ili naĝis.

Nur unu boato estis lanĉita — la kapitano kaj Furdock faris tion kune, ĉar ili estis la solaj sur la poŭpo. La aliajn kvar ili poste eltiris el la akvo; tri maristojn, tre laciĝintajn kaj histerie babilaĉantajn pro la neatenditaĵo, kaj la pasaĝeron, Marlowe, kiu facile naĝis kaj kiu, kiel ĉiam, kompleze cinikis. Ses viroj el dudek.

Dudek ridantaj kaj bonsanaj viroj je la krepusko. Ŝipo sendifekta kaj trankvile velveturanta al sia vojaĝfino. Flotrubo sur la akvaĵo en la nokto; kelkaj ekkrioj; iom da barakto, kaj jen ses viroj, solaj en fragmento de kupro kaj ligno. Tia estas la maro. Senkompata, nepartia, abrupta!

---

Bone, iru foje do
el la akva lando,
tamen devas vi konduti
strikte laŭ komando:

Ne brakumu iun ajn,
diras mi severe,
ĉar konfliktus nia amo
kun la am' surtere.

Eĉ patrinon ne brakumu
ĝis vespera horo,
kaj revenu al mi post la
anĝelus-sonoro.

Inter ambaŭ anĝelusoj
via tempo pasos;
sed ĉi tie garantie
vi la filon lasos.«

IV.

Kia estus sen sunrido
lasta postsomera tag'?
Kia estus la revido
sen sincera ĉirkaŭbrak'?
Do ne indigniĝas plu mi,
se volas patrin' brakumi
la filinon forestintan —
estas ĝi natura ag'!

Tagon plore sin konsolas
la Niksino kun patrin':
»Jam adiaŭ, panjo mia,
venas nokt'. Mi timas ĝin.«

»Mia kara, kredu firme,
ke mi vin protektos ŝirme
kontraŭ tiu laga monstro,
se li jam proksimas nin.«

Vesperhore Viro Niksa
jam promenas en ekster':
La virinojn riglo fiksa
ŝirmas hejme en kamer':
»Mia kara, lasu timon,
li ne nocos la animon.
La murdisto laga perdas
sian forton sur la ter'.«

Pordofrapo post sonoro
de vespera anĝelus':
»He, edzino, vesperhoro
por kuiri pasis jus.«
»Malaperu de l' kabano,
ci murdisto ĉarlatano,
manĝu, kion ci manĝadis,
nin ne trompos cia ruz'!«

Rean fojon dum noktmezo
skuas pordon forta bat'.
»He, edzino, venu hejmen,
sterni liton por dormad'.«
»Malaperu de l' kabano,
ci murdisto, ĉarlatano,
dormu kiel ci dormadis,
vana estas la persvad'.«

Trie iu frapas pordon,
kiam mateniĝas jam:
»He edzino, filo ploras
kaj soifas je la mam'.«
»Ho patrino, ho kompato,
lasu min al mia fato,
mi revenos al infano,
pelas min patrina am'.«

»Nikso logas al insido,
restu kaj ne iru for!
Eble premas *vin* pro ido,
sed *min* pro *vi* la angor'.
Monstro, for al akva sino,
hejme restos la filino.
Kaj alportu cian filon,
se cin ĝenas lia plor'!«

Lagon vipas uragano . . .
Ĉu vi aŭdas, ho patrin'?
En ĝi ploras la infano . . .
sed subite estas fin' . . . .
»Panjo kara, ido plendas,
lia ploro koron fendas —
Ho, mi timas Niksoviron,
Ho patrin', mi timas lin . . .«

Io falis . . . Sango trempas
sojlon sub la porda trab' . . .
La patrino timigite
tiras riglon el la klap'.
Ho terur' . . : Sur sanga tero
kuŝas duobla afero:
Knaba kapo — sen la korpo . . .
knaba korpo — sen la kap' . . .

El la ĉeha: *Dr. Pumpr.*

»Pereas?« elblekis la kapitano. »Kia parolo estas tio? Ĉiam estas ŝanco... Kunligu kvar el ĉi tiuj rimenoj kaj suprenigu ilin malantaŭe. Ni faligos la velon super ilin kaj tiel akiros iom da ombro.«

Li sidis en la posta boatparto, sekiĝinta viro kun ardanta animo kaj ledeca vizaĝo, gestadanta per maldikaj ostaj manoj kaj malestimanta cirkonstancojn. La pasaĝero levis siajn ŝultrojn, kaj irinte al la mezo de la boato, surgenuiĝis apud la sola akvokruĉego, ligita al la planko de boato.

Furdock, liganta remilon, leviĝis de sia tasko kaj absolut-tone demandis: »kion vi volas fari?«

Marlowe, kun iom da streĉo de sia korpo, malrapide suprenrigardis.

»Mi soifas,« li klarigis. »Damne soifa mi estas! Kaj mi devas havi trinkaĵon.«

»Prenu ĝin kaj mi rompos vian kapon,« ekkraĉis voĉo malantaŭ li, kaj duonturniĝante li vidis la kapitanon malligi la direktil-stangon kaj fikse lin rigardi per frostaj okuloj.

»Ni trinkas je la tagmezo,« aldonis Furdock malĝentile. »Tia estas la regulo. Tenu for vian vizaĝon de la ujo.«

Marlowe malrapide kaj trankvile ĉirkaŭrigardis la atentege observadantajn vizaĝojn. La manon, kiun li tenis sur la korko de la kruĉego, li seninkline formovis. Skuante siajn ŝultrojn, kvazaŭ la afero ne estus grava, li mallaŭte ekridis.

»Superestrita — mi vidas. Se batalo rezultus el tio, mi perdiĝus. ‚Postvivo de la plejtaŭgaj,' aŭ io simila.« Li sidiĝis kun la dorso kontraŭ la boatrando kaj ĉirkaŭpremis siajn genuojn, rigardon ĵetante de Furdock al la kolera ŝipestro. »Sed ankoraŭ mi insistas, ke mi soifas. Ĉu mi almenaŭ *ricevos* akvon, iam?«

»Vi ricevos,« ekkrakis la kapitano, realligante la direktilstangon. »Same kiel la aliaj. Vi estas pasaĝero, kaj ni ne atendas, ke vi multe sciu.« La alia ekgrimacis. »Vi povas esti damne bona art-pentristo, sed multe estas, kion vi ne scias pri la maro. Nia tuta akvo estas en tiu ĉi kruĉego, kaj ĝi *devas* sufiĉi. Po unu taso tage, je la tagmezo, por tiom longe, kiom ni povas elteni. Tia estas la regulo. Ni jam estis antaŭe en sav-boatoj — iuj el ni.«

Povis esti tiel. Ĉirkaŭ tri semajnojn pasigis Marlowe kun la kapitano kaj la aliaj, kaj li komprenis, ke ili estis kvazaŭ granda familio. Ili navigis kune jam de multaj jaroj, travivis multajn okazintaĵojn. Ili estis fidelaj, unu al alia. Li estis fremdulo, terulo, ne serioze konsiderinda, iomete senkulpiginda pro sia kompatinda manko de scio kaj sperto, tamen nepre traktota kiel ili decidis.

»Estas kiel vi diras,« li kompleze murmuris. »Sed ĉu ne estas varmege?«

Neniu respondis al li. La ŝipanoj okupiĝis pri la kruda baldakeno; vento tute forestis kaj la suno senkompate batis malsupren. La kapitano prenis el sia poŝo notlibron kaj skribadis per krajona stumpo. Tial Francisko Marlowe, pentristo, serĉanta vidaĵojn kaj kolorojn, ree grimacis, sed ne plu provis esti sarkasme amuzata. Li troviĝis en situacio, kiam lia sprito kaj cinika malkompatemo utilus al li nenion. Li ne nur estis nombre superita, sed iu ajn el la aliaj, eble kun escepto de la eltenema eta kapitano, povus perforte lin superi. Kaj solan sur la vasta kaj senkompata oceano, eble neniam plu komunikontan kun la civilizacio kaj leĝo, kio povus savi lin de perforto?

La brulegantaj horoj pasis malrapide, kaj la suno grimpis al la zenito. Eĉ ne malforta ventospiro sentebliĝis. La boato ripozis senmove sur la trankvila maro. La ĉielo estis tiel blue solida, ke ĝi dolorigis la okulojn. La suno estis tiel blanka, ke ĝi ŝajnis esti tinkturita de bluo. La ega varmego falis malsupren kaj suĉis la maron. Ĝi velkigis la pulmojn de l' maristoj kaj brul-dolorigis iliajn naztruojn. Ili senmove kunpremiĝis sur la piedtabulo kaj nebulokule rigardegis la plankan lignaĵon, aŭ siajn kurbiĝintajn kaj varmegajn manojn. Kelkfoje aŭdiĝis seka susura brueto kaj ĝemeto, kiam unu el ili sin movis. Alie regis ega kaj minaca silento!

Furdock fine levis sian kapon, kaj post momenta palpado elprenis masivan nikelan horloĝon.

»Proksimume tagmezo, sinjoro,« li respektplene diris, kaj la kapitano sidanta en la posta parto de la baldakeno stimuliĝis kaj palpebrumis. Li elserĉis sian propran horloĝon kaj solene rigardis la ciferplaton.

»Bone, li ekkvakis. Ni provu... Alportu la tason, Furdock.«

La boato kliniĝis, kiam ili sin movis, kaj etaj ondetoj, kvazaŭ la akvo estus metaliĝinta, faris tintan bruon laŭlonge de la ŝipkorpo. La ŝipestro venis rigide antaŭen. La aliaj leviĝis, ĝis iliaj kapoj tuŝis la subon de l' baldakeno; ili kolektiĝis ĉirkaŭ la akvokruĉego, kaŭrante kiel gigantaj bufoj, dum iliaj manoj pendis super la femuroj. La pasaĝero restis, kie li estis sidiĝinta frumatene, lia mentono ripozis sur la falditaj manoj, kiuj, siavice, ripozis sur la genuoj. La viroj fikse rigardis la akvokruĉegon, kaj se iliaj buŝoj estus humidiĝintaj, ili, pro anticipo, estus povintaj elŝpruci salivon.

La kapitano levis la longan cilindran trempujon kiu estis fiksita per ĉeno al la akvokruĉego. Post iometa ĝeno li elprenis la korkon kaj singarde mallevis la trempujon tra la truo. Por certiĝi, ke li elfluigu nenion, li iomete klinis la trempujon, dum li ĝin suprenportis, kaj la tintado de la falanta fluidaĵo igis la virojn eksuspiri kaj maltrankvile moviĝi. En la stanan tason, kiun Furdock rapide purigis sur sia harkovrita brako, la kapitano malplenigis la trempujon. Li transdonis la tason al la pasaĝero, kiu ŝajne surpriziĝis pri tio.

»*Mi*, la unua?« li diris. »Bona Dio!«

La okuloj de la ŝipanoj, eĉ la okuloj de la kapitano, estis fiksitaj al la taso, kvazaŭ per ia nekontrolebla forto. Ili sekvis ĝin ĝis la lipoj de Marlowe; restis senmovaj dum li paŭzis kaj trinketis; malleviĝis, kiam li formovis la tason por reakiri la spiradon; kaj poste leviĝis kun spasmo, kiam Marlowe, senpova regi la ordoneman deziregon, enigis la stanan randon inter la dentojn. Finfine la okuloj sekvis la tason seninkline redonatan al la mano de la ŝipestro.

»Nur po unu taso?« esplordemandis Marlowe. »Ne multe por sufiĉi la tutan tagon.« La kapitano rigardagis lin, sed tiu tuj aldonis, »Ho, ne atentu min. Mi nur demandis.«

La kapitano sen komento gruntis kaj purigis la tason per sia naztuko — iom nepura afero. Li ree faris singardajn movojn per la trempujo kaj donis al alia viro ties trinkaĵon. Kiam ĉiu krom Furdock kaj la kapitano estis regalitaj, la altkreska maristo kapbalancis kaj diris, »Post vi, sinjoro,« sed la kapitano spirblovis kaj eksakris; tiam Furdock rapide manetendis kaj, preninte la akvon, ĝin trinkis. Li tro longe vivis kun la alia por ne kompreni, kion tiu intencis per tio. Estis ties privilegio kiel estro, esti servata *post* siaj subuloj.

La kapitano eltrinkis la akvon, remetis la korkon

per frapo de sia osta mano, kaj retiriĝis al sia loko sub la baldakeno. Furdock memorigis al la aliaj, ke biskvitoj estas haveblaj, kaj ili ĉiuj pretendis manĝi, sed ĉesis post kelkaj mordetoj de la malmolaj kaj sengustaj aĵoj.

»Nu, se oni povus trempi ilin en iom da akvo — gaje komentis la pasaĝero, sed vidante, ke ili ĉiuj kolere lin rigardas, li ĉesis kun gorĝrido.

La posttagmezo malkreskis. Ŝajnis, ke ju pli la nokto proksimiĝas, des pli la varmego pliiĝas. La suno naĝis sur la mara rando, sin rulante sur eĝoj, tavoloj, kaj gloraj kolor-nuboj, antaŭ ol ĝi kliniĝis, abrupte lasante la mondon al la subitaj steloj.

Tiam la viroj agitiĝis, rigardante ĉirkaŭen. Unu aŭ du el ili provis fumi, sed ili baldaŭ ĉesis, trovinte ke tio nur akrigas ilian soifon. La steloj aspektis kiel helaj blankaj punktoj sur la velura ĉielo. Ili sendadis sagojn sur la maron, ĝuste kiel oni ĵetas elektrolumojn sur riveron. La varmego daŭris ĝis proksime al la meznokto, kiam la akvo malforte ekondetis kontraŭ la ŝipkorpon kaj milda varmega vento lace venis el la okcidento. Tio alportis ioman malvarmet-senton kaj kvietigis ilin. Por ricevi la tutan profiton, la ŝipanoj deprenis la baldakenon kaj, stariginte la maston, pendigis la velojn.

Ne daŭris longe, kaj ili dormis, laciĝintaj. La kapitano dormetis kaj kunpremiĝis super la direktilstango. Marlowe, la pasaĝero, maldorme rigardegis al la steloj kaj pensis pri multaj aferoj. Li tre soifis, kaj lia kredaro instigis lin al la penso, ke li mem estas servinda unue. Li kredis, ke lia moligita, delikate kulturita korpo ne povos elteni, kiel tiuj ĉi fortaj maristoj, la okazantajn suferaĵojn. Tie, sur la mezo, en la kruĉego, estis akvo — multe da ĝi provizore. Li iomete sakris, kvazaŭ amuzata pri si.

Horo forglitis; du. Marlowe povis aŭdi fortan regule leviĝantan spiradon. La kapitano dumlonge ne moviĝis. Furdock, la grandstatura maristo, sidis en la antaŭparto kun manoj falditaj kaj kapo mallevita sur la bruston. Dumlonge nek li moviĝis. Do plenzorge, kun ega pacienco, centimetron post centimetro, Marlowe malstreĉiĝis, kuŝiĝis sur la ventro, kaj palpadis serĉante la akvokruĉegon.

Li havis neniajn precizajn skrupulojn pri la afero. Laŭ li, temis nur pri memsavo. Lia tuta korpo avidis akvon. Foje-foje eĉ lia cerbo kvazaŭ fajrenis. Li ne estis edukita al suferado, nek al memregado. Tason da akvo por trinki, alian por saturi biskviton, por ĝin bongustigi, kaj tiam, li konsideris, li starus sur pli egala nivelo kun la aliaj.



Aladár Farkas

*Militviktimo (supra parto)*

Li atingis la kruĉegon kaj metis unu manon sur la korkon. Suprentirante siajn krurojn ĝis kaŭra pozicio, li palpserĉis la trempujon, pendantan sur ĉeno. Subite li eksaltis kaj preskaŭ perdis sian ekvilibron.

»Kio okazas tie?« La minaca voĉo de Furdock eksonis. La pasaĝero fiksrigardis al la pruo, kie li povis vidi la nigran formon de la grandstatura maristo — silueto kontraŭ la steloj — kapo sur la brusto kaj la brakoj falditaj. Momente li pensis, ke li halucinas, ĉar Furdock ne moviĝis. Sed la voĉo ripetis: »Kio okazas tie?«

Mordante sian lipon, Marlowe sidiĝis sur la planka lignaĵo kaj forviŝis kelkajn ŝvitgutojn de sia frunto. Li firme ekridis.

»Mi kredis, ke mi povas havigi al mi trinkaĵon, dum vi dormas,« li trankvile diris, duone prepariĝinta al malben-krio, aŭ eble atako, kiu, laŭ lia konjekto, estis sekvonta. Sed, kun surprizo, post paŭzeto, li aŭdis gorĝridon de Furdock. La grandstatura maristo vekiĝis pro brueto kaj suspektis ion. La vortoj de la pasaĝero forigis lian suspektemon. Neniu estus tiel malsaĝa kaj konfesus planon elrabi la enhavon de akvokruĉego. Ĉu koleraj homoj ne mortigus pro tio? Ne, la pasaĝero nur ludis sian kutiman rolon — donante malvarme-cinikajn respondojn al demandoj. Furdock ne povis klare vidi, kion la pasaĝero provis fari — li nur vidis, ke tiu staras apud la kruĉego. La konfeso de la intenco pruvis ja lian senkulpecon, mense debatis la maristo.

»Mi mem pensis pri tio,« Furdock daŭrigis en konversacia tono. »Mi povus engluti kelk litrojn. Sed oni ne faras tion, sinjoro. Mi estas sensenta homo, sed se oni troviĝas en tiaj cirkonstancoj, kun kunuloj, oni devas esti lojala al ili.«

»Nu, certe,« respondis Marlowe, ridante al si. Feliĉe estas ke la granda amaso de ordinaruloj ensorbis tian etikon. Tio faras la ekzistadon des pli facila por tiaj, kiaj li. Tamen, li preskaŭ estis malkaŝita. Venontafoje li devos esti eĉ pli gardema. »Mi nur min movis, provante liberiĝi de krampfo en mia flanko,« li klarigis. »Estas tre malkomforte se oni ne povas enlitiĝi.«

»Estas tiel, sinjoro. Mi nur dormetis, kiam mi vin ekaŭdis. Ŝajnas, ke miaj nervoj kaŭzis al mi iometan freneziĝon. Mi imagis, ke iu volas ŝteli akvon.«

Marlowe forte spiris tra la nazo. La viro estas vera malsaĝulo, aŭ ĝuste idioto. Nu, des pli bone. La kapitano vekiĝis kaj demandis, kio okazis.

»Kramfo,« malvarme respondis Marlowe, »ne lasis min dormi.« Se Furdock estus havinta okazon klarigi, verŝajne la kapitano ne estus trompita. Li estis tro intima kun Marlowe dum tri semajnoj, por ke li ne estus havinta okazon juĝi lin sagace. La aliaj vekiĝis, kaj la konversacio iĝis ĝenerala, kvankam senorda. Marlowe ĉirkaŭpremis siajn genuojn kaj subridis al si.

Unu el la maristoj demetis sian ĉemizon kaj trempis ĝin en la maro, surmetante ĝin malseka kaj gutanta. Li klarigis, ke tio helpas kvietigi soifon, kaj la aliaj faris la samon. Vere tio helpis iomete. La kapitano unufoje atentigis. »Estas tero en la direkto al oriento. Vi povas provi la remilojn.«

»Kiom da distanco?« demandis unu maristo.

»Kvincent kilometroj, proksimume.«

Ili ĉiuj ekridis. Eĉ Marlowe. Ili ĉiuj mortus, longe antaŭ ol ili povus remi tiom la distanco, eĉ se la malforta vento daŭrus kaj donus al ili movon, kiun la remiloj povus pliigi. Tamen la remado estas io por fari. La maristoj enigis la ingojn, metis en ilin la remilojn, kaj kun oftaj paŭzoj remadis.

La tagiĝo estis tiel perfekta kiel la estinta: la oranĝkolora strio, kvazaŭ desegnita laŭlonge de l' oriento, la freneza kolor-anarkio, kaj poste la subita suno. Ree la varmego ĉirkaŭis la boaton, kaj la maristoj, ĉesinte remi, kolektiĝis sub la rapide kunstruita baldakeno; ankoraŭ ne sufiĉe ventis por lasi la velon sur la masto.

Se la soifo estis dolora kaj amara en la pasinta tago, nun ĝi iĝis netolerebla. Ĉies buŝo ŝajnis esti plena de varmega sablo, kaj iliaj langoj estis ŝvelintaj. La gorĝoj iĝis kiel vastaj pulsantaj kolonoj de varmego. Parolante, oni suferegis turmentojn. Sed la konsternegaj horoj ree treniĝadis antaŭen. Foje unu maristo, nomata Lafferty, ekkvakis. »Mi ne povas plu toleri.« Li ekiris al la kruĉego, sed Furdock kaptis lian brakon; la kapitano malvarme ekraspis, »Sidiĝu!« kaj kun mallaŭta blasfemo la viro trankviliĝis.

Alia maristo, la plej juna, freneze ekparolis, rimarkante verdan insulon kun blanka akvofalo. La aliaj rigardis, sed vidis nenion sub la suno, krom la plata kaj senkompata maro ege blua kaj malplena. Kiam ili diris tion al li, li ekridis kaj subite kliniĝante trans la boatflankon, tiel ke la boato ekbalanciĝis kaj kliniĝis, li komencis elŝoveli per la manoj la varmegan salakvon kaj ĝin engluti. La aliaj kaptis kaj tiris lin malantaŭen, sed per subita tordo li liberiĝis kaj saltis en la akvon.

Kelkmomente la aliaj konsterniĝis. Poste la kapitano, per fortaj batoj de sia mano, alfiksis la direktilstangon kaj muĝe postulis la remilojn. Marlowe, surgenue staranta sur la planka lignaĵo kaj iom konfuziĝinta pro la subiteco de la okazintaĵo, scivoleme rigardis, unue la naĝanton kaj poste la klopodantajn ŝipanojn.

Li ekparolis, »Li estas freneza. Kiom utilus —« Sed kaptinte la rigardon de l 'kapitano, li ĉesis kaj honto lin ekestris, kio, siavice, lin ĉagrenis.

Furdock, kun tremeto en sia voĉo, eksakris. La maristoj ĉesis remi kaj rigardis. La kapitano rigardis kaj granda vejno elstaris sur lia ledeca frunto. Eĉ Marlowe ektremis. Malgrasa triangula naĝilego tratranĉis la akvan surfacon. Kirliĝe ĝi malaperis. La boato tro malproksimis por ebligi al la maristoj helpi la naĝanton; kaj tiam griza ombro glitis sur tiun. Li akre ekkriis, suprenĵetis siajn brakojn, kaj malaperis. Unufoje li reaperis, nur flagreto de blanka brako kaj ŝultroj kontraŭ la pli blanka bolo ŝaŭma. Kaj poste restis nur kelkaj decentrokuraj ondetoj. Postlasante ruĝan makulon, ili atingis la boaton kaj malforte ĝin balancis.

Furdock faris movon, kvazaŭ li volus elkraĉi, kaj diris raŭkvoĉe, »Nu, li estas la unua. Li ĉiam estis iom freneza... frapis sian kapon foje kontraŭ la stangon apud la ĉefmasto dum ventego.«

La pasaĝero penis leki siajn krevintajn lipojn kaj treme ridis al si. Unu malpli por partopreni en la akvo. Sed li ne povis deteni sian kompaton por la kompatindulo.

»Ĉiuokaze, ni povas trinki,« kvakis Lafferty. Ne utilas eltenadi la inferon, ĝis kiam oni *devas*.

»Ni trinkas je la tagmezo,« kolere ekkrakis la kapitano.

»Trempu vian ĉemizon en la maron,« Furdock konsilis.

»Vi estas sensenta homo,« murmuris Lafferty, fikse rigardante la etan kapitanon kaj sufokiĝante, ĉar li volis tusi kaj ne povis. Kiam li finis spasmospiri, li ekĝemis kaj kovris sian vizaĝon per la manoj. »Ne

# TORĈKURADO

– Mária Hajnóczy –

Estis vespero. Sur la trotuaroj ambaŭflanke amaso tumultis. Oni ekscitite senpacience parolis pri la torĉo. La vojo estis libera kaj glata, plenŝutita per florpetaloj, kaj triumfarkoj volbe klinis sin super ĝin. Mil kaj mil lumsoifaj okulparoj spionis al la mallumo. Ili atendis la flamon, kiu ekflagris en la lando de la klasika olimpiado praepoka, kaj kiu estas destinita nun por kuri tra urboj, landoj por atingi la turon de la berlina stadiono, por ke ĝi simbolu la bravan kaj noblan konkuron de la korpaj fortoj.

Ankaŭ mi staris en la amaso... Kiam en la malluma fono ekbrilis la proksimiĝanta, ĉiam kreskanta lumpunkto de la torĉportanta kuranto; kiam miloj da buŝoj jubile aklamis saluton al li, ia stranga sento korfrapa min trakuris. Por momento, kvazaŭ mi starus ne sur la trotuaro, sed sur la nemezurebla kaj vasta ekstremaĵo de la Vivovojo, tie, kie komenciĝas la senlima vido al la foro de la grandaj sekretoj. Kvazaŭ estus malfermiĝinta antaŭ mi la pordo, post kiu naskiĝis la konceptoj pri Spaco, Tempo kaj Morto. Kvazaŭ mi estus povinta rigardi en la metiejon, kie laboras la ĉiamaj kreofortoj, kie koncipiĝas la koloroj, vortoj, ideoj, kie ŝprucas la fontoj de Lumo kaj Mallumo...

... Kaj el la ĥaosa nebulo, el la profundo de la ombroj subite ekbrilis milionoj da lumpunktoj kiel la steloj sur la veluro de la nokta ĉielo. Lumportantaj homoj ili estis. Dum ilia proksimiĝo mi rekonis en ili la fratojn kaj mi rimarkis, ke ankaŭ en mia mano lumas torĉo.

Ĉio ĉi okazis antaŭ unu jaro. La zorgoj de la vivovojo direktis mian atenton al cent aliaj aferoj. De tiam tamen mi scias kaj sentas en mia mano la torĉon, kiun oni donis al mi, transigi ĝin al la posta kuronto. De tiam tute klare mi vidas la saman torĉon en via mano, samideano, kiu nun estas leganta mian skribaĵon kaj kiu sentas kaj scias la valoron de tiu ĉi lingvo.

Ĉu iam vi memoris pri tiu, kiu ekbruligis la unuan fojon ĉi tiun fajron antaŭ kvindek jaroj pro la plej profunda homamo, ke tiu staris sola kun la flagranta flamo en la nokto? Ĉu vi meditis iam pri tio, ke la unuaj kurantoj inspiritaj de la ideo-beleco, memvole levis la flamon super sin kaj kun neŝancelebla fido ili ekiris sur la malglata vojo.

Vi jam vidas rezulton. Vi povas ĉerpi forton el la ĉha tondro kuraĝiga de centmiloj da samcelanoj, vivantaj dise sur kvin kontinentoj. Sed la unuaj devis bori sin tra la senluma nemezurebla nokto. Tra glacikampoj kaj lafoterenoj kondukis ilia vojo. Tempesto skurĝis ilin. Venis milito: sangtorento kaj hompereo, sed tamen la kuranto kun la torĉo alvenis al vi. Ĉu vi sentas, kiel grandioze nobla afero estas sekvi ilian vicon kaj kuri kun ĝi plu. Ĉu vi konscias, kiel bone estas alporti fajron en la mallumon al lumsoifaj okuloj?

Nia vojo estas ankoraŭ plena de akraj ŝtonoj. Ne floroj ornamas ĝin sed neglektoj kaj mokoj. Tamen grandioze estas de ŝtono al ŝtono paŝe antaŭeniri, vorte kaj age konstrui la triumfarkon de la estontaj torĉkurantoj.

Ekzistas multaj, kiuj laciĝis, kiuj ne kredas plu la venkon de la Ideo, kiuj aliĝis al la maŝinanimaj praktikuloj, kiuj konsideras ĉi tiun lingvon nura rimedo. Estas multaj, kiuj faligis la torĉon, ĉar ili opinias vana la batalon kontraŭ la mallumo.

La nokto estas nigra kaj densa kiel la koto. Malfacile knedas ĝin la lacaj piedoj. Tamen, se vi apartenas al tiuj ĉi celperdintoj, returnu vin sur la vojon. Reserĉu la forĵetitan fajron, ĉar la perdita kredo post ioma tempo fariĝos turmenta marĉoflamo de perdita vojo. En tiu fajro, transdonita al vi kaj ĵetita for de vi, ardas la luktoplena laboro kaj venkokredo de sennombraj torĉkurintoj. Relevu vian torĉon el la koto, ne lasu ĝin estingiĝi. Ĝi faris longan vojon ĝis vi. Tenu ĝin alten, por ke ĝi superbrilu la lumon mortpreparan de la militaj reflektoroj. Tiu ĉi fajro ne brulvundas, ne makulas, sed ĝi konstruas kaj kunfandas. Varmigu vian animon ĉe ĝia lumo kaj fiere, pie, portu ĝin plu kiel iam la krucmilitaj kavaliroj la jeruzalemajn kandelojn.

La nokto estas nigra kaj densa kiel la koto, sed en la blinda mallumo, kiel la steloj sur la veluro de la ĉielo, milionoj da etaj lumpunktoj ekbrilas. Ni estas tiuj: la veraj torĉkurantoj, la lumportantaj homoj. La nova elano de la Vivo kuras kun ni: en la ritmo de niaj paŝoj tamburas la pli bela estonto. Kiam ni lace atingos la finpunkton de nia vojo, tiam la promesojn de tiu ĉi pli bela estonto la torĉkuranto de la triumfa Morgaŭo portos kun si plu per la lumo, transprenita el nia mano.

---

daŭros longe, kaj mi faros kion 'Awkins[1]) faris,« li murmuris. Hawkins estis la viro vidinta la miraĝon de insulo.

»Neniam mi kredis, ke estas tiom malbone... sen akvo,« diris Marlowe — li mire-surpriziĝis, ke li eltenas la situacion tiel bone, dum unu el tiuj fortikaj maristoj forvelkadas.

»Fermu vian buŝon!« ekraspis la kapitano. »Parolo soifigas... Vi ambaŭ estas traktataj same kiel la aliaj. Ne utilas plendi. Ni estas kvin ‚animoj' kune, kaj ni devas elteni.

Furdock frotis sian nigran stoplon kaj penis rideti.

»Nur du el ni estas veraj homoj, kapitano. Mankas al vi ‚stomako'[2]), Lafferty.«

[1]) Ordinaraj angloj, dum ili parolas, kutime ellasas la literon »H«. *(Trad.)*

[2]) »Havi stomakon« = anglicismo. Havi fortan kuraĝon. *(Trad.)*

»Mi havas tiom da ‚stomako' kiom iu ajn el vi,« nazvoĉis Lafferty, levante sian vizaĝon el siaj manoj. Korektu vin, kaj diru ‚tri veraj homoj'! »Mi eltenos, se vi eltenos.«

»Kion pri mi?« Marlowe milde esplordemandis. »Ŝajne venis tempo por reciproka admirado.«

»Pro unu dolaro vi tranĉus la gorĝon de via propra frato,« ekraspis la kapitano. »Mi sufiĉe bone taksis vin, mia sinjoro.«

»Mi sufiĉe rapide tranĉus gorĝon pro akvo,« malvarme konsentis Marlowe, kaj eniris pli apuden sub la ombron de la baldakeno. »Sed *daŭrigu*, ne atentu *min*.«

Furdock ekkriis kaj ili ĉiuj rigidiĝis. Ruboj ĉiuspecaj naĝis sur la akvo. Kelkaj aerspiroj agitiĝis tra la tuta varmega fluo. Poste vento, kompate malvarmeta, frapis la vizaĝojn de l' forlasitoj. Ili eligadis nedistingeblajn ĝoj-bruetojn. Ili ekstaris, malekipis la baldakenon, levis la maston, kaj starigis la velon. Ĝi ŝvelis. La vento plifortiĝis. La boato iomete kliniĝis

kaj ekglitis antaŭen. La kapitano kliniĝis kaj elprenis etan kompason el la ŝranko. Li movis la direktilstangon; oriente kuŝis la tero.

Ankoraŭ estis mallume. La steloj kuris belege sur la vasta pura ĉielo. La maristoj, refreŝiĝinte de la malvarmeto kaj la lekado de roso, kiu perle kovris la boatrandon, dormis, ĉiuj samtempe. La kapitano dormetis kaj direktis, kaj kiam la katastrofo okazis, ĝi okazis tiom subite, ke li pensis sin sonĝanta.

La boato iris konstante antaŭen, iomete kliniĝante kaj farante muzikan ondeton ĉirkaŭ la antaŭparto. Subite la steloj forviŝiĝis. Io dube vidiĝis antaŭe kaj supre — la boato haltis kun terura krakego kaj ĉiuj estis ĵetegitaj al la planka lignaĵo aŭ en la akvon. La mallonga masto brue rompiĝis, kaj la velo falis, kuŝiĝante sur la maro kiel grizbruna lameno. Kun timiga rapido la akvo leviĝis ĝis la piedtabulo. Furdock, ungumante la plankon por surpiediĝi, maldelikate forpuŝis la manojn al li kroĉiĝantajn kaj estis la unua, kiu levis sian voĉon.

»Ŝipo!« li kriegis, forgesante pri sia sekigita buŝo kaj gorĝo kaj pri la doloro, kiujn la vortoj kaŭzis. Ankoraŭ en la duonsubakvigita boato, li stumbladis tra la akvo, kaj, kliniĝante antaŭen, li atingis ion nigran kaj solidan, kiu naĝis super li.

»Nenia lumo,« spasmospiris la kapitano. Li estis ĉe la flanko de la boato, per unu mano naĝante kaj per la alia tenante la boatrandon.

»Eniru la ŝipon, viroj. La boato estas perdita.«

Ili ĵetegis sin al la nekonata ŝipo. Furdock jam estis surŝipe, liaj kapo kaj ŝultroj estis malklare videblaj kontraŭ la paliĝantaj steloj. Li etendis la brakojn malsupren kaj suprentiris la kapitanon; poste Marlowe-on, la pasaĝeron. Lafferty sukcesis per si mem. De la alia maristo restis nenia signo. Li estis kaptita sub la vela kanvaso kaj mortigita.

»Forlasita ŝipo,« ekflustris la kapitano, apogante sin kontraŭ la splititan remparon kaj rigardegante ĉirkaŭen. Li povis vidi la konturojn de rompitaj masto-stumpoj, la rigan[3]) implikaĵon, kaj subpiede, la herbaĉon. Li povis aŭdi la akvon kiu plaŭdis en la holdo. La ferdeko kuŝis oblikve, ĉar la ŝipo estis mergiĝinta ĉe la kapo.

»Forlasita ŝipo,« amare diris Furdock, kaj palpis sian dolorantan gorĝon. »Kaj la trinkakvo malaperis.«

Sur la kliniĝanta ferdeko ili malforte moviĝis malantaŭen, kaj al la supro. Ili trovis la poŭpan ŝtuparon kaj supreniris.

Kiam la tagiĝo ekestis kaj kiam ili povis vidi, ili stumbladis sur malfiksitaj ŝnuregoj, rompitaj sparoj[4]) kaj fragmentoj de ferdeka dometo. En la rozkolora lumo la objektoj ŝajnis nerealaj. Ili staris sur tio, kio restis postlasita el ege rompita ŝipo. La davitoj[5]) svingiĝis malplenaj kaj knaris malespere, kiam la akvosaturita kaj eluzita ŝipkorpo ruliĝis. Tiam Marlowe faris malkovron.

Li lametis ĉirkaŭe; rigardis malsupren tra la frakasitaj ferdek-fenestroj al la ĉefkajuto, fikse rigardis el la ŝipflanko al la klafto-longa herbaĉo, kiu sin kroĉis al la ŝipkorpo. Fiksitan al la malantaŭo de la ĉefkajuta ferdek-fenestro, li trovis tenujon enhavantan kvar lignajn sitelojn kun ŝnuregaj teniloj fasonitaj kiel »turkaj kapoj[6]). Strange, la maro kiu evidente frapis la poŭpon, ne demovis ilin. Ili ĉiuj estis preskaŭ plenaj de akvo. Pro nura scivolemo Marlowe kliniĝis kaj trempis en ĝin siajn fingrojn. Li eĉ ne pensis serioze, ke la akvo taŭgas por trinki. Eksuĉinte siajn fingrojn, li ĝuege eligis sufokan ekkrion. La akvo estis saleta, sed bona.

Marlowe ekrigardis ĉirkaŭe. La kapitano kaj Lafferty estis irintaj en la ĉefkajuton. Pri Furdock estis nenia signo. Estus facile trinki profunde kaj longatempe kaj poste super la sitelojn ĵeti kelkajn el la rigidaj sekaj ĉifonoj kanvasaj, kuŝantaj en la defluiloj. Se la hazardo favoros, la aliaj nenion pensus pri la amaso de tiu venteg-frapita velŝtofo, kuŝanta ĉe la posta flanko de la ĉefkajutaj ferdek-fenestroj.

3) Rigi. Speciala maniero alĝustigi mastojn kaj rigilaron de la ŝipkorpo. *(Trad.)*

4) Sparo. Longa ligna stango, por apogi velojn ktp. *(Trad.)*

5) Davito. Kurbaj brakoj, lignaj aŭ feraj starantaj el la ŝipa flanko aŭ postaĵo; ili havas ilaron por levi aŭ mallevi boaton, svingi ĝin ferdeken, ligi ĝin por mallevi ktp. *(Trad.)*

6) Turka kapo. Nodo turbanforma fiksita sur ŝnurego per peco de ŝnuro. *(Trad.)*

## Tute egalas al mi

— Nils Ferlin —

Kiam la kapo vaporas,
Mezulo Sved' estas *vir'* —
ne tiel diable tedega
kiel kun sobra elspir'.

Li povas eĉ ĝui kanteton,
legadon de iu strof',
kaj ofte dum nokta hejmkrozo
ŝanĝiĝas je filozof',

ekstaras, kun kruroj dise,
por malseklipa rezon'
kaj Onklon de Luno salutas
per arĝentokapa baston':

»Jen, frato, la steloj dancas
kiel muŝoj en la eter'...
... jes, *stelo*, ĉu ne, kaj *okulo*
estas tamen mirinda afer'...

... jes, Di' mia, se oni pensas...«
Ne plue atingas li,
nur tien eĉ Salomono,
kaj — tute egalas al mi.

El la sveda: *Magda Carlsson.*

## Patrino

— Erik Blomberg —

Ripozas vi de l' taglabor'
nun en krepuskbalsamoj.
De lakt' varmeta kaj lipmol'
odoras viaj mamoj.

Silentas hejm'. Ridetas vi
dum vesperhor' trankvilas.
Vi klinas nukon — ĉirkaŭ ĝi
lumringo milde brilas.

Jen hejmo, for de harpo-zum'
kaj sankta orrivero,
sed de la lampo nimbas lum'
patrinon sur la tero.

El la sveda: *Magda Carlsson.*

Marlowe trakuriĝis sian ŝveliĝintan langon sur la krevintaj lipoj. Nenian skrupulon li devas havi. Li neniam pretendis esti io alia ol senskrupula homo, eĉ se li estas artisto. »Postvivo de la plej taŭgaj.« Jen kio! Per la apliko de iom da ruzo li povus superruzi tiujn maristojn-malsaĝulojn. Sen ia dubo lia intelekta vivo estas multe pli valora ol ilia. Penseme li frotis la poston de sia kapo, kien la suno komencis forte bati.

Kaj tiam la voĉo de Furdock ekaŭdiĝis: »Estas nenio trovebla, kio similas nutraĵon. Nek akvo. La ŝipmeza barelo estas frakasita, plene malfermita kaj plenplena de salo.«

Marlowe fortege salt'eviĝis kaj turnis sian kapon, kiam la granda maristo grumblante, ma'afabla kaj marasma, aperis de la alia flanko de la ĉefkajuta ferdek-fenestraro. La artisto blasfemis en si. Dufoje malhelpis Furdock lian intencon — aŭ primeditatan intencon. La maristo haltis ĉe la ekvido de l' siteloj, rigardegis ilin momenton, rigardegis la ŝajne indiferentan Marlowe kaj poste, per sia dika kaj kala longa fingro gardeme provis la akvon. Li tuŝis ĝin per sia lango kaj eligis akran spiron.

»Jen ĝi estas,« li obtuze murmuris. »Ĉu vi ne provis ĝin, sinjoro? Sufiĉe freŝa.«

Tiam Marlowe rigardis lin kun espero. Furdock deziras vivi tiel forte kiel li. Eble la maristo proponos, ke ili komplotu kontraŭ la aliajn. Sekreta posedo de akvo signifas multon. Sed la vizaĝo de Furdock, krom sovaĝa ĝojo, esprimis senkulpecon. Li levis sian voĉon, kaj ekkrakis: »Ĉi tie, kapitano! Akvo!« Oni povis aŭdi la sonon de la aliaj, kiuj grimpis de la malsupro. Marlowe skuis siajn ŝultrojn kaj, surgenuiĝante, komencis trinki. La granda malsaĝulo estas sencerba. Sed tamen dubo persistis en la menso de Marlowe, ĉu eĉ li mem estus kaŝonta la akvon aŭ ne. Li miris pri la havo de tia dubo. Ĉiu homo por si mem. En tio li kredis. Li ne estus devinta heziti. Sed ĉiuj liaj malnovaj ideoj ŝajnis esti strange ekster sia sfero inter la nunaj cirkonstancoj, kvankam estas ili sendube, kiuj devus naski tiajn ideojn.

La ŝipestro kaj Lafferty enkuris la ferdekon kaj rapidis al la loko, kie Furdock staris ĉe la siteloj kaj observadis la trinkantan pasaĝeron. Kiam ili venis, la grandstatura maristo fingromontris kaj sen plua vorto surgenuis kaj enigis sian vizaĝon en la saletan akvon.

Estis la ŝipestro, kiu, post ŝparema trinko, levis sian gutantan vizaĝon la unua, kaj ekraspis: »Detenu vin, viroj. Ni devas ĝin ŝpari.«

Ili seninkline lasis la sitelojn, ĉar ili sentis nur malgrandan kontentigon. Lafferty, portempe, malsaniĝis, kaj eĉ Furdock havis nefacilan naŭzosenton. Marlowe surpriziĝis pro sia sindeteno. La kapitano, kompreneble, trinkis malmulton. Unu el la punoj, kiujn estro devas suferi, estas, ke li devas ordoni per ekzemplo.

La kapitano okulumis la sitelojn, nur kvar ili



Aladár Farkas — *Ecce homo!*

# El „La Floroj de l' Malbono"

— Charles Baudelaire —

## LA LUMTUROJ

*Rubens*, ĝarden' de l' pigro, rivero de forgeso,
Kusen' freŝkarna, kie svenas la am' de l' paro.
Sed kie agitante tajdas la viv' sen ĉeso,
Kiel aer' ĉiele kaj kiel mar' en maro.

*Leonardo da Vinci*, spegul' malhel-profunda,
Kie anĝeloj ĉarmaj, kun la ridetoj karaj,
Ŝarĝitaj per mistero, aperas el la funda
Ombrajo de glaciejoj kaj pinoj ĉirkaŭbaraj.

Kaj *Rembrandt*, hospitalo malĝoja, kun murmuroj,
Kun granda krucifikso kiel ornam' unika,
Kie la plora preĝo haladzas je malpuroj,
Kaj kiun traas vintra radio bruske pika.

*Mihelanĝel'*, konfuza pejzaĝ', kie Herkuloj
Miksiĝas inter Kristojn; sin elrektigas svinge
Potencaj noktfantomoj kaj sub krepusknebuloj
De si la tombtolajon deŝiras avidfingre.

Kolerojn de boksisto, senhontojn de satiro,
Belajojn de fiuloj kunkaptis viaj manoj,
Ho granda kor' orgojla, velkema, flava viro,
*Puget*, melankolia regnestro de l' bagnanoj.

*Watteau*, ĉe kiu multe da glore famaj brustoj,
Flamflirtaj papilioj vagas en karnavalo,
Dekoroj freŝaj, spritaj, lumitaj de la lustroj,
Kiuj frenezon verŝas al la turniĝa balo.

*Goya*, inkubo plena de misterajoj krudaj,
De fetoj kuiritaj sabate en kaldronoj,
Avinoj ĉe spegulo, kaj infaninoj nudaj,
Streĉantaj siajn ŝtrumpojn por tento de demonoj.

*Delacroix*, sang-lago, loĝej' de misanĝeloj,
Ombrita de abiaro eterne verde-bela,
Tra kio strange fremdaj fanfaroj sub ĉieloj
Ĉagrenaj glitas, kiel sufoka ĝem' *Weber*-a.

Tiuj malbenoj, tiuj blasfemoj, tiuj plendoj,
Ekstazoj, Te-deum-oj, lamentoj, ploroj ĝemaj,
Kiujn mil labirintoj obligas per resendoj,
Estas opio dia por koro de l' mortemaj.

Kri', kiun mil gardantoj ripetas en oreloj,
Ordon', kiun rekrias mil paroltuboj peze.
Lumtur', kiu brilegas por mil' da citadeloj,
Signalo de ĉasistoj perditaj arbar-meze.

Ĉar vere, ho Sinjoro, nenio pli atestas
Pli bone kaj pli certe pri nia dign' interna,
Ol ĉi arda ĝemo, kiu de temp' al temp' tempestas
Kaj venas morti borde de via daŭr' eterna!

*(H. Vatré)*

## LA NEHELPEBLA.

### I.

Sufoki ĉu ni povas tiun Rimorson oldan,
Sintordan, boran kiel ŝraŭbo,
Kiu nin manĝas, kiel la verm' la karnon mortan,
Kiel el kverk' sin nutras raŭpo?
Tiun nepacigeblan, longan Rimorson oldan?

En kian trinkon, kian tizanon, kian vinon
Dronigi l' oldan malamikon,
Kiu en frandem' detrua similas amistinon
Kaj en la pacienc' formikon?
En kian trinkon? kian tizanon? kian vinon?

Ho bela sorĉistino, do diru, se vi scias,
Al ĉi anim' angor-sternita,
Simila al mortanto, kiu sub treto krias,
De ĉevalhufoj diskarnita,
Ho bela sorĉistino, do diru, se vi scias,

Al ĉi agonianto, kiun jam flaras lupo,
Sur kiun korvo jetas ombron,
Al ĉi soldat' rompita! ĉu li por la korp-rubo
Rezigni devas krucon, tombon,
Agonianto povra, kiun jam flaras lupo!

Ĉu eblas ilumino de ĉielo kota, nigra?
Disŝiro de l' kovraj' tenebra
Pli densa ol la peĉo, sen kon' de l' suno migra,
Sen astroj, ser fulmad' funebra?
Ĉu eblas ilumino de ĉielo kota, nigra?

L' Espero, kiu brilas en la Drinkej-fenestro,
Bloviĝis. mortis por eterno!
Martiroj de la vojo malbona! al ŝirma nesto
Trafi sen luno, sen lanterno!
Satan' estingis ĉion en la Drinkej-fenestro!

Sorĉistin' adorinda, vi amas la damnitajn?
Vi konas la Nepardoneblan?
Kaj la Rimorson, kiu la sagojn venenitajn
Pafas en nian koron feblan?
Sorĉistin' adorinda, vi amas la damnitajn?

La Nehelpebla mordas per dento malbenita
L' animon, povran monumenton,
Kaj ofte ĝi atakas, kiel la trup' termita,
La konstruajan fundamenton.
La Nehelpebla mordas per dento malbenita.

### II.

Mi vidis kelkafoje en ia dom' opera,
Flamanta de muzik-sonoro,
Feinon ekbruligi en la ĉiel' infera
Miraklajn fajrojn de aŭroro;
Mi vidis kelkafoje en ia dom' opera

Estajon, kiu estis nur lum' kaj or' kaj gazo,
Treti sur la Satan' giganta;
Sed mia koro estas, ve, ĉiam sen ekstazo,
Teatro vane atendanta,
Nur vane la Estajon kun la flugil' el gazo!

*(G. Waringhien.)*

## LA KATOJ

Amantoj fervorbrulaj, scienculoj mor-rigidaj
Amas per sama amo en sia matur-plejo
La fortajn, molajn katojn, orgojlojn de l' loĝejo,
Egale kiel ili frostemajn kaj hejmsidajn.

Amikoj de volupto kaj de scienc-observoj,
Serĉas ili la muton, hororon de l' tenebro,
Erebos ilin prenus heroldoj de funebro,
Se ili povus sian fieron klini al servoj.

Revante ili prenas la pozojn noble dignajn
De l' grandaj sfinksoj, kiuj en soloj senpostsignaj
Sterniĝas kaj en sonĝo senfina dormi ŝajnas.

En la fekundaj lumboj magiaj sparkoj flamas,
Kaj or-pecetoj, kiuj pli ol la sablo fajnas,
Al ili la mistikajn pupilojn stel-ornamas.

*(Lali Blond)*

## AL RUĜHARA ALMOZULINO

Ruĝhara blankulineto,
Tra l' vest' pli trua ol reto
Montriĝas sorto-kruel'
Kaj via bel'.

Al mi, poeto bohema,
La juna korpo velkema,
Lentugoj mil de l' vizaĝ'
Estas por plaĉ'.

Vi paŝas kun pli da digno
En pezaj ŝuoj el ligno
Ol la reĝin' de romanc'
En ŝu' de danc'.

Se ne ĉifono kurtega,
Sed rob' vin vestus, kortega,
Longa trenaj', kun susur'
Sur via spur'!

Anstataŭ ŝtrumpo truita,
Ruinul' volupt-apetita
Ĉe l' gambo trafus al gard'
De or-ponard'!

Se inter nodoj disĉifaj
Aperus al ni, lascivaj,
Mamet' radia de bril',
Kiel pupil'!

Se vin malvesti sin lasus
Peti la manoj; kaj ĉasus
La gnomajn fingrojn per skrap'
Ĉe la eskap'!

Kaj perlojn, juvelŝtonetojn,
De majstro Belleau sonetojn
Oferus sklava eskort'
Por kares-vort'!

Ĉenitaj versoverkantoj,
Vin celebrante per kantoj,
Gvatus pri via ŝu-par'
Sub la ŝtupar'!

Paĝioj, laŭ la hazardoj,
Nobelsinjoroj, Ronsardoj
Sopirus al via nest'
Por fajna fest'.

Vi havus dum idilioj
Da kisoj pli ol da lilioj
Kaj metus jugon al nuk'
De princ' kaj duk'!

— Sed jen, almozon vi petas,
Nutraĉon vi kunskrapetas
Vojkruce, sojle de plej
Aĉa drinkej';

Gapas l' okuloj ĝis ŝvelo
Al deknaŭ-groŝa juvelo;
Ne povas mi por trofe'
Ĝin doni, ve!

Sen or' diamanto, balzamo,
Pluiru do, sen ornamo
Krom magra nuda korp-ŝel',
Ho, mia bel'!

El la baldaŭ aperonta kompleta Baudelaire-volumo.

*(K. Kalocsay)*

---

estis, kaj poste rigardis la kanvason kuŝantan en la defluejoj. Li skuis sian kapon.

»Ne utilus kovri ilin. Elvaporiĝus eble. Ni malsuprenportos kaj alfiksos ilin... Ne ĝenu vin, Lafferty. Atendu, ĝis kiam vi sentos vin pli bone.«

Poste ili malsuprenportis la akvon kaj ekserĉis nutraĵon. Ili ĝin ne trovis. La duon-subakvigita hospitaleto, troviĝinta sub la ferdeko de la ĉefkajuto, enhavis nur malbonodoran ejon kun putra faruno, kun io, kio foje povis esti aŭ porkaĵo aŭ bovaĵo salita, kaj iom da putraj viandoj en ondaj ladoj. La nura odoro kaj ekvido naŭzis la virojn.

»Mi pensas, ke ne estas ŝanco,« diris Furdock amare, kiam li revenis sur la poŭpon. Liaj okuloj ardis per esprimo de malafabla batalinvito al la senkompata sorto. La unuan fojon lia spirito ŝajne estis venkita.

La ŝipestro ekkrakis: »Ĉiam estas ŝanco! Vi surprizas min, Furdock. Ni penu fiŝkapti. Povas ankaŭ pluvi. Ĉiam okazas blovegoj en tiu ĉi akvaĵo.«

»Jes, se la ŝipo ne dronos, antaŭ ol tio okazos.«

Lafferty, kiu ankoraŭ estis malsana kaj sin malforte apogis al la ringon, ironie ekridis kaj fajfspiris ion pri: »Kiu havas la ‚stomakon' nun?«

Marlowe trene ekparolis: »Provo de l' daŭreco, ĉu ne? Ĉiuokaze, mi preferus perei pro malsatego ol pro soifo, kaj tion ni ne riskas ankoraŭ unu aŭ du tagojn.«

Du tagojn poste la situacio ne ŝanĝiĝis, krom tio ke la nervoj de ĉiu homo estis krudigitaj kaj la malsat-doloroj atingis la gradon plej altan antaŭ sia obtuziĝo kaj malapero, kiel okazas kiam malsatmorto komenciĝas. La akvo sufiĉis, se ili estos singardaj, por eble du tagoj plu, kaj tiam, se pluvo ne venos, la fino estos proksima.

Okazis frue je tagmezo, tuj post kiam la kapitano servis la ĉiutagan akvon. ke Furdock faris malkovron. Li, kiel ĉiam, senfine vagadis en tiu parto de la ŝipruino, kiu staris super la akvo kaj serĉadis en la duondetruita solec-aspekta kuirejo. Foje antaŭe li jam malkovris rat-morditan ŝip-biskviton malantaŭ breto, kaj tiufoje, traserĉante en angulo amason da potoj kaj rustaj, malplenaj ladkestoj, li eltiris grandan poton hermetike fermitan. Forŝirinte la fermoplaton, li trovis en la internaĵo mallongan, dikan pecon da lardo, ŝiman kaj iom akran, sed tamen manĝeblan.

Li metis la lardon sur la stablon, ekĝemis kaj rektigis siajn ŝultrojn. Li iris al la pordo kaj eligis la kapon. La kapitano pendis super la balustrado kaj vane penis fiŝkapti per la hoko, kiun li trovis en la ĉefkajuto kaj kiun li por logo li provizis per fragmento de ruĝa ĉifono. Lafferty staris apude; li fikse kaj malgaje rigardis trans la vent-krispigitan purpuran maron; liaj makzeloj spasme moviĝadis, kvazaŭ pro ia nervmalsano.

»Estas io ĉi tie, kapitano,« Furdock seninkline vokis, »... trovis pecon da lardo.«

Lafferty turniĝis sur la kalkanumo kaj saltis antaŭen. La ŝipestro rapide alligis sian ŝnuron al stango kaj sekvis. Apud la kuireja pordo li haltis, turniĝis, kaj antaŭ ol li eniris, laŭte ekraspis: »Marlowe«. La tri kolektiĝis antaŭ la viando kaj rigardegis ĝin per brulantaj okuloj.

»Ne estas multe,« malklarvoĉe murmuris Lafferty, sed ĝi estas manĝaĵo. Dividu ĝin.«

La ŝipestro elpoŝigis sian pezan tranĉilon, kaj prenis la viandon en la manon. Tiumomente Marlowe atingis la pordon kuirejan kaj enrigardis. Ili ne rimarkis lin. Li demandis al si, kio okazis.

Tiam li ekaŭdis la voĉon de Lafferty: »Dividu ĝin en tri pecojn... pro kio oni nutru la damnitan pasaĝeron? Li ja ne scias, ke ni ĝin havas.«

Daŭris paŭzo. Furdock fiksrigardis la kapitanon, sed diris nenion. Unufoje li trakurigis sian langon sur siaj lipoj. La kapitano hezitis, dum la klingo jam tuŝis la viandon. Abrupte li komencis tranĉi. Marlowe forpaŝis kaj intencis iri por kliniĝi trans la balustradon. Nu, se ili decidas kontraŭ lin, li povas fari ne-

nion. Li turniĝis por ree alvizaĝi la kuirejon kaj haltis. Li povis aŭdi Lafferty-on malklarvoĉe sakri. Poste la kapitano aperis. Li ankoraŭ lekadis siajn lipojn kaj iom el la streĉa malsateca esprimo malaperis de lia vizaĝo. Tamen liaj okuloj estis turmentoplenaj. En la daŭro de kelkaj sekundoj, li manĝis sian pecon da lardo, kaj tio utilis nur por moderigi la plej akran postulon de lia stomako. Tamen, en sia mano li tenis la parton intencitan por Marlowe.

»Furdock trovis iom da lardo,« li rapide klarigis. »Ĉi tie estas via peco. Ni dividis ĝin honeste, en kvar partojn.«

Marlowe prenis la viandon kaj, dum li manĝis, li scivolis, ĉar la ŝipestro strange lin rigardis, kaj li komprenis, pro kio, memorante la vortojn de Lafferty en la kuirejo. Sed tamen, la ŝipestro ŝajnis sin demandi, ĉu lia pasaĝero tion meritas.

Frue la proksiman matenon, la tuta situacio suferis de ŝanĝo. Ili ĉiuj penis vane fiŝkapti sur la maldekstra flanko de la poŭpo; sed Lafferty ĉiam ekkvakadis malbenvortojn kaj ŝajne transformiĝis je frenezulo — la absoluta senespereco de ĉio disŝiris liajn nervojn je atomoj kaj persistege martelis lian cerbon.

Post mallonga tempo, Furdock alligis sian ŝnuron kaj klinante la kubutojn sur la stangon metis sian sunbrunigitan kaj nigre stoplan vizaĝon en la manojn. La dekurbiĝo de liaj ŝultroj estis kortuŝa. Li estis viro kiel virbovo, kaj ŝajne la suferadon, malsaton kaj soifon, estis ĝuste pro tio pli malfacile al li elteni. Ankaŭ Lafferty estis grandkorpa, kio povas helpi al klarigo de lia sentostato. Estis multe el li por suferi. Ŝajnas ke la malgranda, drateca kapitano kaj la maldika mezgranda Marlowe pli bone eltenis la suferojn. Tiu aferstato surprizis Marlowe-on mem.

Furdock, kvazaŭ en sonĝo, spasme ekparolis: »Mi jam laciĝis pro la konstanta rigardego al la damnita maro. Nenia fiŝo ekzistas en nia ĉirkaŭaĵo... Kial, pro la diablo, mi ne dronis kun la boato?«

Lasante sian ŝnuron kaj perdante ĝin kun la hoko, Lafferty turniĝis, rapide kiel fulmo; li ĉiufibre tremis, liaj okuloj brilis, kaj liaj manoj fermiĝadis kaj malfermiĝadis.

Li ronkis: »Ho ĉesu... Kiu ĉiam parolas pri la ,stomako'?... Vi eĉ ne havas la ,stomakon' por ,likvidi' tiujn du damnitajn porkojn... por ke ni povu resti vivaj, ĝis kiam ŝipo venos... nur vi kaj mi...«

Furdock sin suprentiris, kaj ankaŭ en li ŝajnis io rompiĝi. Li ronkis kaj duonkliniĝis antaŭen.

»Vi, abomena rato!... paroli al mi kaj ĉiam paroli pri murdo de la kapitano kaj de la ,fraŭlinaĉo'... penante fari el mi sangavidan mortigiston... Vi meritas, ke vin ĉesigu mi, anstataŭe.«

»Kio estas tio?« ekkrakis la kapitano, metante sin inter la du. »Ĉu vi volas diri, ke li proponis...« Li ŝanceliĝis kaj preskaŭ falis, kiam Lafferty puŝis lin flanken kaj saltis kontraŭ Furdock-on.

Sekvis furioza lukto, kaj Lafferty estis subite antaŭenĵetita kaj frapis sin kontraŭ la ĉirkaŭstangon; ruĝiĝinta punkto montriĝis supre sur lia maldekstra ŝultro. Li kliniĝis antaŭen, dume sakrante, kaj etendante sian brakon li prenis stangon el ties ingo, dum li antaŭensaltis. Furdock iris sentime kontraŭ lin; li ŝancelis lin per terura frapo super la koro. Sed la stango, kun obtuza krako, trafis lian kapon, kaj li staris senmove, kaj ŝanceliĝis, kaj fiksrigardis malsaĝe per nubaj okuloj al la spasme-ploranta kaj furioza Lafferty. Poste, kun mieno serioza, li falegis antaŭen kaj frapis la ferdekon. Unufoje li ruliĝis kaj restis senmova.

Lafferty staris super la inerta figuro kaj ree levis la stangon, kiam la kapitano saltis antaŭen, prenis lian brakon kaj baraktis kun li, kriante: »Ekregu vin! Vi estas freneza, homo. Ne estos batalo ĉi tie!«

Lafferty kun blasfemo forŝovis lin kaj gestis, kvazaŭ li volus lin bati. La kapitano retropaŝis, pala kaj streĉita. Li palpserĉis, ankaŭ penante trovi stangon. Kun rido Lafferty ĵetis sian armilon kontraŭ lin; la kapitano kliniĝis kaj paŝis flanken. Li falis per boltingo, kaj la stango trafis lian kruron. Aŭdiĝis klara krako, kaj li akre ekkriis. Li ruliĝis sur la ferdeko kaj penis sidiĝi, palpante la tibion. Lafferty ree ekridis kaj rektiĝante, ĵetis al la ankoraŭ senmova Furdock malican rigardon. Poste li ŝajne rememoris pri Marlowe, kiu staris senmove, kun dorso ĉe la ĉirkaŭstango, kun lipoj firme kunpremitaj.

»Malŝpari nutraĵon kaj akvon por viaspecaj,« diris Lafferty obtuze. »Aĉa pasaĝero.« Li ekiris antaŭen, liaj okuloj brilegis de frenezo. Marlowe tenis sian menspretecon, liaj okuloj estis maltimaj, trankvilaj, kun etaj cinikaj lumoj flugetantaj en ili. Tiel ĝi venis, la bruta provo. La plej taŭga postvivos. La sensenca kaj bagatela etiko, al kiu fidis Furdock kaj la ŝipestro, finfine krevis, kaj la malnova senkompata leĝo funkcias. Marlowe, kun sia kutima scivolo, rigardis la malrapidan antaŭeniradon de Lafferty, kvazaŭ li observus bakteriojn sub vitro. Li sentis, kvazaŭ li estus apartiĝinta de si mem, kaj la tempo ŝajnis halti. Ŝajnis al li, ke Lafferty neniam atingos lian gorĝon.

Kaj kiam la freneziĝinta maristo tion faris, Marlowe agis tute senvole kaj kliniĝis, ekluktante, kaj, kaptante la krurojn de Lafferty, li eltiregis tiujn de sub li. La maristo gargaris furiozajn blasfemojn, dum ili kune falis sur la ferdekon, kaj antaŭ ol Marlowe povis liberiĝi kaj ekstari, du grandaj brakoj estis volvitaj ĉirkaŭ li. Ili ruliĝis sur la ferdeko. Marlowe freneze martelis la vizaĝon de Lafferty. La forta braktenego disrompiĝis, kaj, en freneza momento, Marlowe pensis sin libera. Tiam du poleksoj trovis lian gorĝon, kaj li devis eklukti pro la spiro.

Li neniam kredis, ke li povas tiom lukti. Kaj dum li miris pri sia propra forto kaj aktiveco, dum instinkte li klopodis pri aero kaj vivo, li rigardis en la sovaĝajn okulojn de Lafferty kaj eligis tordan, cinikan rideton. Li havis nenion por plendi. En sia propra malnova ĉirkaŭaĵo li rompadis siajn malamikojn same efike, eĉ se ne perforte, tamen per metodoj same decidigaj. Malprecizan plaĉon li ĝuis, dum li sentis la mallumon lin ĉirkaŭantan, ekkonsciante, ke lia vivmaniero estis korekta. Finfine la homoj ĉiam devis kaj ĉiam devos vivi kaj batali por la vivo laŭ la malnovaj leĝoj naturaj, ne gravas, kiom multe ili neas, ke estas tiel. Li ĉiam tion konsentis, li neniam estis hipokritulo.

Abrupte li ekkonsciis, ke li ruliĝis sur sian dorson, libera. Liaj pulmoj pumpadis la aeron, kaj la suno dolorege brilis al liaj okuloj. Li seke gargaris kaj sufokiĝadis kaj, tute konfuziĝinta, sidiĝis, palpante sian gorĝon. Lafferty kuŝis kunpremiĝinta apud li. Kaj la kapitano estis duonleviĝinta antaŭe, ripozante sur unu kubuto, kun mano dekurbiĝinta sub la pezo de la ĵetita stango. Lia vizaĝo estis pala pro doloro kaj li kapklinis, kiam liaj okuloj frapis tiujn de Marlowe.

»Gustatempe vi lin krevigis... ĉirkaŭligu lin.«

La vortoj eliĝis kiel abrupta ordono, kaj aŭtomate Marlowe levis sin ĝis siaj genuoj, iom ripozis,

kaj poste surpiediĝis. Li ŝanceliĝis ĉirkaŭe kaj trovis iom da ŝnurego. Li rulis la senkonscian Lafferty-on sur ties vizaĝon kaj ligis liajn brakojn malantaŭ lin; la kapitano, moviĝante pli apuden, inspektis la nodojn kaj religis kelkajn el ili.

»Li estas freneza,« la kapitano ekraspis. »Li restu ligita. Ĉu Furdock estas mortinta?«

Marlowe staris balanciĝante sur siaj piedoj kaj fikse rigardis malsupren al la ledeca, miriga hometo. Senpova kaj duonmortinta pro malsatego kaj soifo, li tamen sin ĝenis pri la sanstato de iu alia.

»Mi ne scias,« stulte respondis Marlowe.

»Nu, rigardu, kaj eksciu,« la kapitano ekkrakis. »Ne staru kiel malsaĝulo. Vi estas la sola surpiede, kaj restas por vi zorgi pri la aferoj.«

»Mi komprenas,« diris la pasaĝero, ankoraŭ ne certa pri tio, kio okazis, kaj li transiris al la inerta Furdock. La kapo de la grandstatura maristo estis krevigita, kaj lia vizaĝo sangokovrita. Li peze spiradis, kaj lia korpo kovriĝis per malpeza ŝvito, kio estis mirinda, se konsideri la varmegon kaj ke lia korpo soifis fluidaĵon.

Estante informita, la kapitano ordonis: »Lavu lian vundon per salakvo. En unu el la kajutoj estas tirkesto plena de tolaĵo. Disŝiru ĝin kaj lin bandaĝu. Poste trenu lin apud la ferdek-fenestraron tie kaj starigu por li ian baldakenon. Rulu Lafferty-on malsupren al la ĉefkajuto, se vi povas tion fari... kaj... kaj alportu al mi trinkaĵon... mi kredas min forpasonta.«

Kvazaŭ en sonĝo, Marlowe faris ĉion tion. Kvazaŭ en sonĝo, li okupiĝis pri Lafferty kaj Furdock. Kvazaŭ en sonĝo, kaj sub la instrukcioj de l' kapitano, li trovis splitaĵon de ligno kaj fiksis la rompitan kruron. Kvazaŭ en sonĝo, li kondukis la ŝipestron malsupren en unu el la litoj. Kaj kiam ĉio tio estis plenumita, li malsekigis sian buŝon per kelkaj gutoj de la karega akvo kaj sidiĝis por pensi.

Io okazis kun terurega abrupteco. Ili kvar frontis katastrofon. Kaj nun restis nur unu kun ŝanco por postvivi. Du estas grave vunditaj. La tria estas ĉirkaŭligita kaj ne inda por esti libera. La kvara, li mem, posedas la povon estri la situacion. Postvivo de la plej taŭgaj. Per ia miriga maniero ŝajnas, ke *li* estas *tia*. La akvo daŭrus por li trifoje tiom longe, kiom se kvar personoj ĝin dividus. Vivo. Li povus plilongigi sian vivon por ankoraŭ multaj tagoj, kaj ĉiutempe ŝipo povas alveni. Ĉiam estas espero. Li estas senkompata. Furdock kaj la ŝipestro estu la malsaĝuloj, sed ne li. Ho ne. Li scias sian vojon. Ĉiu homo por si mem. Kaj se la aliaj dividis ĉion kun li? Ili suferis pro aro da strangaj ideoj, kiujn li, sufiĉe honesta kun si, jam de longe forĵetis. Al la diablo kun ili. Ili perdis!

Kaj tiam, kiel duŝo de malvarma akvo, la voĉo



Aladár Farkas *Memportreto*

# La nericevita kiso

— Tamás Haraszti —

De sur la nigraj, blankaj ŝtonkvadratoj de la hospitala ĉambro grimpas la laca lumstrio sur senmovajn kovrilojn.

Vizaĝoj rigidiĝas lacege en la aeron. Ili estas lacaj, sed feliĉego ĝojas en ili. Samformaj vizaĝoj, komunaj sortoj. Patrinoj.

Maltrankvilvizaĝa monaĥino kliniĝas super la flankan liton. Apud ŝi kuracisto staras, senpove, preskaŭ mallerte. Lia manmovo esprimas kvazaŭ humilan kapitulacon. Humilan kapitulacon antaŭ la potenco de ia nekonata, glacia fantomo.

Sur la vizaĝo de la malsanulino promenadas flava lumaraneo, ĝi lumigas la sensangan grizecon de la vizaĝo.

La virino estas trankvila, ŝi observas per malfermitaj okuloj la orflavajn Meduzo-kapojn, kiuj naĝadas en la aero kun minaca mieno kaj ŝi scias, ke ŝi mortos.

Strangaj aferoj venas al ŝi en la kapon, mirinde, alifoje ŝi eĉ ne pensis pri tiaĵoj. Etaj infanaĝaj travivaĵoj traboras, trarompas ŝian subkonscion, kovritan de multaj torturo kaj sufero. Agrablaj melodioj ekfontas el la profundo kaj ŝi sentas ian palan sopiron, ke ŝi surpaperigu ilin, kvankam ŝi neniam okupiĝis pri muziko.

— Ŝi deliras — flustras la kuracisto al la flegistino — ŝi menciadas ian muziknotpaperon.

Antaŭ la virinon prezentiĝas transtere belegaj florkampoj, kun ia tremige bizara, intermiksita kolorpompo.

Nun denove foroscilas Meduzo-kapo, kun malcerta balanciĝado. Kaj ĝi minacas, rigardas severe.

— Kial? — ŝi cerbumas, — jen, kial? Sed ŝi ne havas tempon por okupiĝi pri tio, ŝi ŝvebas nun super la senfina profundo, mozaikita per marmoro kaj ŝi timas, ke ŝi enfalos.

Denove Meduzo-kapo, sed ŝi jam ne sentas teruron pro ŝi, seninterrompe ŝi ŝvebadas super la marmora profundo.

Pordo malfermiĝas ie. Oni enportas la malgrandajn etulojn, miniaturajn ĝermojn de novaj vivoj, kaj la lacaj, svenetintaj patrinoj akceptas ilin inter siajn brakojn.

La malsanulino de la flanka lito rekonsciiĝas por kelkaj momentoj. Sopire ŝi disetendas la brakojn, sed tuj ŝi rigardas kaj nenion ŝi vidas, nur konstante vibrantan Meduzo-kapon. La etulo ploras kvazaŭ por kiso: li rigardas preskaŭ kun sopirplena rigardo. La virino kisus lin, sed ŝi sentas teruran lacon, ŝi povas nur spiradi al li... Jam denove la marmorprofundo... Malvarmaj orkapoj... kaj ŝi ekiras malrapide, malrapide, glitante laŭborde de la marmormuro, malsupren... malsupren...

La etulo atendas eble la kison, sed fortaj brakoj subite lin levas kaj forportas.

*

Orverda herbo fleksiĝas al la somera tero ŝvitanta. Bonodoro, diokreita pompo superŝutas la du gajajn gejunulojn, mole ilin asimilas en sin la somera naturo. Knabo kaj knabino. La kutima epoko de la sunplena

---

de l' ŝipestro ekraspis en liaj oreloj, skuante lin kaj grincigante liajn dentojn.

»Sajne Furdock rekonsciiĝis sur la ferdeko, se mi aŭdas bone... Malsekigu liajn lipojn, sinjoro.«

Kia absoluta kaj kolosa kuraĝo de tiu homo, permesi al si rigardi la aferon, kvazaŭ ĉio estus konsentita. Kvazaŭ eĉ Marlowe estus tia malsaĝulo. Kvazaŭ estus konsentite. Kion sciis la eta malsaĝulo pri la fundamenta etiko kaj naturaj leĝoj? Ĉu ili ne signifas: »Ĉiu homo por si mem,« ĉiam? Ĉu ne Marlowe, la artisto estas pli grava ol nekonata komerca kapitano? Malsekigi la lipojn de Furdock! La kolosa kuraĝo! Kvazaŭ li, Marlowe, tion farus! Permesi al si konsideri la aferon tiel... al la diablo li iru!... Kvazaŭ estus konsentite...

Ili ne devus esti savitaj, mi konsentas. Laŭ ĉiuj reguloj, ili devus esti mortintaj. Ili ne havis unu ŝancon el miliono. Sed, tagojn poste, granda ŝtala plenekipita ŝipo pintpuŝis sian vojon ĉe la rando de la mondo. Ĝi haltis pro frenezulo, kiu dancadis sur kliniĝinta poŭpo de herbaĉokovrita rubaĵo. La dua oficiro, kun ŝipanaro, venis en boato, kaj ili alligiĝis sub la sterniĝanta postaĵo, dum la oficiro suprenlevis sin sur ŝnurego, kiun li trovis pendanta; ĉar ŝajnas, ke la frenezulo ne havis sufiĉan scion maristan, por mallevi ŝtupareton.

»Bonan matenon,« la frenezulo ĝentile elkvakis el la krevintaj kaj nigriĝintaj lipoj, parolante kun malfacilo, ĉar lia lango estis ŝvelinta. »Mi estas Marlowe.«

»Vi estas damne proksima al mortinto, se konsideri vian aspekton,« komentis la oficiro kaj kliniĝis sur la ĉirkaŭstango kun ekkrio: »Ĵetu la levŝnuregon purŝipen! Kaj alligu la kruĉon... tre oni bezonas akvon.«

»Rimarkinda afero, akvo,« ekkvakis la frenezulo, kiu insistis ke li estas Marlowe. Li prezentis teruran spektaklon. Li staris kun unu mano sur la ĉirkaŭstango kaj balancis sin tien kaj reen. Lia vizaĝo estis plena de vezikoj pro la brulanta suno kaj lia vestaĵo konsistis el malpuregaj ĉifonoj. Liaj okuloj aspektis kiel muraj fendetoj, sed ili ridetis.

La oficiro de la granda ŝtala ŝipo gruntis kaj diris nenion, ĝis kiam li levis la akvokruĉon de sia boato kaj ordonis al du homoj, ke ili sekvu ĝin. Li metis la kruĉon sur la stangon kaj komencis elpreni la korkon. Sed Marlowe haltigis lian brakon kaj fingromontris al la ĉefkajuta ferdek-fenestraro.

»Tri viroj... du malsanaj... unu ĉirkaŭligita... freneza... devas havi akvon... alportu ĝin tien.«

»... Donu al vi iom unue,« diris la oficiro, sed Marlowe ŝajne tute koleriĝis.

»Tri viroj... du malsanaj,« li insistis, »ne zorgu pri mi. Mi estas nur damnita malsaĝulo...« Li rigardis tion konsentita. Li ĉesis, videble miregante pri si mem.

La oficiro skuis siajn ŝultrojn. Jam de longe li sciis, ke ne utilas argumenti kun frenezulo. Li svingis la kruĉon sur sian ŝultron kaj faris du paŝojn al la ĉefkajuta ferdek-fenestraro. Tie li haltis, kaj lia acida vizaĝo ekspasmis.

»Malsaĝulo aŭ ne, vi havas ‚stomakon', fileto.«

Marlowe, ĉiam cinika kaj ĉiam kompleza, svingis sian manon kaj ridetis.

»La afero ne estas menciinda,« li ekkvakis. »Tia maniero fariĝis kutimo ĉi tie.«

El la angla: *Georgo Saville.*

sezono por ili nun alvenis. Ili parolas senfine sensignifajn vortojn, delongege ripetiĝantajn kun senĉesa reguleco.

— Estis bele — komencas la knabo, revema naturo, malfrua ekzemplero de la deknaŭa jarcento. — Estis bele, kiam ni hazarde kune genuis ĉe la altaro kaj samtempe forlasis nin la ekĝemo: »Ho Dio, ne estas vere, ĉu ne, ke vi ne ekzistas?« Tiam ankaŭ vi devis esti tre malfeliĉa. Strange same eliĝis el ni ĉi tiu malespera demando. Ni ekrigardis nin reciproke. Ni konatiĝis.

— Jes — diras la knabino — tio estis bela. Ŝi deŝiras flavan floron kaj observas kun serioza interesiĝo, kiel la blanka suko defluas inter la spiraloj de sia fingro.

— Tio estis bela — ŝi aldonas ankoraŭ unufoje, kvazaŭ emfaze. Tio ĉi sonas nun al la knabo stupide, ne konvene, kiel falsa akordo. Li sentas, tio ĉi ne estis sincera.

Tamen, li rigardas la orkoloran knabinfiguron kun ravego. Hodiaŭ... jes... hodiaŭ... li dezirus la unuan kison. Li tre dezirus... Preskaŭ dolĉan guston li sentas en la buŝo, kvazaŭ tiu ĉi pompa, certa, luma bluo kaj verdo, la enspirita aero havus ian dolĉan aromon.

Sed la aromo baldaŭ komencas malaperi de lia gingivo. Nubeto malsupreniĝas inter ilin, ĝi estiĝis el la haladzo de ia sensignifa interdisputo kaj kreskas, ŝvelas je malhela uragana nubego. Almenaŭ tiun ĉi bildon li vidas antaŭ si dum la disputo.

— Je merkredo, vespere, kiam ni renkontiĝos?« — demandas la knabino kaj maĉadas larĝan herbotigon. — La balo estos tiam — ŝi aldonas, pensante, ke li jam ne rememoras.

Sed li memoras. Gis la kolo li ekruĝiĝas, jen estas, kion li ne kuraĝis ekpritrakti.

— Kara mia... — li komencas per senkuraĝa voĉo. Grandajn paŝojn li faras, morttretitaj florkorpoj ekkrakas sukplene sub la piedoj. — Ne koleru, sed... kion fari?... ni ne estas kulpa en tio... Dio atestu, mi irus prefere kun vi, ... ne koleru, mi diras, sed mi kolerigos la tutan societon, se mi ne aperos ĉe ilia dancvespero. Mil diabloj! — li furioze ekkrias, je fatala malfeliĉo de kelkaj floroj.

La frunto de la knabino nubiĝas:

— Ĉu vi ne povis repreni la promeson? — ŝi demandas kun kolera vizaĝo kaj forĵetas la maĉitan herbon. La herbotigeto falas kaj tiriĝas inter siajn ceterajn kunulojn, kvazaŭ ankaŭ ĝi estus tiel freŝa kaj vivanta ankoraŭ, kiel tiuj.

— Mi ne estis kapabla — balbutas timeme la knabo; li estus ankoraŭ daŭriganta, klariganta, sed neeble.

— Nature, ĉio estas al vi pli grava, ol mi! — Tiajn aĵojn ŝi krias kun laŭta voĉo kaj flanken ŝi ekrigardas indigne.

Li provas klarigi, ŝi ne lasas lin paroli.

— Sed mia koro... la tuta kompanio atakus min per riproĉoj, mi ne povas fari, komprenu do mian situacion!

— Ĉio estas pli grava al vi, ol mi! — certigadas obstine la knabino. — Tiel etajn malheŭrojn vi ne povas forigi! Vi ne estas kapabla je tia bagatelaĵo por mi! Tiom vi ne povas fari por mi! Tute certe vi havas iun tie!

Pli kaj pli ŝi instigas sin je la kolero, per la kalkanumo ŝi fosadas la molan teron, poste ŝi subite plandfrapas. Li ne scias, ĉu pro kolero, aŭ ŝi volas nur

## *Sunluma pluv'*

— *Grindel Falk* —

Ne gutu pluvo super mi
Per molaj oraj sagoj!
Amikas ni delonge jam,
De l' infanecaj tagoj.

Ĉu vi memoras, kiel min
Vi superruzis foje?
Sunlumo, vi, kaj la arbar'...
Ho, kiel estis ĝoje!

Tiam mi estis kun knabin'...
Sed nun — promenas sola.
Nur vi, amik', ne lasis min.
Mi dankas, mia mola...

Ĝojigu, kara, min per bel'
Per freŝa ĉarmo tera,
Ke al mi ree venu hel'
De l' horo sensufera!

---

deskui la teron, alglui ĝintan sur la ŝuon? Subite la knabino suprenĵetas la kapon, koleraj harlaskoj flugadas super ĝi kaj ŝi alkrias lin:

— Ni ne parolu plu pri tio, ĉu vi venas aŭ ne?

— Sed... — li balbutas — sed... ja...

— »Sed... sed« vi ripetas. Do vi ne venas! Nu, adiaŭ! Al mi ne alproksimiĝu plu! Adiaŭ!

Ŝi turnas sin kaj rapidas for. La knabo mire postrigardas, li ne komprenas, kiel venis tiu ĉi tempesto, li gapas nekredeme. Sed la knabino iras, eĉ ne returniĝas, ŝi rapidas kun kolera vanteco, kiel unu el tiuj diinoj, kiuj ekdisputis pri la pomo de Eris.

La malesperanta personiganto de l' Eris-pomo tre dezirus kuri post la diino, li tre dezirus ŝin repacigi, sed li nur staras, staradas kaj postrigardas. Sur lia gingivo disfluas amara gusto kaj io doloras, tre doloras en li... li kunpremas la buŝon... forte... tuj, tuj li ekploretas. Jen staras la juna vireto kun malhela doloro; de ie, elinterne, el granda profundo, ekbrilas antaŭ li dubtona bildo... pri eta homburĝono, atendanta malgaja junuleto staradas, senigite je ia multvalora trezoro, li staras kun sopira animo kaj la malforta vento ludas per lia hararo...

Poste li ekiras, kaj kun kvieta, malica volupto disĉifonigas lia plando la profundverdan herbon.

*

La krepusko dronigas la tria-etaĝan ĉambreton en multegan grizon. En griza, eluzita vesto sidas griza maljuneta sinjoro apud tableto kaj legas. Alitempe li jam delonge ne vidus, sed nun li ne rimarkas la malhelon. Ĉirkaŭ li ĉio grizas kun malesperiga samformeco. Li studadas kajeron, eble li eĉ ne rigardas, nur vidas la skribaĵon, taglibron de sia mortinta edzino.

»... post unu semajno!« — nevidebla lumo apras sur la papero — »Tiam estos mia geedziĝa festeno. Sur nulon falas la grafikono de mia vivo. Kaj ĝi malleviĝas al »minus senfina«. Kelkfoje mi sopiras je nirvano, mi dezirus senmaterie, sen spirito kaj animo, sed tamen *ekzisti,* observi la groteskan ridindan kaj sensukcesan klopodon de la almateria ligiteco por malkovri min aŭ pli bone mian mondon kaj ridi pri ili senvoĉe, kun senmateria rido. Alian fojon bolas mia

## La Reĝino

*— Moréas —*

Sur rulŝtonoj flu' rompiĝas,
Kaj la luno blanke grizas.
O la trista kantileno,
La zefiro sur l' ebeno.
— Elfoj, kun la junka kron',
Ĉu vin logos danca rond'?

Hu! hu! la arde' ridaĉas,
Kaj l' anaso time klaĉas.
Trap! trap! trap! sorĉist-galopo
Sur la kapro, fantom-lupo.
— Elfoj, kun la junka kron',
Ĉu vin logos danca rond'?

Post la grota muskfenestro,
Ruĝbarbul', l' imperiestro,
Dormas, kun la frunt' en mano;
La kornikon gvatas nano.
— Elfoj, kun la junka kron',
Ĉu vin logos danca rond'?

Matenruĝ' jam elmergiĝas,
Rejna bordo rozfarbiĝas,
Kaj forflugas la ĥimeroj
Kvazaŭ svarm' el efemeroj.
— Elfoj, vin, kun junka kron',
Ne plu logas danca rond'.

El la franca: *Ora Johano.*

## La elfoj

*— Leconte de Lisle —*

Kun kron' el lavendo kaj el rosmaren',
La ĝojemaj elfoj dancas sur l' eben'.

El la boska pado, kutima cerv-iro,
Sur nigra ĉevalo rajdas kavaliro,
L' ora sprono brilas en la nokta brun';
Kaj kiam li rajdas tra la bril' de lun',
Oni vidas: fulmas kun rebril' serpenta
Sur lia hararo lia helm' arĝenta.

Kun kron' el lavendo kaj el rosmaren',
La ĝojemaj elfoj dancas sur l' eben'.

Ĉiuj lin ĉirkaŭas, svarmeto leĝera,
Kiu ŝajnas flugi en la mut' aera.
»Kavalir' aŭdaca, vi tra l' nokt-seren'.
Kien rajdas? — diras la juna siren',
Frekventas l' arbaron spiritoj malbonaj:
Pli bone, dancadi sur freŝoj gazonaj.«

Kun kron' el lavendo kaj el rosmaren',
La ĝojemaj elfoj dancas sur l' eben'.

»Ne! La fianĉino kun okul' volupta
Atendas, kaj morgaŭ estos tago nupta.
Lasu min forrajdi, elfoj de l' herbar',
Kiuj tretas ronde sur muska florar';
Min ne malfruigu for de l' amatino:
Jam aperas lumoj de la matutino.«

Kun kron' el lavendo kaj el rosmaren',
La ĝojemaj elfoj dancas sur l' eben'.

»Restu, kavaliro. Mi, reĝino, donos
L' opalon magian, kaj ore vin kronos,
Kaj pli multvaloran ol glor' kaj fortun'
Mian robon donos teksitan sub lun'.«
»Ne! diras li. — Iru!« Kaj per fingro blanka
Ŝi tuŝas la koron al la vir' palvanga.

Kun kron' el lavendo kaj el rosmaren',
La ĝojemaj elfoj dancas sur l' eben'.

La nigra ĉevalo sub la sprono drasta
Ekkuras, saltegas, iras senprokrasta:
Sed la kavaliro tremas pro l' aŭgur',
Je l' vido survoje de blanka figur'
Marŝanta sen bruo, brakojn etendanta.
»Elf', spirit', demono, lasu min rajdanta!«

Kun kron' el lavendo kaj el rosmaren',
La ĝojemaj elfoj dancas sur l' eben'.

»Lasu min rajdanta, fia halucino:
Mi rajdas, por nupti, al mildokulino.
— Edzo mia kara, la eterna tomb'
Estos nia lito nupta, diras l' ombr':
Mi estas mortinta!« Kaj li, je ĉi vido,
Pro am' falas morta, en angora frido.

Kun kron' el lavendo kaj el rosmaren',
La ĝojemaj elfoj dancas sur l' eben'.

El la franca: *Ora Johano.*

---

sango, mi ribeladas, kaj dezirus rompadi. Mi estas en adoleskaĝo. Mi suferas, terure. Tiaj sentoj estas miaj florknabinoj sur la vojo al la altaro.«

La griza eluzita hometo sidas longtempe senvoĉe; ne distingeble li asimiliĝas al la senkonsola, blinda nigreco.

»Eble mi estas sur la Saturno, eble ankoraŭ sur la tero. Mi ne scias. Sentojn, pensojn mi ne havas. Maŝino mi estas: mi ellitiĝas, manĝas, pretigas la litojn, enlitiĝas: mi ne ekzistas. Fremdulo iradas tien kaj reen en la loĝejo. Tio ĉi estas la sola varieco: se li envenas — io prenas lokon sur mia brusto; se li eliras — mi libere ekspiras. Malleviĝas la flekso de l' grafikono ...«

»... infanon mi naskis. Fremde mi alrigardas lin, nenia feliĉa patrinsento en mi estas. Mi malsupreniĝas jam en la nirvanon, kien mi tiel multe sopiris.«

La elektra ardlampo estingiĝis per unu ekbrilo. La griza eluzita homeco suprenrigardas ektimigite, turmentite, la doloro sufokadas lian gorĝon. Ĉi tiuj kelkaj taglibro-paĝoj diris al li nenion novan, sed denove ekfulmas en li la turmente, suferige indiferenta sono de la malaperinta, neniĝinta voĉo. Fremdulo! ... Li ja sopiris nur je *unu* varma kiso, treege li sopiris, tutan vivon sian li estus doninta por ĝi... Sed, estante fremdulo, li ne ricevis ĝin... La malvarmema virino mortis, la infano foriĝis malproksimen kaj neniam plu... neniam plu efektiviĝos la revo.

La larmoj ekruliĝas el la okuloj de la griza vireto kaj li ploregas en la malhelo. Sed la malhelo estas surda.

*

De sur la nigraj blankaj ŝtonkvadratoj de la hospitala ĉambro grimpas la laca lumstrio sur senmovan kovrilon.

La grizhara, kavvizaĝa maljunulo malaperas inter la kusenoj. Estas bone enprofundiĝi inter plumamasojn



# OBSERVO

SWINBURNE
(1837—1937)

*Renkontiĝo kun la cent-jara poeto*

La cent jaroj de la poeto. La unua, tenta, malfacila centjaro. Pri la dumil-jara, eĉ pri la ducent-jara poeto, ni jam kredas, ke li estas klasikulo, ĉar ni ne legas plu liajn verkojn. Poste sekvas la vortabundaj barokaj poetoj, la klasikuloj kaj la romantikuloj, sed kien ni vicigu la cent-jaran anglan poeton? Li estis viktoriano — ni diras senŝarĝiĝinte kaj per tio ni feliĉe provizis lin per epiteto, kiu nenion diras pri li.

La vera literaturo estas ĉiam ribelo kaj en tio ankaŭ la pasintjarcenta angla literaturo ne estas escepto. La viktoriana nebulo kaj enuo povis surkuŝi Londonon kaj la anglan provincon, sed la prerafaelidoj — ĉu en Italio, ĉu en la mezepoko — serĉis ĉiam klarajn, profundajn kaj brilajn kolorojn. Tiuokaze ju pli la spaco kaj tempo malproksimiĝas de l' individuo, des pli ili fariĝas unu tuto. La plej grava temo estis de la angla etburĝo — kaj estas ankaŭ nun — la vetero, — sed unu ribelinto, — Browning — en malklaraj, kelkfoje nekompreneblaj frazoj, serĉas malantaŭ la muziko, skulpto kaj vivo la homan animon. Eĉ Tennyson, la laŭreata poeto de la pluŝ-sofa epoko, kiu, per sia »Enoch-Arden«, faligis salajn larmojn el la okuloj de la varmkoraj filinoj de etburĝaj familioj, eĉ Tennyson ĝuste tiam povis esti granda poeto, kiam li fariĝis ribela kaj senrespondeca. Kaj en la fino de tiu ĉi epoko, aperis la plej sovaĝa kaj plej tepida ribelanto, Oscar Wilde, pafanta per paradoksoj.

Nur tio estas la demando: ĉu la anglaj poetoj estus same tiom ŝatintaj la belecon, ankaŭ se ne Anglio estus ilia patrujo? Dum jarcentoj gvidas en la angla poezio la fadeno de belkulto, kaj tiun belecon karakterizas ĝuste tio, kio ne estas en ĝi ekstreme karakteriza, ke ĝi ne ilustras la belecon de la angla ĝardeno, arbo aŭ pejzaĝo, kiel tion pentris Constable, sed ĝi estas mem la beleco en sonoj, vortoj kaj muziko. Jen la kaŭzo, kial en la poezio de ajna nacio la melodio de la vortoj ne havis eĉ similete gravan rolon, kiel en la angla lingvo. La tajda, perlanta muziko de vortoj en nenia poemo sonas pli bele, ol ĉe Swinburne.

Sed — pasis cent jaroj, de kiam la poeto naskiĝis kaj antaŭ dudek ok jaroj li estis entombigita. Anstataŭ la poeto, nun la libro staras antaŭ la juĝistaro. Ĉu sufiĉas jongla verstekniko por la eterno? Supereca klero kun tia decidemo kaj harditeco, kiu nepre ĉagrenas la hodiaŭan homon? Ĉu muziko? El Wagner nur la muziko restis por ni, la bataloj ĉirkaŭ li jam delonge mutiĝis, ni eĉ ne komprenas ilin, sed la memfido kaj supereco ankaŭ ĉe Wagner nin konsternas kaj fremdigas — jes, ĉar, ni konfesu, ni estas hezitemaj, ni vivas, parolas, agas heziteme kaj kapbalance kaj ni rigardas malbonhumore la grandajn kreintojn de pasinteco, kiuj ĵetis nevideblajn ankrojn en la venkintaj militoj kaj industria prospero kaj ligis al tiuj ankroj sian memfidon kaj firmecon. Jen: ĉi tie estas Swinburne, kiu efektive ne estis viktoriano, sed super kiu la epoko etendis sian pacan kvieton, kiun tiu epoko dotis en Putney Hill per bele establita loĝejo, kun gaslumo dum la frupostagmezaj vintraj tagoj; unue per la amikeco de Victor Hugo kaj poste per tiu de Theophile Gautier kaj per la firma kredo, ke *estas en ordo*, se li sidiĝas ĉe sia skribotablo kaj verkas versciklon pri la Toskania printempo, la Northumberlanda vintro, Auvergn-a somero kaj Cornwall'a aŭtuno. Ni konstatu: ĉiam estos printempo, somero, aŭtuno kaj vintro same, kiel ĉiam estos sopirantaj homoj, kiuj deziras imagi sian Budapeŝtan aŭ Birmingham-an printempon en Toscana. Kaj ĝuste tio estas nun la bazo de la poeta eterneco. La alia, se li akiris por si jam dum sia vivo tian bonfamon, ke ankaŭ post lia morto oni enmanigu liajn verkojn. La unua fazo por la eterneco estas la morto de poeto; la dua, kiam oni legas liajn verkojn, sed li mem estas nekonata; la tria, kiam oni ekkonas la poeton, forgesas la versojn kaj el la verkisto fariĝos bombasta nomo sur statua piedestalo.

Sed ni estus maljustaj al la centjara Swinburne, se lian poetan valoron ni rigardus elĉerpita per lia muzikeco. Estas ja senco malantaŭ la vortoj. La triumfanta saĝo en la batalo kontraŭ minimalismo-realismo. Kaj tiu saĝo fariĝos la servisto de la beleco, de la beleco en senligiteco. La poezia rivero de Swinburne disiĝas en du branĉojn. Unu el ili torentas la belecon de la greka mitologio, forlasitajn ĝardenojn, solecajn arbojn kaj malnovajn

---

kaj nenion alian vidi, nur molan blankecon. La maljuna sinjoro amuziĝadas per la kusenoj. Strangajn figurojn desegnas la faldoj kaj tiuj ĉirkaŭsaltadas lian kapon. Ekstran amuzaĵon li trovas en tio, ke li donas ĉiam alian formon al la siluetoj per siaj tremantaj, malgrasegaj manoj kaj tiel bivakas ĉiumomente alia societo ĉirkaŭ lia kapo.

La maljuna viro scias, ke tiu ĉi mola blanka kuseno premas sovaĝe la ŝultrojn, tiel sovaĝe, ke li ankaŭ ne povas liberiĝi vivante el ĝiaj ungegoj, eĉ ekprovi estus vane; li ankaŭ ne havas forton, energion por ekprovi. Li scias, ke li jam ne forlasos tiun ĉi liton.

Starante sur la fino de l' vojo, li nun rerigardas; prezentiĝas antaŭ liaj okuloj la tuta horizonto. Ne estas en ĝi ĝojo. Sur la loko de liaj grasaj spikoj bruas seka pajlo; liaj egaj verdaj arboj cindriĝis je nigra karbo, nur unu restis, el tiu oni ĉarpentas al li ĉerkon.

La malsanulo rigardas tra sia dezerta vivo. Kaj li trovas, ke super la vundantaj, pikaj ŝtonoj nubas nigra malbeno. En sia tuta vivo, neesprimeble, kun arda buŝo, li sopiregis, avidis je kiso, je varma, elkora, feliĉiga kiso, post kiu la animo ardas en ĝojfebro... Sed la nubego ĉiam sendis detruan fulmon, kaj tiu, ĝuste en la lasta momento disbruligis en la mezo la realiĝon.

La neefektiviĝinta sopiro de la maltrafita vivo pleniĝas lin per ploriga doloro. La pordegoj fermiĝis malantaŭ li, ili ombras sur lin malafablan silueton kaj li rigidiĝas kun treme kaduka genuo kaj glacia konsterniĝo antaŭ la ŝlositaj vojoj. Ĉu li iros jam? Li estus ja ankoraŭ... li estus ja ankoraŭ dezirinta deŝiri tiun unu floron, post kiu li etendis tiel sopirante la manon... Ĉu jam neeble? La malsana, maljuna vireto komencas silente plori, tiel fluegas la larmoj el la okuloj... kaj tiel, tiel multe li sopirus resti ankoraŭ iomete.

Sed neeble. Blanka lumstrio ekbrilas en lia okulo.

Oni vokas min! — li flustras. Liaj manoj ektremas.

Flegistino preteriras. Kaj la malfeliĉa maljunulo alspiras ŝin:

— Kara flegfratino... mi petas... vin... tre... petas... vin... kisu min...

Almenaŭ la parfumon li eksentus de tiu neatingebla floro! Plu li ne povas jam pensi, ĉar estas mallumego, nur la brilstrio lumetas vibre... Sur tiu li grimpas... grimpas...

La flegistino aŭdas mirante la kuriozan deziron. Iomete ŝi hezitas, sed poste ŝi paŝas tien.

— Lasta deziro de mortonto — ŝi pensas, kaj kliniĝas super lin.

Sed tuj ŝi reteruriĝas. En tiu momento el la malsanulo foriris la vivo. *(Fino.)*

anglajn baladojn: la alia la suprenflugintan belecon kaj liberecon. Jen alia fakto, per kiu Swinburne-on ni povas legitimi: la poeto, kiu verkis samfacile france, itale kaj latine kiel angle, ne subiĝis al sia propra estetika kulturo, sed vivis sian epokon kaj restis la adepto de la libereco, kiun reprezentis post 1848—1859 la hungara kaj itala popolo, respektive du homoj: Kossuth kaj Mazzini. Swinburne skribis unu el liaj plej belaj sonetoj al Kossuth. Mazzini, vivanta en Londono, havis al li grandegan personan influon, kiu kulminis ne tiom en lia italo-amo, kiom en la malamego de l' aŭstroj. En unueco estas la forto kaj en malamego la unueco — Browning kaj Swinburne estis ja tute for de la amasoj kaj de ties komuna opinio tamen, en pli alta spirito, ankaŭ ili estis influitaj. »Super lumina Babylonis« fremde kaj eminente sonas la titolo de italamika poemo de Swinburne; sed, malantaŭ titolo kaj vortoj, li restas tamen la kunulo de sia epoko. Swinburne estas samtempulo, eĉ se li estas pozitivisto, kiam li tiom kredas en la forto de la homo forlasita de Dio, kiel Nietzsche.

Sed, finfine, ĉio ĉi estas nur literaturhistoria dokumento. Ni serĉas la vivantan poeton kaj tiam torentas la orkestra muziko de la Swinburnea lingvaĵo, kiu sorĉas min kaj ravas. Ĉi tie estas la kerno de eterneco, ĉi tie, en la beleco, kiu povas esti la beleco de formoj, koloroj, linioj, aŭ tiu de la ruliĝantaj versoj, kies vortoj aliteracie kunkroĉiĝas kaj gracie saltadas antaŭen. Artefarita — diras kelkaj kaj estas certe, ke la versoj ne en tia formo naskiĝis en la cerbo de la poeto. Sed kiom degradas la valoron de l' verkisto, se li ankaŭ komprenas sian metion, kaj ne nur skribas, sed ankaŭ verkas samtempe? Neniel. Ne ekzistas alia, nur konscia verkado kaj nasko estas definitive ligita kun larmoj kaj suferoj.

Ni ne diskutu nun, ĉu ĝi estas artefarita, ĉu ne. Estas fakto, ke Swinburne estas la plej muzika poeto de la mondliteraturo.

Kaj nun ni lasu la poeton. Iom heziteme, iom timante ni postrigardas lin — ni, vivantaj, la mortinton — kiu aliros pluajn dubajn jarcentojn. Ĉar ni, vivantoj, tute ne kredas nian estonton, nek tiun de la mortintoj.

Dio! Ni petas pri la kredo de la malnovaj ŝtongravuristoj, kiuj konstruis dum generacioj la arkajn turojn de gotikaj temploj kaj estis samtempe estinto, estado kaj estonto. (Sz. T.)

## LA TRAGIKA JUNECO DE RUDYARD KIPLING

Antaŭnelonge aperis en Londono la lasta verko de *Kipling: Something of Myself* — Ion pri mi. La lasta libro de la granda angla verkisto faris kompreneblan sensacion en la angla literaturo. Tiu ĉi libro estas evento, ne nur pro tio, ke ĝia aŭtoro estis laŭtvoĉa esprimanto de la ideo de la brita imperio. Kipling rigardis la literaturon ludilo de la angla imperio kaj pro tio Bernard Shaw kondamnas kaj primokas lin. Sed en ĉi tiu verko Kipling revenis al la pura literaturo; inter ĝiaj linioj ni ne sentas la centvarian kaj unuesencan klopodon de la imperio, sed simple temas pri persona demando: pri lia infaneco. Se veras la konstato, ke la distancoj profundigas la eblon de observo kaj donas impulson, veran fundamenton de la arta travivo, tiuokaze la lasta verko de Kipling centprocente subtenas ĉi tiun vidpunkton.

La »Something of Myself« estas la plejgranda, plejhoma kaj plejalkora verko de Kipling. Kion la maljuna Bernard Shaw diros pri tio? Ĝis nun li kritikis ĉe Kipling, ke tiu viktime submetis sian individuecon al ideo; li ne povis sufiĉe prononci la grandan kaj neripareblan eraron de la adorantoj de Kipling: la verkisto de la koloniaj heroaĵoj havis nur fortunon; fakte, oni ja apenaŭ povus lin nomi verkisto; li povis nur subaĉeti la humoron de la popoloj per certa stilo, kiun li sukcesis kapable profitigi. Pri ĉi tiu percepto ni ja povus diskuti dum tagoj, sen ke ni atingus rezulton. La vidpunktoj estas diferencaj. Sed Kipling: per ĉi tiu verko, baldaŭ post sia morto, respondis ankaŭ al tiuj, kiuj riproĉis al li lian britan konscion, amon. Nun la artisto donis sian individuan efektivigeblaĵon.

La voĉo de tiu ĉi libro diferencas de la aliaj. Estas en ĝi malnova voĉo, kiun iam mi aŭdis en mia infanaĝo, tiam, kiam mi legis la libron »*The Jungle Book*«. Kvazaŭ la sama voĉo; eble la nuna estas iom pli dura, staras pli proksime al nia koro, ĉar el la brua, senorda kaj fabela scenejo de la praarbaro la homo aperas ne en sia potenca, forta esenco, sed en sia infaneco, en la evolua epoko de la profundaj, malklaraj kaj malcertaj suferoj.

La historio komenciĝas per tio, ke la eta Kipling revenis el Hindio en la Insullandon, por ke li lernu ĉi tie la efektivan anglan vivon kaj poste reiru al la kolonioj fortiĝinta per la travivaĵoj de la vera naskolando, por tie daŭrigi la penigan laboron, per kiu oni efektivigis la kolosan imperion kaj defendas ĝin kontraŭ ĉiu detruanta danĝero. Tiu ĉi kutimo ankaŭ hodiaŭ ekzistas en la brita mondimperio: la junuloj, kies gepatroj vivas en Hindio aŭ ie malproksime, venas hejmen, ili faras tie siajn studojn kaj poste reiras tien, kien destinis ilin la sorto. La gepatroj restas en la kolonioj. Se ekzistas eblo, la infanoj iras al parencoj, se ne, al »edukgepatroj« aŭ al edukejo.

Tiel venis Kipling al Anglujo, juna, sub gardon de »edukpatrino«, en la urbeton Southsea apud Portsmouth. Tiu virino havis la profesion eduki infanojn kontraŭ bona pago, sen ke ŝi komprenus ilian klopodon, vivoformon. Al ĉiu senescepte ŝi volis altrudi siajn individuecon, bizarajn principojn. Verŝajne ŝi estis malsana, ĉar en ĉiu imagebla maniero ŝi torturis la infanojn zorgatajn. Malmulte da fantazio ŝi havis pri la koncepto de la brita imperio, ŝi izolis sin inter la limoj de sia propra malbonvola vivo. Precipe ŝi turmentis Kipling, kiam ŝi nur povis. Kaj ne nur ŝi turmentis la knabeton, sed ankaŭ ŝia filo, kiu estis pli aĝa ol Kipling, dekdujara. Kipling rememoras, ke la virino, kiu estis tre religiema, ĉiutage legigis per la filo partojn el la biblio, poste lasis ilin solaj, kaj tiam ŝia filo senmotive alsaltis la malfortan knabeton kaj batis lin, dum li havis emon por tio. La patrino sciis pri tio, sed ŝi ne zorgis pri ĝi. Oni malsatigis lin. En lia ĉeesto oni batis ankaŭ la aliajn, eĉ knabinojn.

— Neniam mi aŭdis pri la infero, — skribas Kipling en sia libro —, sed tiam subite mi rimarkis. Jes, tio estas la infero. Iun tagon unu el la knabinoj ne plu povis elteni la malsaton kaj ŝtelis manĝaĵon el la kuirejo. Oni rimarkis kaj batis ŝin. Mi sentis, ke tio doloras pli multe, ol se oni batus min. Ĉar mi jam kutimiĝis al la ĉiutaga batado.

Oni eltrovis la plej diversajn manierojn de torturo, por ke oni suferigu lian junan vivon. Oni malhonorigis ne nur lian korpon, sed ankaŭ la animon: oni nomis lin mensogulo. Precipe la filo de la edukpatrino disvastigis tiun famon, ke »Kipling ĉiam mensogas«. Foje, kiam ili venis el preĝejo, Kipling komencis rideti, ĉar li rememoris pri io. Infanoj ofte ridas, eĉ sen kaŭzo.

— Kial vi ridas? — demandis lia torturanto.

— Nur mi ridas, — respondis Kipling.

— Vi mensogas denove. Neniu ridas sen kaŭzo.

Kaj la tutan urbon plenigis la famo. En la infanmondo ĉiu parolis pri la mensogema Kipling. Ankaŭ la plenkreskuloj rigardis lin mensogema. Lia volforto paraliziĝis. Kien ajn li rigardis, li vidis barilojn, murojn kaj sur ili estis skribita per flamaj ruĝaj literoj la vorto: MENSOGEMA.

Li vivis sola, oni kvazaŭ eksigis lin. Ankaŭ lerni li povis nur malfacile. Oni ne permesis al li legi librojn laŭplaĉe. La librojn, kiujn li aĉetis per ŝparita mono, oni forbruligis. Familia, arbitra *aŭtodafeo* en angla urbeto, estas same aĉa, kiel tiu alia, kiam tuta nacio klopodas manie mortigi la liberan anoncanton de la penso: la libron.

Li troviĝis en mallerta kaj neebla mondo. Li sentis, ke eĉ ne ekzistas liberiĝo. La fantazio, la pura ĝojo de infano estas senfina, sed same profunda estas lia sufero kaj malespero. Li estas senpotenca, senhelpa.

En liaj tagoj nur tio portas kvietigon, kiam vizitas lin lia onklino, maljuniĝanta virino, kiu demandas, kiel

statas lia sorto, kian prizorgon li havas, ĉu la homoj estas krudaj? Kvazaŭ ŝi konjektas la tragikan vivosorton en la rigardo de la infano. Sed Kipling silentas, li ne parolas, ne plendas, eĉ li mem ne scias kial. Li akceptas la suferon, kvankam li ne estas ruso, li ne estas romanfiguro de Dostojevskij, sed estas angla kaj la angloj ŝatas la sanan, simplan vivon, laŭeble sen konfuzo, do bonhumoran. Tiam li ne povis respondi al la onklino, sed nun ankaŭ tiun demandon li esploras pli detale.

— Poste mia onklino, kiam mia terura vivo malkovriĝis, ofte, tre ofte demandis, kial mi ne plendis al ŝi eĉ unufoje pri tio, kiom oni turmentas min.

La infanoj nur iom pli multe komunikas al la plenkreskuloj, ol la bestoj.

La onklino fine tamen sciiĝis pri la malhumana traktado. Kipling tiam observis jam duone blinda la okazajojn de la vivo. La edukpatrino ja havis tiun strangan amuzon, ke ŝi kun la infano, kiu ŝatis legi, — multe »legigis« ĉe malbona lumigado, ke li preskaŭ blindiĝis.

La onklino sendis intiman amikon, ke li »esploru la situacion«. Kaj nun vana estis la senkulpiga okulturnado de la edukpatrino, oni forportis Kipling el la »infera domo de torturoj«.

Li reiris al Hindio, al la gepatroj, al la patrino. Nun li jam volis paroli pri la senhonorigoj, korpa kaj anima sufero, sed li povis nur plori.

Poste li vivis pli trankvilan, pli justan vivon. Sed la rememoro de tiuj ses jaroj restis en li. La batoj, ricevitaj en la junaĝo doloris ĝis la fino de lia vivo, eble li eĉ ne havis pli gravan travivajon. Tiu ĉi sufero antaŭpreparis lin por la vivo, penado, verkado.

Ankoraŭ neniam oni verkis pli kortuŝan libron pri suferoj de infano. Aŭ eble, nur mi ne legis. La doloro estas pli profunda, pli neelĉerpebla, ol la ĝojo: la doloro kaŭzas la morton, la ĝojo la vivon. Foje-foje el la nekonateco aperas libro, sciigo de nekonata homo, soleca helpokrio, kiun eble aŭdas multaj, sed aŭskultas malmultaj. Tiu de Kipling verŝajne ne estas tia. Nur pli stranga ol la aliaj. Homo ĝis sia morto, eĉ pli longe, silentas, ĝis siaj ostoj cindriĝas en la ĝardeno de neniiĝo, kaj tiam li komencas paroli pri sia infaneco pri siaj suferoj, kun kiuj li komencis la vivon.

Tie ĉi ne nur la homo, sed ankaŭ la artisto plendas, veas kaj raportas. Li rakontas sian vivon kaj pentras brilegan mediodesegnajon pri la angla urbeto, pri la homoj, kiuj estas bonaj kaj malbonaj, malkredemaj kaj kredemaj kaj ofte la kredemaj estas malbonaj kaj la malkredemaj kompatemaj.

Kipling ne faris alion, ol citi sian infanecon, serĉi la senkulpigon de la malbonaj, kun malmulta sukseco. La »edukpatrinon« li povas defendi nur per tio, ke »ŝi estis grasa kaj eble pro tio estis malbona«.

Tiu ĉi libro estas profunda kaj nekutima verko de la granda angla verkisto, malgraŭ la kutima historio, ja ne estas la unua okazo, nek en la vivo, nek en la mondliteraturo, ke plendas senhelpa infano. Sed estas io, kio gravigas la signifon de ĉi tiu verko: homo parolas pri sia infaneco, post la morto, en la tombejo kaj ĝuste en tio ni povas senti la tutan mallertan tragikon de nia mortema vivo. *(L. Sp.)*

## NOVA ROMANO DE FRANZ WERFEL.

Franz Werfel nun finis novan romanon »Höret die Stimme« (Aŭdu la voĉon). Aŭtune aperos ĉi tiu nova kreajo de la poeto, li mem nomis ĝin »sia konfeso«; la manuskripto ampleksas 800 paĝojn. Antaŭ unu jaro Werfel komencis la laboron, kaj ĝi nun ricevis ĝian definitivan formon.

»Oni eble, pro la titolo, supozas, ke mia nova romano estas biblia. Tio ne ĝustas« diras la poeto. »La romano komenciĝas kaj finiĝas en la nuntempo. En la agado estas ĵa momento, en kiu granda epoko estas enŝlosita, la tuta antikva mondo, escepte la fruantikvon. Ĉio tio en formo, kiel ĝi neniam ĝis nun estis provita. Mi akcentas: ne temas pri kadrorakonto, sed pri io nova en sia speco. La momento de la jaro 1936, se tiel diri, estas kvazaŭ



Aladár Farkas *Mortpatrino*

returnportata kaj tiu momento efikas kiel muzika motivo. Ĝi iĝas la ĝermoĉelo por la agado, kiu ampleksas mondojn kaj tempojn.

La profeto Jeremiah, la ĉeffiguro de la romano, donas tiom da aspektoj, kiuj parolas al la hodiaŭa homo, ke la agado, kvankam forigita en la antikvon, estas plena de la plej fortaj aktualajoj. La profeto Jeremiah, la plej impona, kiun la historio konas, estas priskribita ne nur kiel religia homo, sed same ankaŭ kiel politikulo, kiel socireformulo kaj kiel interne senkompromisa antaŭbatalanto por la humaneco, en la epoko de plej profunda morala malordo. La vera antagonisto de Jeremiah, en plej forta maniero, estas la popolo mem. Kiel konate, mi skribis iam biblioludon. Tiel okazis, ke mi longe kaj intense okupiĝis pri la studado de la biblio. De tio restis en mi certaj sentorestoj. Kaj subite, iutage, venis tiu inspiro, kiu formas la ĉefproblemon de la libro. La ĉefproblemon, kiu konsistas en la provo fari la pruvon, ke la spirita kaj homa grandeco postulas la kontraŭdiron, kontraŭstaron kaj la malaprobon de la mondo, en kiu oni vivas. Oni povas esti granda ne kun, sed nur kontraŭ la mondo.« Tiel proksimume ĉirkaŭskribas la poeto la plejan esencon de sia nova laboro, per kiu, li kredas, li trovis formulon, kiu kaptas ĉe la radiko la ĝis nun ne formulitajn fundament-demandojn de la metapsika vivo. »La voĉo de dio parolas en ĉiuj tempoj, ankaŭ en ĉi tiu. La vera tasko de la homa genio estas, aŭdi ĉi tiun voĉon.«

*F. W. V.*

## KIEL ONI IMAGIS LA VIRINOJN DE LA 20-A JARCENTO.

Kiel pensis grandaj spiritoj ĉe la jarcentoturno pri la virinoj de hodiaŭ.

Paris-a gazeto demandis je la jarcentoturno siajn legantojn, kiel ili imagas la virinojn de la 20-a jarcento. Jen kelkaj respondoj el tiu tempo:

Leoncavallo, la komponisto de »Bajazzo« diris: »Ho dio, kiel artisto kaj poeto mi eksentas frostotremon, se mi pensas pri virinaj advokatoj, virinaj kuracistoj kaj virinaj

bankistoj. La virino estas amo, idealismo kaj memofero. Ŝi restu tia. Tiamaniere ŝi daŭros regi la mondon.«

Francois Coppé, plej ŝatata poeto de tiu tempo en Francujo, skribis: »En la nuna momento en Paris laboras dudek kuracistinoj. Sed ili trovas nur malmultan klientaron. Sed mi ne povas imagi societon, en kiu la virinoj estos kuracistinoj kaj advokatinoj, serĉantaj vivtenon sur la tramo aŭ du-rado. Mi vidas forlasitaj la infanojn, konfiditaj al la prizorgo de servistoj. Kaj pro tio mi deziras, ke la virino de la estonto, almenaŭ iom, similu al la virino de la hodiaŭa Eŭropo.«

Theodor Mommsen, la granda germana historiisto, evitis la respondon: »La virino de la 19-a jarcento kaŭzis al ni jam tiom da cerbumado, ke estus same malĝentile kiel vane, antaŭdiri eĉ nur per kelkaj linioj, kia estos la virino de la 20-a jarcento.«

George Ohnet, konata romanverkisto, profetis nenion. Li diris: »De kiam ekzistas la mondo, nenio ŝanĝiĝis ĉe la virino, krom ŝiaj vestaĵoj. Jam en la tempo de la kreado Eva montris sin tia, kia ŝi estas hodiaŭ. Tiam ŝi havis ja nur unusolan vestaĵon: sian hararon. Hodiaŭ ŝi surportas jupon, puŝmanikojn kaj riĉe falditan kolumon. Ŝajnas, ke ŝi tre ŝanĝiĝis. Sed ŝi restis, kia ŝi estis.«

Georg Brandes, la filozofo, skribis: »Mi pli volonte volas paroli pri deziroj, ol pri supozoj. Mi opinias, la justeco postulas, ke la laboro de la virino devas esti pli bone pagata. Ankaŭ en la sentovivo de la virino, ŝanĝo estas necesa. La duono de la virinaj sentoj estas foruzitaj de la ĵaluzo kaj tamen ne ekzistas pli aĉa sento ol ĉi tiu. La fariseaj juĝoj pri needzinigitaj virinoj, kiuj havas neleĝajn infanojn, devas ĉesi. Oni devas doni al la virino, ĉu edzinigita ĉu ne, la eblon, eduki sian infanon, sen veni en la danĝeron, esti eligita el la societo.

Marcel Prévost, aŭtoro de multaj sukcesaj romanoj, respondis: »La inteligenteco de la virino de la 20-a jarcento kreskos kaj fortiĝos kaj per tio ankaŭ ŝia sento por sendependeco. Ŝi havos malpli da pasieco, sed ankaŭ malpli da hontemo. Ŝi okupiĝos pri siaj personaj interesoj, estos egoista, sed sobre egoista, kio ne malhelpos daŭran simpation al iu viro. Ŝi havos malpli da ĉarmo, malpli da sorĉo, sed pli da certeco. Malpli da delikateco, pli da prudento. Tiel mi imagas la virinon de la dudeka jarcento.

Camille Flamarion, la mondfama franca astronomo, diris: »La emancip-aspiroj de la virino ne kondukas al feliĉo. Kion la virino povas gajni, se juna knabino surgrimpas la ŝtalĉevalon (biciklon)? Tio ne estas virineca, ne ĉarma. Kaj ne sana. . .«

Respondis ankaŭ simplaj homoj, el kiuj bakisto el la antaŭurbo Vincennes de Paris donis plej trafan respondon. Li diris: »La virino de la 20-a jarcento ĉiam havos sian lokon ĉe la flanko de sia edzo. Ŝi estos amanta fianĉino, edzino, patrino. Kompreneble ŝi ankaŭ devos akomodiĝi al sia tempo; kaj pro kio ne estus virineca gimnastiki? Pro kio la virino ne ankaŭ fortigu sian spiriton kaj sciigu sian scion al la mondo? La kreado zorgos por tio, ke ŝi pro tio ne forgesu en si la patrinon.«

*F. W. V.*

## LA POPOLO DE LA »PUSZTA«

Antaŭ nelonge aperis la hungara verko: *Puszták népe*, de Gyula Illyés.

Pusto *(puszta)* signifas hungare ne nur la stepon, la marvastan paŝtejon, pri kiu Petőfi kantis, — en la lingvo de Transdanubio ĝi eĉ tute ne signifas tion. Ĝi estas io, kio konstruiĝis en la mezo de grandbienoj, ĝi estas aro da servistloĝejoj, staloj, veturilejoj, grenmagazenoj, — ĝi ne estas farmo, ĉar sur la farmo vivas ofte nur 1—2 familioj, — sur la »puszta« ofte 100—200. Apud ĝi staras kastelo, granda, kun belega parko. Post la kastelo, la plej bela konstruaĵo estas la bovo-stalo. Poste venas la loĝejoj de la agronomoficistoj kaj nur *poste* la tute ne belaj ejoj de la filoj de la »puszta«. Pri ĉi tiuj ni legas en la menciita libro.

La verkisto mem diras, ke la libro temas pri klaso de la hungara popolo, pri kiu *neniu* iam ankoraŭ skribis, kvankam ĝi entenas *duonon* de la loĝantaro de nia lando.

Pri kamparanoj ni multe legis, multaj el niaj plej bonaj verkistoj rakontis pri ili, sed la popolo de la pusto estas io tute alia. La servutulo, kiu posedis teron, jam en la tempo de la reĝo Mátyás (15. jarcento) malestimis la »senteran serviston«, — verŝajne pli ol lin la grandbienulo. Do, tiu ĉi libro temas pri tiuj, kiuj staras *sub* la plej malriĉa terposedanto, pri la senteruloj, la kamparservistoj.

Sed krom tio, ke ĝi temas pri io ankoraŭ ne konata, la libro estas leginda kiel verko de vera majstro, poeto, kiu montris per sia propra ekzemplo, kiajn neuzatajn fortojn kaŝas la kamparo, kiel malfacile, vere nur *hazarde* trovas tiuj ĉi fortoj la vivdonan vojon de la evoluo. Apenaŭ kelkaj, en la *tuta* lando, el tiu ĉi (larĝa klaso, vizitas mezlernejon.

Gyula Illyés mem estas filo de la »pusto«. Mirinde ĉarme li rakontas pri siaj geavoj, gepatroj, geparencoj, — pri la tuta granda aro de tiu ĉi popoltavolo. Li revokas siajn rememorojn por malleviĝi per ili en tiun profundan, varmegan tavolon, kiu time kaŝas sian kaosan mondon de ĉiu fremda rigardo, kaj kiun ekkoni ankaŭ aliaj povas eble, sed kompreni nur tiu, kiu *devenas* el ili.

Li kvazaŭ starigas statuon antaŭ nin, kiam li priskribas la maljunan oĉjon Tóth. Kvarangula tatara vizaĝo, preskaŭ nur osto kaj haŭto, kurba figuro, la grizetaj lipharoj pendas en la buŝon, la marŝado estas ursa, la fingroj kurbaj, spasmaj, li malfacile eksidas kaj ekstaras, doloras lia flanko.

La aliaj, la »sinjoroj«, scias pri tiu ĉi popolklaso, ke ili estas servemaj, respektemaj homoj. Jes, servemaj ili estas, ili estas *servist*popolo. Ili estas humilaj, ne pro neceso, kalkulo, sed pro jarmila heredaĵo. Certe estas, ke ĉiu bono, kion oni povus diri pri *servisto*, estas direbla pri ili. Ili estas senpretendaj, obeemaj, tiom ke oni kvazaŭ ne bezonas ordoni al ili, ili telepatie plenumas la dezirojn de la mastroj. Se ili ne estus tiaj, ili jam ne ekzistus, aŭ ne *tiel* ekzistus.

La sinjoroj nur *tion* scias pri ili, aŭ nur pri tio ili estas scivolaj. Sed ho, kiom povas rakonti pri ili la verkisto! Ni jen ridas, jen larmas, jen miras, jen koleregas — kaj ĉiam hontas, ke tiel fremde oni vivas en la najbareco de la *duono* de samlandanoj.

Leginte la libron, ni jam ne sentas ilin fremdaj. La verkisto multon rakontas pri ili. Kion rakontu mi? . . .

Antaŭ la 3-a matene vekiĝas la »pusto«. La homoj prenas akvon en siajn manplatojn kaj disfrotas ĝin sur la vizaĝo, precipe sur la okuloj. Ankaŭ la sinvestado ne daŭras longe. Je la 3-a okazas la unua manĝdonado al la bestoj. Ĉirkaŭ la kvara oni gratadas, brosadas la bovojn.

Je la 5-a ricevas la bestoj la duan porcion. Nun ankaŭ la servistoj povas matenmanĝi. Inter la duono post la kvina kaj la sesa matenripozo. Precize je la 6-a eksonas la milda Anĝeluso. Tiam ĉiu devas esti sur la ŝarĝoveturilo. Intertempe aperas ankaŭ la porkistoj, ĉar ili kaj la ĉevalistoj leviĝas nur je la kvara. La ŝafistoj, la plej nobla kasto inter ili, je la kvina. La falĉistoj je la dua. Kiam la krepusko iĝas lumo, la »pusto« jam faris sian unuan laboron. — La »pusto« vivas, laboradas. Je la 11-a ekiras stranga procesio, kvazaŭ mezepoka rito: la edzinoj tagmanĝon portantaj. Ili portas kun rekta dorso, sur la kapo, la malnovan grandan buŝelon, en kiu bone se estas iom da supo, plej ofte nur peco da pano kun unu kukumo. La tutan tagmanĝon de la »pusto« povus alporti 3—4 virinoj — ili tamen ĉiuj iras: pastrinoj de la nutrado. Poste denove malfacila laboro ĝis krepusko. Kiam la lasta forko da fojno estas ĵetita antaŭ la stalon, la servistoj atendas la ordonojn por la sekvanta tago. Vespere ili bone lavas sin kaj komenciĝas la vivo *en* la ejoj, pri kio oni povus rakonti — ho kiel multe! Dimanĉe ili pleje ŝatas la fabeladon. Tiuj ĉi grizharaj kurbdorsaj viroj distras sin per fefabeloj por infanoj. Kun brilaj okuloj ili aŭskultas la aventurojn kun la grifbirdo. Pri materialaj aferoj ili apenaŭ paroladas. Kial ili povas tiel laŭte, sonore ridi, kanti, ŝercadi? Ilia vivo ja vere ne

estas gaja. Por havi ion, ili devas — šteli, kaj la štelado estas memkomprenebla kutimo. Okazas epidemio inter la porkoj. Du porkidoj de iu servisto mortis. La porkisto portas unu el la mortintaj porkoj, nokte, en la porkostalon de la bienposedanto. Jes, ili ruze interŝanĝas la mortinton kun la vivanto.

Labori ili ne amas, ili laboras nur malrapide, laŭ ordono, kiel la bestoj, iliaj konstantaj kamaradoj. Tio estas instinkta defendo, mimikro, ĝi havas kialon kaj utilon. Ili ne estas mallaboremaj, sed tre malrapidaj. Ĝis iu stalservistmastro elprenas la pipon el la poŝo, tio daŭras duonhoron. Sed se ili farus sian laboron rapide, — ĝi ne estus eltenebla.

Por igi ilin labori, en multaj lokoj oni eĉ nun ankoraŭ batas ilin. Ili akceptas tion kun stranga sintenado. La batado per mano ne estas humiliga, sed la uzo de bastono aŭ vipo evitenda. Interparolado okazas ĉiam krie. La aero ŝajnas esti tie alia ol ĉe ni, medio, en kiu la voĉo pli malfacile antaŭeniras. La servistoj aŭskultas la kriegajn ordonojn indiferente, kun ŝtona vizaĝo, ili moviĝas, kvazaŭ ili vekiĝus el sonĝo, kvazaŭ Adamo, kiam li ankoraŭ estis duone argilo.

Inter si mem ili estas kverelemaj, sovaĝe kruelaj. En la »pusto« Ozora, post la paska reviviĝceremonio, foje la ebriaj servistoj pendigis ĝendarmon sur la drinkejpordon, farinte kun li ĉiun kruelaĵon, kiun ili lernis pri Jesuo en la katekismo. Tiun scenon rigardis la duono de la loĝantoj de la »pusto«.

Multon sciindan rakontas la verkisto ankoraŭ: pri ilia amvivo, donacemo, lernejoj, legaĵo, kuracado, superstiĉoj.

La bildoj estas preskaŭ ĉiam malhelaj. Kio fariĝos el tiu ĉi popolo, se la maŝinoj faros ilin tute superfluaj? La verkisto vidas en la vizaĝo de la servistoj la frenezan rigardon de dronantoj.

Ĉu la verkisto diras la veron? (Mi rememoras pri statistikaj tabuloj, pri grafikonoj, kiujn mi vidis en ekspozicioj agrikulturaj kaj kiuj prezentis la bonan socialan staton de la tieaj servistoj.

Mi ne volas informiĝi unuflanke. Sed nuntempe, kiam la vivo laŭtas pri »popola politiko«, oni unue sciu, legu, lernu, — kaj poste juĝu.

Kiel mi jam diris, la verkisto venis el tiu ĉi popolklaso. *Li* iĝis sinjoro. Kortuŝe sincere li rakontas, ke li ruĝiĝis, kiam lia avino, dum lia vizito, riproĉe admonis lin: »Ne malfermu la fenestron, aŭ vi jam ne povas toleri nian odoron?« — Jes, la malnovaj karaj hejmaj odoroj iĝis turmentaj, sufokaj monstroj. La odoro de la nesto konsistas el mikso de fulgo, malvarmaj legomoj, sekiĝanta tolaĵo, fumanta petrollampo. En la kara jupo de la patrino, en kiun la infano tiel volonte kaŝis la vizaĝon, li malkovras nun la rancecon de la lav-akvo. La fermentanta brasikbarelo pelas lin el la ĉambro. »Kompleta sinjoro« — li aŭdas la mokajn vortojn de la siaj.

Jes, *retrovi* la vojon estas malfacile, *trovi* ĝin, preskaŭ neeble.

Sed la libro estas *tre* leginda.

*Aŭgusta Taborsky*

## LA POLA FILMO

*Warszawa*, en julio 1937.

En la filmateliero »Sfinks« meze inter brilegantaj reflektoroj mi renkontas amikon Jean Forge. Li staras vigle diskutanta kun la reĝisoro Henryk Szaro (filo de konata kongresparo ges-roj Sapiro). Scenejo: magazeno de loteri-biletoj!

»Jes, modernigita Nestroy,« diras Forge, »jus la vagabonda trio aĉetas bileton kun numero, pri kiu ili sonĝis — kaj kompreneble ili gajnos milionon!«

»Kaj vi faris la t. n. »turnlibron«. Sed diru rapide ion pri la pola filmo ĝenerale.«

»La pola filmo, laŭ mi, ludos, en la venontaj jaroj, rolon sur la eŭropaj ekranoj. Ĝis nun oni produktis filmojn precipe nur por enlando. La pola lingvo, la ŝataj enlandaj aktoroj garantiis sukceson. La tekniko lamis, sed en la lastaj jaroj oni pliperfektigis ĉion — laboratoriojn kaj filmhalojn, da kiuj ni havas tri! Lastjara produktonombro: 28 filmoj plenvesperaj! Temoj? Precipe historiaj, ofte suprajaj komedioj. Kelkaj filmoj vere sur alta nivelo, ekz. »Barbara Radziwillówna« (historia) aŭ »Tredowata« (konata romano).

»Kaj en tiu ĉi jaro?«

»Kelkaj vere interesaj temoj: »Halka« opero de Moniuszko, kun Kiepura-frato, filmigo de konataj romanoj »Dziewczeta z Nowolipek« (Knabinoj de Nowolipki) kaj »Znachor« kaj granda historia filmo »Kosciuszko pod Raclawicami«. Ĉiuj filmoj havas grandan ŝancon trovi aprobon eksterlande. La plej granda pluso de la pola filmo estas la alta kvalito de la aktoroj. Se oni trovos homojn, kiuj kapablos verki scenariojn (la eterna demando!), kaj kuraĝajn reĝisorojn, ekestos majstro-verkoj. La pola filmo progresis laste tiom, ke oni rajtas esperi multon. Certe, ni ne estas ĉi tie tiel feliĉaj, ke ni disponus pri profesiaj »film«-aktoroj en la vera senco de la vorto. Ĉiuj aktoroj ludas en teatro por vivteni sin kaj la filmo estas por ili nur aldona enspezo. Tial la polaj filmreĝisoroj devas esti duoble lertaj por direkti la teatro-kutimajn aktorojn.«

»Kaj vi ne intencas verki plu en Esperanto?« — mi demandas la verkiston.

»Certe, mi volas, treege volas« — respondas Forge kaj, montrante al la filmistoj ĉirkaŭe, daŭrigas kun rideto: »Sed ili ne lasas min! Mi verkas scenariojn per internacia komprenil-instrumento, kia estas por mi la filmo. Sed cetere, vizitu min en septembro, tiam vi vidos min jam kiel reĝisoron turnantan sian unuan grandan filmon »Melodia bocznej ulicy« (Melodio de apudstrato)«.

»Mi gratulas! Interesa temo, ŝajnas...?«

»Originala temo el la hodiaŭa Varsovio«, — klarigas la aŭtoro —, »kun la plej talentaj geaktoroj: Andrzejewska kaj Jaracz! Kaj mi treege dezirus montri al la esperantistoj mian filmon en Esperanto. Sed tion ni devos prokrasti ĝis la venonta kongreso, ĉu ne?«

Mi devas flankenpaŝi, ĉar la sceno estas filmpreta. Signalo. La polaj komikuloj, inter ili la fama Sielanski, batalas kun la vendistino, volas konvinki ŝin, ke ili pagos la loterian bileton tuj, kiam ili estos gajnintaj la milionon! Sed kompreneble ŝi ne volas — malgraŭ ke — (kaj tio estas la stranga afero ĉe la filmo) ŝi hieraŭ en tiu sama magazeno jam elpagis la gajnitan milionon al ili!

*—u.*

## M. A. BARNES: EDNA

Sendube atentinda simptomo estas, ke en la moderna mondliteraturo ekanstataŭis la cetere tre interesan, instruoplenan kaj ankaŭ el verkista vidpunkto tre dankan artspecon de *trigeneraciaj romanoj* alia artspeco, kultata ĉiam pli ofte kaj per ne malpli da vervo, ne malpli da entuziasmo. Aŭtentikan kaj akceptitan difinon kaj nomon ankoraŭ ne havas tiu ĉi artkategorio. Manke de pli bona oni nomas »karier-romanoj« aŭ pli simple kaj malpli signife-konjektige »vivromanoj« tiujn ĉi skribaĵojn, kiuj malsamas de siaj mortantaj artspec-fratoj en tio, ke ili ne rakontas la vivon de tri generacioj, sed tiun de sola homo, ordinare ekde lia naskiĝo, ĝis certa periodo de lia vivo, sed pli ofte ili komenciĝas ĉe la plenkreskinteco de l' heroo kaj tiel ili kondukas la leganton tra dudek-tridek jaroj ĝis ia granda evoluŝtupo, aŭ se la emo de l' verkisto tiel diktas, ĝis la ripoziga, kvietiga, trankviliga fino.

La romanon de l' ĉi-jarcenta amerika virino priskribis la verkistino antaŭenerupciinta el la nekonateco sole

antaŭ kelkaj jaroj, *Margaret Ayner Barnes*, kiu dume gajnis ankaŭ la Pulitzer-premion kaj hodiaŭ ŝi jam apartenas al la plej legataj kaj plej sukcesaj verkistoj de Ameriko. *Edna his wife* estas la titolo de l' romano, 628-paĝa, aperinta en la eldono de *Houghton Mifflin Company*, kies heroinon ekirigas ĝia kreintino en ŝia 20-a jaro.

Edna kaj Pearl Losser estas la filinoj de amerika etburĝa familio. Ilia patro estas staciestro en Blue Island, urbeto en Illinois. En hejma laboro, en tepida samformeco pasadas iliaj tagoj. Ambaŭ havas jam ankaŭ destinitan fianĉon. Tiu de l' pli maljuna knabino estas Shoob Schultz, germandevena junulo, primviolonisto de malgranda salonorkestreto, kaj tiu de Edna, Al Reimer, fervoja bremsisto. Edna, dum ĝardena festo, konatiĝas kun Paul Jones, juna advokatkandidato. Paul enamiĝas je la unua vido al la beleta juna knabino. La gepatroj malvolonte akceptas la proksimiĝon de l' junulo. Paul Jones ne havas familion, neniun li havas, li estas trovita infano, li edukiĝis en vartejo de trovitaj infanoj. La junulo ne multe ceremonias, li forfuĝigas Edna-n kaj edziĝas kun ŝi en Chicago. Nur post la naskiĝo de Jessie, la eta nepino, mildiĝas kaj pardonas la malesperaj kaj indignegaj Losser-gepatroj al la forfuĝintaj gejunuloj. Paul Jones estas klopoda, diligenta juna viro. Li perlaboras bele ĉe la fama Chicago-a advokatfirmo (amerika specialajo: advokatfirmo!) kaj bele li vivtenas sian familieton. Baldaŭ oni partoprenigas lin eĉ en la firmo, naskiĝas ilia dua infano Paŭĉjo — Paul Junior — la junajn geedzojn oni jam konsideras en la elitaj rondoj de Chicago. Dume ankaŭ Pearl edziniĝas kun Shoob, la idilio estas preskaŭ plena kaj senĝena, sed tiam trafas la etan familion terura sortobato. Al la Losser-gepatroj okazas, ĉe ekskurso, morta katastrofo: la troplena promenŝipo perdas sian ekvilibron, renversiĝas kaj kune kun centoj da homoj ili dronas en la akvo. La milito eksplodas, Paul Jones translokiĝas al Washington kun sia familio; anoncas sin por militservado; iĝas »militlaboristo« (war-worker, tiel ĝin nomas la libro); lia famo, bieno plimultiĝas; li fariĝas riĉega homo. Je l' fino de la milito li trovas jam Washingtonon malvasta kaj, malgraŭ la malespera protesto de Edna, malsaneme teruriĝanta de ĉiu ŝanĝiĝo, translokiĝas la familion al New-York. Li mirinde progresas en sia profesio. Kiel milionulo li jam kalkulas; loĝas en luksa loĝejo; liaj infanoj iom post iom plenkreskas. Lia filo, lia iama espero, iĝas sentaŭga frivolulaĉo kaj kiel 24-jara li edziĝas kun eksedziĝinta virino pli maljuna ol li, kun du infanoj. Lia filino edziniĝas kun bone perlaboranta kuracisto. Lin mem iom post iom ektedas sia edzino. Li havas de 15 jaroj amatinon, kion la virino ekscias inter tute konsternaj cirkonstancoj, sed fine ŝi pardonas kun dolora rezignacio al sia edzo. Dume ankaŭ ŝi »finfaris sendanĝeran, sed malbongustan flirton kun la neforgesebla rusa princo de l' amerikaj virinoj, kiu — ni eĉ ne devas diri, ĉu ne, — laborgajnas kiel dancmajstro, poste en unu el la plej belaj, plej ravaj scenoj de l' romano, ŝi renkontiĝas, laca, maljuniĝanta, kun sia iama fianĉo, Al Reimer, kiu estas jam forte proksime al sia sesdeka jaro ĉi tiam, li estas familiestro, kaj konduktoro sur ekspreстrajno. Eksplodas la suprajo de l' konscio, du homoj renkontiĝas en kiso kaj ĉesas en du homoj tridekkvinjara streĉo. Edna kaj Paul vivas eĉ hodiaŭ, se ili ne mortis.

### KION DONIS »KRAKOVAJ TAGOJ« AL LA POLA KULTURO?

Jam en la pasinta jaro estiĝis komitato por aranĝo de »Krakovaj Tagoj«, grandioza festo de la pola antikva ĉefurbo, kies celo estus doni ĉiujare en junio al pollandanoj kaj fremduloj eblon renkontiĝi kun la plej noblaj akiraĵoj de la pola kulturo sur ĉiuj kampoj. Bedaŭrinde, la kruela sortobato la morto de nia neforgesebla marŝalo Józef Pilsudski devigis la komitaton prokrasti la belan feston. Ĝi okazis nun, en junio kaj sukcesis impone.

Alten suprenleviĝas la turoj de la S-ta Maria preĝejo, jam de malproksime salutante la alvenintojn en la pramalnovan ĉefurbon de Pollando. Vespere lumiĝas la ora krono, dediĉita al la sankta Patronino de la poloj, kaj de la gardoturfenestretoj sonas al ĉiuj direktoj de Polujo kaj la mondo, pere de la radiondoj, la hejnalo plej bela signalo de la vivanta nacio de Pollando.

Al la malnova ĉefurbo pola, el kies muroj, sub la komando de marŝalo Józef Pilsudski eliris la unuaj soldatoj de la renaskita patrujo, venis en gastemajn, malfermitajn pordegojn grandaj pilgrimantaroj. Alvenis aroj de fidelaj polaj filoj, vivantaj sur pola tero kaj aliaj poloj, kiujn la sorto devigas vivi en malproksimaj landoj, kaj kun ili venis fremduloj, kiuj jam ekkonis ĉiujn mirindaĵojn de la granda mondo, sed ankoraŭ ne konis nian landon.

Ne ekzistas en Pollando pli konvena loko ol »Kraków«, urbo de Stwosz kaj Kopernik, Matejko kaj Wyspianski por aranĝi tiel gravan por la propagando de la pola kulturo, solenan feston. La malnovaj muroj alparolis la alvenintojn per siaj legendoj, kanto kaj muziko.

Pleniĝis la trankvilaj stratoj vualitaj per la nebulo de jarcentoj, pleniĝis la internaĵoj de grandiozaj historiaj

## Ĉinaj Paraboloj

Tradukis: Venlo Fon

### TIO NE KONCERNAS MIN.

Estis viro, kiu malsanis je piedabsceso neelporteble dolora.

»Traboru la muron por mi,« li diris al la servisto.

Kiam la truo estis farita, li etendis la piedon tra ĝi en la ĉambron de la najbaro.

»Kion vi faras tie?« demandis la servisto.

»Ĝi doloru en najbara domo! Tio ne koncernas min!«

### KIRURGO.

Estis kirurgo, kiu fanfaronis, ke li bone scias kirurgion. Kolonelo, trafita de sago eniĝinta profunde en la ventron, revenis de batalkampo kaj lin venigis por kuracado. Li detondis la finon de la sago per bona tondilo kaj petis honorarion.

»La parto de la sago en la ventro bezonegas operacion!«

»Tio estas interna kuracado. Strange, ke vi tion trudas al mi, kirurgo!«

### PACIENCO

Oficisto estis ironta preni sian oficon. Lia intima amiko lin adiaŭis dirante konsile:

»Ne estas alia malfacileco en oficado krom pacienci.«

Li jesis.

La amiko ripetis la konsilon, du fojojn, tri fojojn, kaj li ankoraŭ jesis.

Sed kiam la amiko kvar kaj kvin fojojn ĝin ripetis, li diris kolere:

»Ĉu vi pensas min idioto? Nur ĉi tiu unu vorto, kial ĝin ripeti senfine?!«

»Mi nur ripetis du pliajn fojojn, kaj vi koleras. Ĉu vi povas pacienci?«

konstruaĵoj kaj muzeoj, ornamitaj per urbaj kaj naciaj standardoj.

Pleniĝis la ekspoziciaj artsalonoj per verkoj de malnovaj kaj nuntempaj artpentristoj. Laŭ la modelo de Parizo, la juna generacio de la pentristoj aranĝis tre interesan ekspozicion sub la malnovaj fortikaĵturoj de Floriana Pordo. Antaŭ la Urbdomo flugpendas en la vento la standardo de la »Krakovaj Tagoj«, la standardo de la pola kulturo.

Okaze de la Kristkorpa Tago, la plej grandioza katolika festo, preĝis la tuta Polujo. La krakova ĉefplaco fariĝis kvazaŭ unu granda preĝejo, kies arkaĵon formis la ĉielo. Pola Romo, urbo de pramalnova religia kulturo.

Eksonis kaldronoj — eksonis janiĉara orkestro — sur la ĉefplaco aperas minaca tataro sur ĉevalo. La festo de Lajkonik, memore al la liberigo de la urbo el la tataroj, okazas ĉiujare, sed okaze de l' »Krakovaj Tagoj« ĝi aspektis kiel granda popola spektaklo.

Tra la krakovaj stratoj traŝoviĝas pitoreska grupo, kvazaŭ vivanta vizio el mezepoka jarcento. »Pafista Reĝo«, ĉirkaŭata de siaj korteganoj, en riĉaj, mezepokaj vestaĵoj vizitis la ĉefplacon kaj revenis al la sidejo de la Pafista Korporacio en la Pafista ĝardeno, kie li subskribis, en la ĉeesto de la urbregistaro, la akton de abdiko.

Kvazaŭ elŝorcitan fonon prezentas por diversaj aranĝoj de grava karaktero la du kortegoj — la glora kortego de la reĝa kastelo sur Wawel kaj la estimplena kortego de la malnova Jagellona Biblioteko. Ambaŭ, dank' al sia harmoniplena kaj ĉarma arĥitekturo, vekas en la ĉeestantoj misterajn akordojn dum la dramaj spektakloj ludataj sur ilia fono. Sur la korto de Jag. Biblioteko Kopernik haltigis la sunon kaj ekmovis la teron. Sur la wawela kortego reviviĝis la mezepokaj nobelturniroj kaj okazis interesa ŝakludo sur ĉevaloj. Traŝoviĝas tra la stratoj de la urbo la »Krakova Edziĝfesto«. Kun bruo kaj vilaĝmuziko aperas krakovaj vilaĝanoj en riĉe ornamitaj vestaĵoj — aŭdiĝas kanto de nia tero, pri nia tero. La pasintenco renaskiĝas. Eklumiĝas la fajroj de la Kupala-festo. Sur Vistulo fluas malproksimen ĝis la Balta Maro la florkronoj; kantas flosistoj kantojn pri la reĝino de la polaj riveroj — Vistulo. Florkrona festo — Vistulo lumigita per centoj da multkoloraj raketoj kaj artaj fajroj aspektas kiel fajra rubando sur la fono de la fabele iluminita reĝa kastelo.

Vespere la efektplena iluminacio de la plej belaj partoj de la urbo, de la draphalo, de la plantejoj kun fiŝlageto kaj ŝprucfontano, de la belegaj florgazonoj, faras iluzion de ia fabela lando el mil kaj unu noktoj.

Sur la placo de S-ta Spirito akceptas ĉiujn dancemulojn Majstro Twardowski. Blonia, la bela antaŭurbo dum unu nokto iĝis kvazaŭ dua urbeto . . . »gaja urbeto«, konstruita en la nova kvartalo, kie unu grandioza konstruaĵo elkreskas apud la alia. Ĉie novaj stratoj, okcidenta komforto sur ĉiu paŝo, kaj en tiu bela muzeo de novaj domoj la plej bela allogas nin — allogis ankaŭ nian junan majstron Jan Kiepura, kiu jam duafoje ĵetis la riĉan donacon de sia talento grandanime por kunagi en la konstruo de nia fiero — »nacia muzeo« en la koro de Polujo, Kraków.

La koncerto de Jan Kiepura kronis kvazaŭ glorplene la »krakovajn tagojn« dank' al neforgeseblaj impresoj en la koroj de ĉiuj ĉeestantoj kaj aŭdantoj.

Vespere la 24-an de junio en la tago de S-ta Johano eklumiĝis la arkada kortego sur Wawel per lumoj de diverskoloraj reflektoroj. Krepusko — ĉie homamasoj — ekfluis pola kanto sur la ondoj de Vistulo kaj sur la ondoj de la vento kaj akompanis ĝin kun korbato miloj da dankemaj aŭskultantoj sur Wawel kaj ĉe radiaparatoj.

Kun Jan Kiepura, kiu ĝenerale estas nomata »neoficiala ambasadoro de Polujo« iras tra la mondo pola kanto, pola melodio, parolanta pri nia lando. Granda, efika, plej nobla propagando! *Nusia Bertizanka.*

## LA PLEŇA VORTARULO

Ne, kara leganto, ne estas eraro, ekzistas vere tia kaj mi volas rakonti al vi, kion mi travivis hodiaŭ. Estis post la tagmanĝo, kiam venis al mi almozpetanta esperantisto, kiu iam, antaŭ unu jaro, jam estis ĉe mi. Ankaŭ tiam mi tre miris pri li, ĉar li tute ne akceptis monon aŭ manĝon, kvankam li vivas nur el tio, kion li ricevas almoze, sed li petis nur pri Esperanto-legaĵoj, ĉar »monon kaj manĝon mi povas ricevi de iu ajn, sed ne Esperanto-legaĵojn«. Nu, mi tuj rekonis lin kaj invitis veni en mian ĉambron. Tie ni parolis pri lia vivo de nigranta almozpetanto. Li rakontis, ke li migras de loko al loko kaj pasigas la tempon, studante ĉiutage dum kelkaj horoj Esperanton. Li montris al mi la duan eldonon de la Plena Vortaro kaj kelkajn kajerojn, en kiuj li nete kaj eĉ per inko enskribas la enhavon de la Plena Vortaro, paĝon post paĝo. Li esperas enskribi la tutan vortaron kaj jam elkalkulis, kiom da paperfolioj li bezonos por tio. Li asertis, ke li tiamaniere plej bone studas la lingvon, kiun li cetere sufiĉe bone parolas. Li ankaŭ portas en la butontruo la stelon kaj kiam mi demandis lin, ĉu li ne estas ofte demandata pri ties signifo, li respondis: »Ho, la policistoj kaj ĝendarmoj jam konas la stelon, nur la kampuloj ofte opinias ĝin ia komunista insigno«. Mi ankaŭ demandis lin, ĉu li ne timas malsaniĝi kaj li respondis: »Nu, mi devas manĝi, kion oni donacas al mi, tio ne estas multo, do mi ne timas malsanigi mian stomakon, kaj, ĉar mi ĉiam estas en freŝa aero kaj tre amas la sunon, mi esperas resti sana.« Li eĉ ne havis mantelon kaj mi demandis lin pri tio. Li diris: »Ne gravas, se pluvas, mi ie substaras kaj atendas, mi ja havas tempon.« Li nun estas 31-jara. Pri lia pasinta vivo li rakontis, ke li vizitis la popol-kaj burĝlernejon, poste laboris kiel helplaboristo kaj nun estas senlabora jam de jaroj. Mi demandis: Kion vi pensas pri via estonteco?« Li respondis simple: »Nenion. Migradi.« »Kiel vi konatiĝis kun Esperanto kaj kion ĝi signifas por vi?« »Mia frato trovis sur la strato lernolibreton kaj donis ĝin al mi kaj mi komencis lerni. Esperanto nun estas mia »amata ĉevaleto«, per ĝi mi pasigas la tempon.« Mi donacis al li kelkajn Esperanto-libretojn kaj malnovan jarlibron de UEA, sed li ne estis kontenta, li nepre volis havi de mi Esperanto-gazetojn, kiujn mi bedaŭrinde ne povis al li donaci, ĉar ilin mi kolektas. Do li grumblis ion kaj adiaŭis. Lia nomo estas Anton Schrempf, li estas el Stirio, Aŭstrio.

Strangaj homoj en Esperantujo! Kaj tamen — lia vizito postlasis en mi ian amaran senton — ne nur pri lia sorto — ankaŭ pri la mia. *F. W. V.*

## Juliette Baudin-Vatré mortis

En la lasta momento frapis nin ĉi tiu sciigo kaj ni apenaŭ povas tion kredi. Tiu juna, bela, vigla virino, kun la okuloj radiantaj de intelekto! Ŝajnis, ke pli sana estaĵo eĉ ne estas imagebla! Longe ŝi instruis en Nederlando; tie ŝi prezentis la scenigitan Majan Idilion, laboris gaje, entuziasme pri poezio, kanto, muziko, Esperanto. Ŝia poemo aperinta tiutempe en L. M. brilas de vivo-ĝojo.

Antaŭ duonjaro ŝin atakis grava malsano kaj hodiaŭ ŝi ne plu ekzistas.

Ŝiaj poeziaj verkoj ne estas ampleksaj, sed ŝi estis unu el la plej belaj promesoj de nia literaturo. Kaj ŝi estis fidela kaj adorata kunulino de nia konstanta kunlaboranto Henry Vatré, pro kio duoble nin afliktas tiu fatala sciigo. Ni komprenas, kion signifas perdi tiom amatan estaĵon. Sed ni esperas, ke la energio, kiun amiko Vatré ĉiam elmontris, venkos lian malesperon kaj li starigos al ŝi monumenton per siaj laboroj! *L. M.*

## La skulptisto Aladár Farkas

Juna, energia, pensema. Per tiuj tri vortoj mi povas karakterizi la skulptiston Aladár Farkas. Mi povus diri, ke li estas progresema, politikema filozofo. Se li ne estus skulptisto, li certe trovus en alia materialo la rimedojn sin esprimi, kelkaj diras, ke liaj temoj ne estas tiuj de skulptisto, ke liaj motivoj estas novecaj kaj pro tio eble por iuj ankoraŭ ne sufiĉe kompreneblaj.

Farkas estas noveca ne nur en la elekto de la temo, sed ankaŭ en la kompono. Li naskiĝis en la periferio de Budapest, en la urbo Ujpest, estas filo de malriĉaj gepatroj, kiuj deziris vidi sian filon metiisto. Dumtage li laboris en fabriko kaj vespere sekrete li lernis desegni kaj modeli. Iutage li forlasis sian okupon kaj vivas de tiam plene al sia arto. Ankoraŭ en la vespera lernejo li ellernis la modeladon kaj post la fino de siaj studoj li komencis la memstarajn laborojn, kies plejparton li jam planis en la lernejo.

Unu post alia li pretigas la skulptaĵojn »Memportreto«, »Mortpatrino« »Embrio«, »Viktimo«. Tiuj ĉi skulptaĵoj esprimas ĉiam pli kaj pli da pensoj. Lia »Memportreto« estas la simbolo de senpoveco antaŭ la vivo, la »Mortpatrino« emblemas la ĉiaman ripetiĝon de la naskiĝo kaj morto. Per la skulptaĵo »Viktimo« li esprimas la teruron de la milito en simpla formo, kvazaŭ montrante: rigardu min, mi venas el la milito. La skulptaĵo modelita laŭ lia patrino estas la fikso de la patrina boneco kaj emo.

Mi opinias manko ĉe liaj komponaĵoj, ke lia tekniko ne plene konformas al la originaleco de la ideoj. La tekniko ankoraŭ ne atingis liajn pensojn.

Li nun vojaĝos al Parizo, la Mekko de la artoj, kie, mi esperas, li certe liberiĝos de la konvencioj, lia arto elvolviĝos plene kaj okupos sian indan lokon.

## Alvoko

Sub la titolo Universala Arta Ligo, fondiĝis mondorganizo. Ni alvokas la artistojn de ĉiu nacio al aliĝo. Celo de l' Organizo: aranĝo de internaciaj ekspozicioj, kreo de artistaj hejmoj, laborejoj, muzeoj, helpo al reciprokaj interŝanĝvojaĝoj de fremdaj artistoj kaj artamikoj. En la unuopaj landoj fondiĝos landaj grupoj, kun memstara gvidantaro, kies delegitoj reprezentas la landan grupon en la centra gvidantaro, kies sidejo estas en Parizo.

Tiu, kiu volas aliĝi aŭ akceptas la taskon fondi landan grupon, skribu al jena adreso:

Ervin Preiss, redaktoro de Mondo de l' Artisto, Budapest VII. Szövetség-u. 28/b.

*A. Farkas.* *E. Preiss.* *L. Rodo*




OFICIALA GAZETO DE UNIVERSALA ART-LIGO

Redaktas: *Ervin Preiss*, Budapest, VII., Szövetség utca 28/b

## La arto en la moderna vivo

Sub la moto de ĉi supra titolo estis organizita kaj prezentata la arto de la mondo, dum la pariza mondekspozicio.

La arto en la moderna vivo...

Kaj la *artistoj* en la moderna vivo?

Pri tio jam estas malpli multe parolate. Sekvo kaj rezulto de la moderna vivo estas, ke la moderna arto povis tiel evoluiĝi. La moderna vivo ĉiam pli kaj pli liberigis la individuon, la artiston, rajtigante lin libere esprimi sian arton; forme kaj sence.

Jes. Liberigis... Kaj samtempe lasis lin sola. Lasis lin sola kun sia vivo, bataloj kaj materiaj zorgoj kaj eĉ (kaj tio estas preskaŭ io memkomprenebla) kun sia subjektiva arto.

Se ni rigardas, ni vidas la vojon tute rekta, preskaŭ dogma. Kun la sociaj formoj ankaŭ la arto kiel socia bezono transformiĝas, liberiĝas.

Tiu kapablo de la homo, kiun ni nomas *arto*, aperis ĉe la prahomo en sia libera kaj primitiva formo. Sed per la evoluo de la socialaj formoj ĝi fariĝis sociala bezono. Direktis ĝin la bezono je fetiĉoj, signoj alportantaj ĉasfeliĉon. Ĉe la grekoj ankoraŭ ne la artisto estas grava, kvankam ili notis jam ankaŭ la nomojn. Sed pli gravaj estas la figuroj, statutoj de dioj kaj ties ornamoj.

En la epoko de la renesanco la arto kaj artisto ankoraŭ estas socia bezono. La papoj kaj reĝoj de tiu epoko eluzas la kapablojn de Leonardo da Vinci, Miĥelanĝelo ktp. por ornami palacojn, preĝejojn per freskoj kaj tiel plu.

Per la liberiĝo de la socialaj formoj la penso kaj individuo, liberiĝis ankaŭ la artisto. Tion kaj tiel li kreis, kiel li volis, kiel tion lia individua kapablo postulis. Li ne plu apartenis al la organismo, al la konstruaĵo de la nova liberiĝinta sociordo, li ne plu estis necesa. Li altiĝis en la sferon ŝvebantan super la socio. En la mondo de la kulturo la interligo inter artisto kaj mondosocio ekzistas ankoraŭ, sed la rilatoj ŝanĝiĝis iel. La subjektiva reago de la artisto, senteme impresata de la osciloj de la socio, influas transformante la socion, dum antaŭe okazis inverse.

Tiu inversa stato, kiu signifas avantaĝon por la arto, ne ĉiam signifas avantaĝon por la artisto mem. Longa vico de malgajaj vivoj pruvas tion.

Ĉi tie mi vidas la plenan signifon de tiuj klopodoj, kiuj volas tamen unuigi tiujn subjektivajn artistojn kolektive.

Antaŭ la Pariza Esperanto-kongreso kuŝis plano, kies efektivigo akcelas tion. La internacia helpa lingvo Esperanto povas esti potenca helpilo por krei tian mondorganizon. La kongreso aprobis tion. R. Rodo, Ervin Preiss kaj mi mem prenis sur nin la taskon ekfunkciigi tiun ĉi organizon. Jen ni faris la komencajn paŝojn. Kun serioza celo, granda volo kaj ŝanco, larĝa perspektivo ekiras la afero.

Por helpi ni alvokas kaj petas ĉiujn artistojn, unuavice la esperantistajn.

Artistoj en la moderna vivo... La ondoj de l' hazardo ĵetas la artiston supren kaj malsupren. La valoron de la arto diktas la kaprico de la sukceso. En ĝi krei ekvilibron kapablas nur interne koncentrita unueco.

*Aladár Farkas.*

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, Melbourne 169 Exhibition Str.

**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.

**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn

**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.

**ĈEĤOSLOVAKUJO:** Esperanto Asocio en ĈSR. Praha XIX 447, Uralské nám. Poŝtkonto; Praha 1237.

**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.

**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.

**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres
Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.

**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084

**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a

**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92
Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.

**LATVIO:** Tailvaldo Indra, **Riga,** Kr. Baronas ielä 104 dz 19. Poŝtĉekkonto nro 7

**NEDERLANDO:** Nederlanda Esperanto Centro. Rotterdam W. Schiedamscheweg 209 b. Poŝtĉekkonto nro 272818.

**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esperantista, Librofako.
Sro Gustav Johannessen, **Hamar,** Skappelsgt. 3.

**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.

**PORTUGALIO:** Saldanha Carreira, **Lisboa,** Av. Duqué de Loulé 503

**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Gelu 9.

**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.

**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11 **St. Gallen.**

**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto
**Tokio,** Hongoo- Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

**USONO:** Amerika Esperanto-Instituto Rockford (Illionis) 1111 Brooke Rd

**Ni informas niajn korespondantojn kaj reprezentantojn pri nia telegramadreso: LITMONDO, Budapest**

Por forigi eblajn miskomprenojn, ni informas ĉiun, ke en la administracio laboras sinjoroj BLEIER VILMOS kaj BLEIER BÉLA.

Por ke vi sciu, kiu signis la koncernan leteron, jen ĉi sube la subskriboj de ili ambau.

Bleier — Subskribo de Bleier Vilmos

Bleier — Subskribo de Bleier Béla



Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos — Pestvidéki Nyomda Vácon — A nyomdáért Bénik Gyula felelős